# Ilustrita Oficiala Radikaro Esperanta por Lernanto

Baza Radikaro Oficiala de Akademio de Esperanto kun difinoj

Pli ol 500 bildoj

Difinoj nur per radikoj, kiuj estas difinitaj



Pentuvio

**Difinoj** Luiz Portella surbaze de ReVo, BER kaj OVO
**Bildoj** Elison Simas kaj Luiz Portella
**Provlego** Esperantistoj
**Kovrilo** Luiz Portella surbaze de artaĵo de rgesthuizen
**Kompostita** de Pentuvio


versio 0.7.3 (havu plej freŝan version ĉe literaturo.com/vortaro/)


Libro plene kreita per **GNU/Linukso**.

**ISBN** 978-85-60661-05-3
**ReVo** estas komune verkata kreskanta vortaro ĉe reta-vortaro.de/
**BER** estas Baza Esperanta Radikaro de Wouter F. Pilger.
**OVO** estas Oportuna Vortaro de Ordinara Esperanto de Vilho Setälä.
**rgesthuizen** metas liberajn bildojn ĉe openclipart.org/

**Dankoj** — TEX-familio, Inkscape kaj aliaj GNU-aĵoj — uloj ĉe ReVo — uloj ĉe debian-esperanto diskut-listo — uloj ĉe Inkscape Brasil diskut-listo — Eurípedes Barbosa ĉe Biblioteko de BEL (Brazila Esperanto-Ligo) — Luciano Silva ĉe Libroservo de BEL — Elison Simas pro la speciale malaltaj prezoj de la bildoj — uloj ĉe TeX-BR diskut-listo — Akademio de Esperanto

**Specialaj Dankoj** — mia familio — John Olsen, Ryan Lerch kaj aliaj ĉe http://openclipart.org — Hirotaka Masaaki, Brian Kaneen, Ŝiko Mattos kaj aliaj pro gravaj komentoj kaj korektoj — ĉiu antaŭaĉetanto pro la fido

unua eldono: 3.000 ekzempleroj

rekta metodo
savas

# Antaŭparolo

Kelkaj homoj emas aldoni la finaĵon -o al vortoj de siaj gepatraj lingvoj. Sed tio igas Esperanton nekomprenebla al homoj de aliaj landoj.

Do, ne estas bona ideo inventi novajn radikojn nur por ke Esperanto iĝu pli simila al iu gepatra lingvo. Pli bone ke Esperanto restu lingvo facila, regula, kaj internacia. Resume, ke ĝi restu kiel "la bona lingvo", kiel difinis Claude Piron.

La progreso de nia socio postulas ja la uzon de novaj konceptoj, de novaj vortoj. Sed antaŭ ol krei neologismojn, ni devas kontroli ĉu ne eblas uzi la fundamentajn kaj oficialajn radikojn, por konservi la internaciecon, regulecon kaj facilecon de Esperanto.

Koni la Fundamenton de Esperanto kaj la Bazan Radikaron Oficialan estas devo de ĉiu bona Esperantisto.

La Baza Radikaro Oficiala estas listo de vortoj faritaj de la Akademio de Esperanto, en kiu oni kolektis ĉiujn oficialajn kaj fundamentajn radikojn kaj listigis ilin laŭ ofteca kriterio.

Krom tiu nepra graveco, ĉi tiu verko prezentata en alloga, portebla formato, estas bonega instruilo.

Por flue regi lingvon oni devas pensi rekte en tiu lingvo, oni evitu tradukojn. La rezultoj de rektaj metodoj estas ĝenerale superaj kompare kun metodoj, kiuj ofte uzas tradukojn.

En ĉi tiu libreto la lernantoj povas konsulti la plej gravajn vortojn de Esperanto, kaj lerni ilin per Esperanta difino aŭ helpe de bildo. Tiel oni kreas rapidan vojon inter la koncepto kaj la vorto en Esperanto, sen la devojo de la traduko. Se dum leciono lernanto demandas tradukon de iu vorto, anstataŭ simple traduki ĝin, la instruisto povus laŭtlegi la difinon. Tiel la instruisto instruos Esperanton per Esperanto.

Ĉi tiu Ilustrita Oficiala Radikaro estas ege utila konsultilo, kiu devus esti en la poŝo de ĉiu lernanto de Esperanto.

Emilio Cid

# Klarigoj

**Grupoj**: Ilustrita OREL grupigas la radikojn kiel BER: "La *Baza Radikaro Oficiala* havas naŭ grupojn, laŭ ofteco kaj utilo. La finaĵojn, prefiksojn kaj sufiksojn, do la vort-konstruajn *ilojn*, mi apartigis en grupon 0."
Baza Radikaro Oficiala estas kreaĵo de Akademio de Esperanto.

0 iloj
1-9 radikoj laŭ ofteco kaj utilo
X aldonoj (oficialaj)
Y aldonoj (ne oficialaj)
⋆ plej oftaj kaj utilaj radikoj (grupoj 0-6)

**Aliaj indikoj**

(*Apis*) scienca nomo de besto aŭ kreskaĵo.

ⓑ➝ ⓑ▾ ⓑ▴ : bildo
(**b**) pĝ xx : vidu bildon en la paĝo xx
(**b**) umo : vidu bildon ĉe la vorto "umo"
(**v**) umo : vidu la difinon ĉe la vorto "umo"

(*tr*) transitiva verbo
(*ntr*) netransitiva verbo
(*x*) transitiva kaj netransitiva verbo
prep. : prepozicio

**Ilustrita OREL**
difinoj aŭ klarigoj: **2.656**
2.479 el Baza Radikaro Oficiala;
161 bazaj oficialaj;
16 bazaj ne oficialaj.
bildoj: ĉ. **520**

# -o, -a, -e




1 alta krajono
2 malalta krajono




1 larĝa strato
2 mallarĝa strato




1 dika libro
2 maldika libro




1 granda pilko
2 malgranda pilko




1 longa maniko
2 mallonga maniko




1 nova papero
2 malnova papero




1 ŝtono rapide falas
2 plumo malrapide falas




1 li bone fartas
2 li malbone fartas




1 forte venti
2 malforte venti

-o ⟶ afero;
-a ⟶ kvalito por afero;
-e ⟶ maniero agi.

# esti, stati, -n

**E**sti kaj stati estas netransitivaj, ili ne petas akuzativon (-n).




ŝi estas homo



ĝi estas hundo



ŝi statas laca
ŝi estas bela



ĝi statas atenta
ĝi estas fidela

**B**ati estas transitiva, ĝi petas akuzativon (-n).




~~kato batas simio~~



simio batas katon
katon batas simio
katon simio batas
batas katon simio
...



kato batas simion
simion batas kato
...
...
...

# lernu per bildoj



li trink**os** akvo**n**



li trink**as** akvo**n**



li trink**is** akvo**n**



trink**ont**o



trink**ant**o
trink**ant**a knabo



trink**int**o



trink**ot**a akvo



trink**at**a akvo



trink**it**a akvo

# tabelo de pronomoj

| | ? | nesciata | ➡ | 0 | la tuto | precize |
|---|---|---|---|---|---|---|
| (aĵo parte konata) | kiu | iu | tiu | neniu | ĉiu | Osama bin Laden |
| (aĵo nekonata) | kio | io | tio | nenio | ĉio | militisto |
| (kvalito) | kia | ia | tia | nenia | ĉia | religiema |
| (loko) | kie | ie | tie | nenie | ĉie | en Usono |
| (tempo) | kiam | iam | tiam | neniam | ĉiam | en 2001 |
| (maniero) | kiel | iel | tiel | neniel | ĉiel | per aviadiloj |
| (kaŭzo) | kial | ial | tial | nenial | ĉial | pro venĝo |
| (posedo) | kies | ies | ties | nenies | ĉies | de A.A. kaj U.A. |
| (kvanto) | kiom | iom | tiom | neniom | ĉiom | ĉ. 3.000 mortoj |

1- Usono estas lando en nordo de Ameriko.
2- A.A. = American Airlines; U.A. = United Airlines
3- "kio estas tio?" oni tute ne konas pri kio temas.
4- "kiu (homo) venis?" oni konas, ke temas pri homo.
5- "kiun paĝon vi legas?" oni konas, ke temas pri paĝo.
6- "kio/io/tio/nenio/ĉio paĝo" ne estas ebla; "... -io -o ..." ne estas ebla.

# prepozicioj

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| al | anstataŭ | antaŭ | malantaŭ | apud |
| ĉe | ĉirkaŭ | da | de | dum |
| ekster | el | en | ĝis | inter |
| je | kontraŭ | krom | kun | laŭ |
| malgraŭ | per | po | por | post |
| preter | pri | pro | sen | sub |
| super | sur | tra | trans | |

~~Mi fermas la pordon de la ĉambron.~~
Mi fermas la pordon de la ĉambro.
Post la prepozicioj **al**, **da**, **de**, **dum**, **el**, **ĝis**, **je**, **kun**, **laŭ**, **per**, **por**, **pri**, **pro** kaj **sen** tute **ne eblas** uzi akuzativon.

Post la aliaj oni ĝenerale **ne uzas** akuzativon. Eblas uzi akuzativon post iuj prepozicioj por signali almoviĝon:
La kato saltas sur la lito. (la kato estas sur la lito kaj saltas)
La kato saltas sur la liton. (la kato ne estas sur la lito kaj saltas al nova loko, kiu estas sur la lito)

Eblas uzi akuzativon post iuj prepozicioj por specialaj sencoj:
"Pedro manĝas pomon anstataŭ piron." kaj
"Pedro manĝas pomon anstataŭ piro." havas saman signifon.

"Jules batas Paŭlon anstataŭ Leandro." kaj
"Jules batas Paŭlon anstataŭ Leandron." tute ne havas samajn signifojn.
Se vi ne povas kompreni tion, demandu al via instruisto aŭ ĉe
http://grupoj.literaturo.com/

14a regulo el *Fundamenta Gramatiko*:
Ĉiu prepozicio havas en Esperanto difinitan kaj konstantan signifon, kiu fiksas ĝian uzon; sed se ni devas uzi ian prepozicion kaj la rekta senco ne montras al ni, kiun prepozicion ni devas preni, tiam ni uzas la prepozicion **je**, kiu ne havas memstaran signifon; ekz. ĝoji je tio, ridi je tio, enuo je la patrujo, malsana je la okuloj.

# vortpartoj

| | | |
|---|---|---|
| bo- | dis- | ek- |
| eks- | ge- | mal- |
| mis- | pra- | re- |

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| -aĉ- | -ad- | -aĵ- | -an- | -ar- | -ĉj- |
| -ebl- | -ec- | -eg- | -ej- | -em- | -end- |
| -er- | -estr- | -et- | -id- | -ig- | -iĝ- |
| -il- | -in- | -ind- | -ing- | -ism- | -ist- |
| -nj- | -uj- | -ul- | -um- | | |

krom pluraj neoficialaj. Ili estas uzataj memstare: ulo, eta, ido ktp.

**ig** — uzata ĉe netransitiva verbo la rezulto estas transitiva verbo.
1) La knabo dormis.
2) Ŝi dormigis la bebon (= Ŝi igis la bebon dormanta)

**iĝ** — uzata ĉe transitiva verbo la rezulto estas netransitiva verbo.
1) Li movas la seĝon al alia flanko.
2) La branĉoj de la arbo moviĝas.

Oni povas kombini vortparton kun radiko aŭ:

— radikon kun radiko:
poŝtelefono: telefono, kiun oni kunportas en poŝo.

— prefikson kun radiko:
alveni: veni al la celo. "La instruisto ĵus alvenis."
subaĉeti: akiri ies favoron per kaŝa mondonaco.

# numeroj, monatoj kaj tagoj

| | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 0 | nul | 1 | unu | 2 | du | 3 | tri |
| 4 | kvar | 5 | kvin | 6 | ses | 7 | sep |
| 8 | ok | 9 | naŭ | 10 | dek | 11 | dek unu |
| 12 | dek du | 20 | dudek | 50 | kvindek | 100 | cent |

| | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 200 | ducent | 1.000 | mil | 1.000.000 | miliono | | |
| 1a | unua | 1/2 | duono | 2 kune | duope | | |
| 2a | dua | 1/10 | dekono | 2x | duobla, du foje | | |

unu jaro estas 12 monatoj

| | |
|---|---|
| 01a: januaro (31 tagoj) | 02a: februaro (28 aŭ 29 tagoj) |
| 03a: marto (31 tagoj) | 04a: aprilo (30 tagoj) |
| 05a: majo (31 tagoj) | 06a: junio (30 tagoj) |
| 07a: julio (31 tagoj) | 08a: aŭgusto (31 tagoj) |
| 09a: septembro (30 tagoj) | 10a: oktobro (31 tagoj) |
| 11a: novembro (30 tagoj) | 12a: decembro (31 tagoj) |

unu semajno estas 7 tagoj

| | | | |
|---|---|---|---|
| 2a: lundo | 3a: mardo | 4a: merkredo | |
| 5a: ĵaŭdo | 6a: vendredo | 7a: sabato | 1a: dimanĉo |

dimanĉo estas tago por ripozo.



1 somero



2 Aŭtuno



3 vintro



4 printempo

internacia komunikado
bezonas




lernu Esperanton per
www.lernu.net

# A

**-a**⋆ finaĵo por adjektivoj (alt**a**, mond**a**, bel**a**)[0]



**abelo** eta besto (insekto), kiu produktas mielon (*Apis*)[8]

**abio** pingloarbo (*Abies*)[7] ⓑ→



**abomeno** malamego ĉu pro fizika ĉu pro morala kialo[8]

**aboni** (*tr)* ade ricevi, laŭ kontrakto, gazeton, servon ktp[8]



**abrikoto** flavoranĝa frukto de abrikotujo (*Prunus armeniaca*)[9]

**abrupta** malagrable subita[9]

**absoluta** senkondiĉa, malrelativa[9]

**abstini** (*ntr*) ne permesi al si, pro principo, iajn plezurigajn agojn (manĝi, trinki, fumi, ktp)[9]

**abstrakta** malkonkreta; estanta en pensoj[X]

**absurda** kontraŭa al la komuna saĝo (la ideo pri la senfina movo estas absurda)[9]

**abunda** estanta en pli ol sufiĉa kvanto[7]

**acida** kun akra gusto, kiel citrono[7]

**-aĉ-** vortparto esprimanta malbonecon, malbonan kvaliton (malbela, maltaŭga domo: dom**aĉ**o)[9]



**aĉeti**⋆ (*tr*) akiri per mono (oni vendas ion, mi aĉetas ĝin)[3]

**-ad-**⋆ vortparto esprimanta daŭran agon aŭ ripetiĝon (lern**ad**o, paf**ad**o)[0]

**adapti** (*tr*) taŭgigi ion[9]

**adepto** homo, kiu akceptis kaj sekvas iun idealon[X]

**adiaŭ** vorto por saluto je foriro[7]

**adiaŭi** (*tr*) saluti ĉe eliro[X]

**adicii** (*tr*) aldoni, kunigi nombrojn en unu solan $(1 + 1 = 2)$[8]

**adjektivo** vorto esprimanta kvaliton[8] (**v**) -a

**administri** (*tr*) zorgi pri aferoj de entrepreno aŭ persono[8]

**admiri** (*tr*) miri pro beleco aŭ supereco[8]

**admoni** (*tr*) kuraĝigi per parolo al ago aŭ al plenumo de devo[8]

**adopti** (*tr*) laŭleĝe alpreni iun kiel sian propran filon aŭ filinon[8]

**adori** (*tr*) amegi; respektegi kiel dion[9]

**adreso**⋆ precizaj indikoj por atingi iun aŭ ion[5]

**adverbo** nevariebla vorto esprimanta lokon, tempon aŭ manieron[9] (**v**) -e

**advokato** jura reprezentanto kaj defendanto ĉe juĝdiskutoj[8]

**aero**⋆ spirebla nesimpla gaso, kiu ĉirkaŭas la teron[4]

**afabla**⋆ plaĉa per ĝentileco, agrablaj vortoj kaj komplezoj[3]

**afero**⋆ io ajn en la mondo, konkreta aŭ abstrakta[2]

**afiŝo** sciigo al la publiko sur papero kaj ordinare gluita sur muro[8]

**aflikti** (*tr*) morale suferigi[9]

**afranki** (*tr*) pagi sendkoston[8]

**Afriko** mondoparto sude de Eŭropo[9] (**b**) pĝ 98

**agento** peranto, ĝenerale dungita por peri difinitan aferon[9]

**agi**⋆ (*ntr*) fari ion[5]

**agiti** (*tr*) moveti rapide kaj ripete[9]



**aglo** rabobirdo (*Aquila)*[7]

**agordo** ĝustigo de aparato, muzikilo ...[7]

**agrabla**⋆ plaĉa, kiu donas plezuron (agrabla vetero)[4]

**aĝo**⋆ kiomo de la tempo, ekde la naskiĝo[4]



**ajlo** bulba kreskaĵo kun akra odoro (*Allium sativum*)[9]

**ajn**⋆ vorteto, kiu almetiĝas apud vortoj demandaj aŭ sendifinaj por insisti pri la nedifiniteco[1]

-**aĵ**-⋆ vortparto esprimanta ion, kion oni povas tuŝi (est**aĵ**o, manĝ**aĵ**o)[0]

**aĵo** konkreta afero, io tuŝebla[X]

**akademio** societo pri iu temo[9]

**akceli** (*tr*) plirapidigi[8]

**akcento** plilaŭtigo de voĉo sur difinita parto de vorto[9]

**akcepti**⋆ (*tr*) konsenti ricevi ion, kion iu donas aŭ proponas[4]

**akcidento** malfeliĉa okazaĵo[7]

**akcio** atesto pri partopreno en la kapitalo de financa societo[9]

**akiri**⋆ (*tr*) havigi al si[6]

**akno** eta kaj ruĝa ŝvelaĵo sur la haŭto[9]

**akompani**⋆ (*tr*) esti aŭ iri kun iu aŭ io[6]

**akordo** sameco de sentoj aŭ opinioj inter personoj[9]

**akra**⋆ trančа aŭ pika[6]



**akrido** saltinsekto, kiu muzikas kaj manĝas kreskaĵon (*Acrida*)[9]



**akso** rekta linio, ĉirkaŭ kiu turniĝas korpo[9]

**aktiva** agema, laborema[9]

**akto** parto de teatraĵo; oficiala atesto[9]

**aktoro** teatra aŭ kina ludisto[9]

**aktuala** nuntempa[9]

**akurata** okazanta je ĝusta tempo[8]

**akuzativo** -n[X] (**b**) pĝ 08 (**v**) -n

**akuzi** (*tr*) kulpigi[9]

**akvo**⋆ fluaĵo el riveroj kaj maroj ($H_2O$)[3]

**al**⋆ prep. esprimanta direkton (rigardi al la strato)[1]



**alarmo** signalo por anonci danĝeron[9] ⓑ➔

**alaŭdo** birdo (*Alauda*)[9]



**albumo** bindaĵo en formo de libro, por konservi notojn, fotografaĵojn ktp[8]

**aleo** vojo en ĝardeno aŭ parko[9]

**alfabeto** listo da ĉiuj literoj de iu lingvo (a, b, c, ĉ, d . . . )[9]



**algo** kreskaĵo vivanta en aŭ sur akvo[9] ⓑ➔

**alia**⋆ alia aĵo = ne tiu aĵo[2]

**alkoholo** esenca parto de brando, vino kaj aliaj ebriigaj likvaĵoj ($C_2H_5OH$ kaj aliaj $OH$)[8]

**almenaŭ**⋆ vorto por diri "ne malpli ol"[1]

**almozo** mondonaco, monhelpo al malriĉulo[8]

**alta**⋆ vertikale granda[2] (**b**) pĝ 07

**alterni** (*ntr*) sekvi laŭvice unu la alian (la sezonoj alternas)[9]

**aludi** ($x$) nerekte paroli pri iu aŭ io[9]

**alumeto** ligna peceto, kiu ekbrulas per frotado[7]



**aluminio** arĝentkolora malpeza metalo ($Al$)[9]

**amara** maldolĉa por la gusto[9]

**amaso**⋆ multnombra, ĝenerale senorda aro[4]

**amatoro** neprofesiulo[9]

**ambasado** ambasadora aro de delegitoj[9]

**ambasadoro** plej alta reprezentanto de iu ŝtato ĉe alia ŝtato[9]

**ambaŭ**⋆ unu kaj alia kune[1]

**Ameriko** mondoparto okcidente de Afriko kaj Eŭropo[9] (**b**) pĝ 98

**ami**⋆ (*tr*) havi koran inklinon por iu[2]

**amiko**⋆ persono, kiu estas korligita kun alia pro inklino sed ne pro seksamo, nek pro familianeco[2]

**amori** (*ntr*) seks-kuniĝi[X]

**amplekso** grado de grandeco[8]

**ampolo** eta botelo por kelkaj celoj[9]

**amuzi**⋆ (*tr*) agrable distri kaj gajigi[5]

-**an**-⋆ vortparto esprimanta membrecon (afrik**an**o, estrar**an**o)[0]

**anaso** naĝbirdo (b)→ (*Anas*)[8]



**anekdoto** mallonga, sprita rakonto[9]

**angilo** serpentosimila manĝebla fiŝo (*Anguilla*)[9]



**angulo**⋆ grado de malfermo inter du linioj aŭ muroj, kiuj tuŝas unu la alian[4]



**anĝelo** loĝanto en ĉielo, ĝi povas helpi teranojn[8]



**animalo** vivulo, kiu ne estas kreskaĵo, ĝi kapablas senti kaj sin movi[8]

**animo**⋆ nekorpa parto de la homo, iuj taksas ĝin senmorta[5]

**ankaŭ**⋆ vorto por diri "kaj plie", "same", "egale kiel aliaj" (ankaŭ mi ploris)[1]

**ankoraŭ**⋆ ĝis la nuna momento; denove, ree, plue[1]

**ankro** pezaĵo por fiksi ŝipon[X] (b)→



**anonci**⋆ (*tr*) publike sciigi[6]

**ansero** naĝbirdo simila tamen pli granda ol anaso (*Anser*)[9]



**anso** iu ajn tenilo kun formo de tastenilo[Y] (**b**) taso

**anstataŭ**⋆ prep. por diri: en la loko de, en la rolo de, en la funkcio de[1]

-**ant**-⋆ vortparto por diri, ke la ago plu daŭras, rilate al kiu agas: manĝanto estas tiu, kiu manĝas[0] (**b**) pĝ 09

**antaŭ**⋆ prep. por diri "en tempo pli frua", "en loko fronte al"[1]

**antikva** tre malnova[X]

**anuso** truo, per kiu la bestoj fekas[X]

**aparato** kunaĵo de objektoj aŭ instrumentoj servanta por plenumi ion (telefono, televidilo ...)[7]
**aparta**⋆ malkuna[4]
**apartamento** komforta loĝejo[8]
**aparteni**⋆ (*ntr*) esti ies posedaĵo; esti parto de io[6]
**apenaŭ**⋆ vorto por diri "ne pli multe ol", "preskaŭ ne" (ŝi apenaŭ aŭdis vin)[1]
**aperi**⋆ (*ntr*) sin vidigi[4]
**aperturo** malfermaĵo[9] ⓑ→



**apetito** deziro manĝi[8]
**aplaŭdi** (*x*) montri aprobon per batado de unu mano kontraŭ alia[9]



**apliki** (*tr*) uzi por praktiko teoriajn sciojn[9]
**apogi**⋆ (*tr*) subteni por ke io ne falu[6]
**apostolo** unu el 12 vokitoj de Kristo[9]
**apoteko** ejo por kuraciloj, kie oni vendas aŭ disdonas ilin[8]
**aprilo**⋆ la kvara monato de la jaro[5]
**apro** sovaĝa porko (*Sus scrofa*)[9] ⓑ→



**aprobi**⋆ (*tr*) opinii ion bona[6]
**apud**⋆ prep. esprimanta proksimecon[1]
-**ar**-⋆ vortparto esprimanta kolekton da samspecaj aĵoj, kiu formas unu apartan tuton (stel**ar**o, hom**ar**o)[0]
**araneo** eta besto, kiu teksas reton (*Aranea*)[8]



**aranĝi**⋆ (*tr*) meti laŭ ĝusta ordo; pretigi (aranĝi kongreson)[5]
**arbitra** libervola, senkontrola[9]
**arbo**⋆ ligna daŭra kreskaĵo kun alta trunko[3] ⓑ→



**arda** varmega[8]
**areo** mezuro de surfaco ($m^2$, $km^2$, $cm^2$ ...)[X]
**arĝento**⋆ valora metalo ($Ag$)[5]
**arko** parto de kurbo, precipe de cirklo[8]
**armeo** organizita aro de militistoj de iu ŝtato[7]
**armi**⋆ (*tr*) provizi per armiloj, tio estas, per diversaj iloj por atake vundi, mortigi ktp[6]
**armo**⋆ la tuto de armiloj[6]
**arterio** tubeto, kiu kondukas la sangon el la koro ĝis ĉiuj partoj de la korpo[9]
**artiko** loko, kie kunligiĝas du ostoj aŭ membroj, tiel ke ili povas moviĝi unu rilate al alia[9]
**artikolo** teksto en gazeto; gramatika difinilo (la vorteto $la$, en Esperanto)[7]
**arto**⋆ tuto de scioj kaj reguloj akirita per studo, uzebla por iuj rezultoj[3]
-**as**⋆ finaĵo por verboj, kiam temas pri la nuna tempo (vi leg**as**)[0] (**b**) pĝ 09
**asekuri** (*tr*) garantii per kontrakto kontraŭ monata pagado, ke se okazos akcidento, tiam venos mono por pagi la perdon[8]

**asembleo** kunsido por oficialaj decidoj[9]
**aserti** (*tr*) firme certigi[9]
**asfalto** nigra planko por stratoj[9]
**asisti** (*tr*) pro ofica devo ĉeesti por helpi profesoron, pastron, kuraciston[9]
**asocio** grava societo[8]
**aspekti** (*ntr*) ŝajni[7]
-**at**-⋆ vortparto por diri, ke la ago plu daŭras, rilate al kiu ricevas la agon: vidato estas tiu, kiun oni vidas[0] (**b**) pĝ 09
**ataki**⋆ (*tr*) komenci batalon kontraŭ malamiko[6]
**atendi**⋆ (*tr*) resti ĝis iu alvenos aŭ io okazos[3]
**atenta**⋆ turnanta kaj fiksanta siajn mensajn kapablojn al io[4]
**atesti** (*tr*) certigi ion, ĉar oni vidis, aŭdis aŭ spertis tion[8]
**atingi**⋆ (*x*) veni ĝis iu loko aŭ rezulto[5]
**Atlantiko** parto de la oceano[9] (**b**) pĝ 98
**atmosfero** la aero ĉirkaŭ nia planedo[X]

**atomo** tre eta ero de la aĵoj[9] b→
**aŭ**⋆ vorteto uzata por elekto: ĉu vi trinkos teon aŭ kafon?[1]
**aŭdaca** ege kuraĝa, maltima[9]
**aŭdi**⋆ (*tr*) uzi la orelojn[3]
**aŭgusto**⋆ la oka monato de la jaro[5]

**aŭskulti**⋆ (*tr*) atenti por aŭdi[4]
**Aŭstralio** lando oriente de Afriko[9] (**b**) pĝ 98
**aŭto** = aŭtomobilo[8]

**aŭtobuso** granda aŭtomobilo; pluraj personoj povas uzi ĝin samtempe[7]
**aŭtomato** maŝino kapabla mem regi ĉiujn, aŭ almenaŭ iujn, siajn funkciojn[7]

**aŭtomobilo** motora veturilo, kutime kun kvar radoj, por stratoj[8]
**aŭtoritato** influo bazita je respekto[8]
**aŭtoro** verkinto; kreinto[9]
**aŭtuno**⋆ sezono post somero kaj antaŭ vintro[4] (**b**) pĝ 13
**avantaĝo** tio, kio donas ian superecon; tio, kio enhavas pli grandan utilon[9]

**avara**⋆ tro ŝparema[6]
**aveno** greno (*Avena*)[9]
**aventuro** neatendita kaj riska neordinara okazaĵo[7]
**avenuo** larĝa strato[8]
**averti**⋆ (*tr*) antaŭsciigi kaj atentigi iun pri io[6]

**aviadilo** veturilo por la ĉielo b→ (aviad/il/o)[8]
**avida** fortege deziranta ion[8]
**avo**⋆ patro de patro aŭ patro de patrino[4]

**azeno**⋆ besto simila al ĉevalo (*Equus asinus*)[5]
**Azio** mondoparto oriente de Eŭropo[9] (**b**) pĝ 98

# B

**babili** (*x*) paroli intime[7] 

**bacilo** speco de bakterio kun formo de bastono[9]

**bagatelo** afero ne grava[9]

**baki** (*tr*) kuiri per varmo, ne per flamo[8]

**bakterio** ege eta vivaĵo kiu kaŭzas putradon, puson kaj diversajn malsanojn[9]



**balai**⋆ (*tr*) purigi per speciala ilo[6] (balailo ⓑ→ )

**balanci** (*tr*) movi ion tiel, ke ĝi alterne leviĝas kaj malleviĝas[8]

**balbuti** (*tr*) malklare paroli pro nevolaj haltoj kaj ripetoj[9]

**baldaŭ**⋆ post mallonga tempo[1]

**baleno** la plej granda besto de la Tero, ĝi estas mamulo, kiu vivas en maro (*balaena*)[X]

**balo** festo por danci[9]

**balono** malrapida flugilo, kiu flugas pro mallibera malpeza gaso[7]





**baloti** (*ntr*) voĉdoni; (*tr*) elekti iun por posteno[9]

**bambuo** altegaj kreskaĵoj, ili estas uzataj por fari meblojn, domojn kaj aliajn aferojn (*Bambusa*)[9]

**banano** frukto el bananujo, kun flava ŝelo kaj ete dolĉa blanka karno (*Musa*)[9]





**bandaĝo** tuko por protekti vundon[9]

**bani**⋆ (*tr*) meti iun aŭ ion en akvon por lavado[5]



**banko** entrepreno por financo kaj mono[7] ⓑ→

**banto** ornama nodo[9] ⓑ↓

**bapti** (*tr*) oficialigi alvenon de iu al religio; doni nomon[9]



**barakti** (*ntr*) forte movi siajn brakojn kaj krurojn por sin liberigi[8]

**barbiro** ulo, kiu samtempe estas razisto, kombisto kaj har-tondisto[9]

**barbo**⋆ haroj de vango kaj mentono[6] ⓑ→



**barelo** ligna ujo por likvaĵo[8]

**barko** eta veturilo por akvo, kiu ne havas ĉambron[9]



**baro**⋆ io, kio malhelpas trairon aŭ agadon[6]

**basko** pendanta parto de vesto[9]

**bastono**⋆ eta stango, ĝenerale el ligno, por helpi piediron[6]

**batali**⋆ (*ntr*) peni venki iun[4]

**bati**⋆ (*tr*) forte frapi[3] ⓑ→



**bazaro** vendejo kun pluraj diversaj sendependaj vendobudoj[8]

**bazo** malsupra parto de aĵo; ĉefa parto de ideo[8]



**bebo** infaneto[8] ⓑ→

**bedaŭri*** (*tr*) esti malfeliĉa pro okazaĵo aŭ perdo[6]



**beko*** malmola parto de buŝo de birdo[6]

**bela*** havanta kvalitojn, kiuj plaĉas al vidado aŭ aŭdado[2]

**bendo** aĵo kaj longa kaj mallarĝa[9]

**beni** (*tr*) peti dion gardi ion aŭ iun[8]



**benko*** meblo por sidi[5]



**benzino** likvaĵo (el petrolo) kiu movigas motoron[8]



**bero** ia ajn eta karneca frukto[7] ⓑ→

**besto*** animalo, kiu ne estas homo[4]



**beto** manĝebla kreskaĵo, uzata ankaŭ por produkti sukeron (*Beta*)[9]



**betulo** arbo kun hela ŝelo, kun tre flekseblaj branĉoj (*Betula*)[8]

**bezoni*** (*tr*) esti en situacio, kiu postulas ion[3]

**biblioteko** librejo, kie eblas legado aŭ prunto de libroj[8]



**biciklo** veturilo kun du radoj, movata per la kruroj[8]

**bieno** kampara ter-posedaĵo[7]

**biero** alkohola trinkaĵo el greno (ĝenerale kun 5% de alkoholo)[7]



**bifsteko** maldika rostita tranĉaĵo de bova viando[9]

**bildo*** videbla aspekto de aĵoj, vera aŭ fotografita, pentrita ktp (ĉe **biciklo** estas bildo de biciklo)[3]



**bileto** (plej ofte pagita) papero por uzi ion (eniri kinejon, vojaĝi per aviadilo)[7]

**bindi** (*tr*) kudri foliojn de libro, kaj surmeti al ĝi rigidan kovrilon[9]

**birdo*** besto kun du piedoj, flugiloj kaj plumoj (*Aves*)[3] (**b**) anaso, hirundo, korvo

**blanka*** kun koloro de neĝo aŭ lakto[3] (**b**) pĝ 100

**blasfemi** (*tr*) diri ofendajn vortojn al dio aŭ pri dio[9]

**bleki** (*ntr*) krii (valida por bestoj, por pluraj bestoj estas speciala vorto: boji, muĝi ...)[9]

**blinda** sen vid-kapablo[7]

**bloko** granda kaj peza maso de materialo[9]

**blonda** kun haroj kies koloro estas inter ora kaj flava[7] (**b**) pĝ 100



**blovi*** (*ntr*) ekmovi la aeron per buŝo; (*tr*) per buŝo puŝi la aeron sur aŭ en ion[6]

**blua*** kun koloro de la ĉielo kiam ne estas nuboj[4] (**b**) pĝ 100

**bluzo** vestaĵo por la supra parto de la korpo[8]

**bo-*** vortparto kiu indikas parencecon pro edziĝo (bofilo: edzo de filino; bopatro: patro de edzo aŭ edzino)[0]



**boato** barketo[8] ⓑ→

**boji** (*ntr*) hunde bleki[8]

**boli**⋆ (*ntr*) esti iĝanta de likvaĵo al gaso (akvo bolas je 100 °C)[6]



**bombo** eksploda armilo[X] (b)→



**bombono** frandaĵo[8] (b)↓

**bona**⋆ kun ĝustaj ecoj[2] (**b**) pĝ 07



**bonvoli** afable konsenti (bon/vol/ i)[9]

**bordo**⋆ strio de tero ĉe akvo[4]

**bori** (*tr*) fari mallarĝan truon per speciala ilo[8]



**borso** kunveno de komercistoj, kasistoj kaj aliaj personoj, kiuj komercas valorpaperojn aŭ diversajn varojn.[9]

**botelo**⋆ vazo ĝenerale vitra kun mallarĝa kolo por teni likvaĵon[6] (**b**) vino

**boto** alta ŝuo[7] (b)→



**bovlo** vazo sen kolo[9]

**bovo**⋆ granda mambesto bredata por viando kaj lakto (*Bos*)[5]



**braceleto** ornamaĵo por la brako (brak-ringo)[9]



**brako**⋆ supera membro de homo, kie estas la mano[4]

**brakumi** (*tr*) ĉirkaŭigi ion per ambaŭ brakoj (brak/ um/i)[8]



**branĉo**⋆ neĉefa supera parto de arbo; parto de la tuto[6] (arbo kun kvar branĉoj (b)↑ )



**brando** alkohola trinkaĵo kun pli ol 35% de alkoholo[9]

**brasiko** diversforma kreskaĵo (*Brassica*)[7]



**brava** ege lerta kaj sen-tima ĉe iu ajn situacio[8]

**bredi** (*tr*) vivigi malliberajn bestojn por homa uzo[9]

**bremso** ilo por haltigi aŭ malrapidigi maŝinon[8]

**breto** horizontala tabulo por lasi aĵojn sur ĝi[7]



**brido** rimeno por la kapo de bestoj, per kiu oni kondukas ilin[9]

**briko** ŝtono aŭ kvazaŭŝtono per kiu oni faras murojn [7]



**brili**⋆ (*ntr*) hele lumi[4] (b)→



**brokanti** (*x*) vendi uzitajn aĵojn por plua uzado[9]

**bronzo** metalo, miksaĵo de kupro (*Cu*) kaj stano (*Sn*)[9]

**broso**⋆ ilo por purigi meblojn aŭ kombi harojn[6]



**broŝuro** maldika presaĵo ne bindita (ilustrita OREL estas broŝuro)[8]

**brovo** arkoforma haroj super la okulo[8]



**brui**⋆ (*ntr*) fari sonojn, kiuj estas nek muzikaĵo nek parolo (maro bruas, infano plore bruas)[4]

**bruli**⋆ (*ntr*) finiĝi (esti konsumata) per fajro[3]

**bruna**⋆ kun koloro de ĉokolado[5] (**b**) pĝ 100

**brusto**⋆ parto de la korpo, ekde la kolo ĝis la ventro[5]

**bruto** kvarpieda paŝtobesto (bovo, ĉevalo, porko ktp)[9]

**bubo** petola knabeto[8]

**buĉi** (*tr*) mortigi bruton por manĝado[9]

**budĝeto** antaŭkalkulo pri en- kaj el-spezoj[9]

**budo** simpla ĉambro ne por loĝi (telefonbudo, butika budo)[8]

**bufo** besto simila tamen pli granda ol rano (*Bufo*)[X]



**bukedo** fasko de floroj[9] ⓑ→

**buklo** volviĝanta fasketo da haroj[9]



**buko** ilo por fiksi zonon[9] ⓑ→

**bulbo** dika subtera parto de iuj kreskaĵoj (beto, cepo ...)[9]

**bulko** eta pano[9]

**bulo** io ajn kun formo de globo (bulo el viando, neĝo, papero)[7]

**bulteno** regule aperanta informilo[9]

**bulvardo** larĝa strato por promeni[8]

**burĝo** urbano nek riĉa nek malriĉa[7]

**burĝono** ŝvelaĵo en kreskaĵo, kiu fariĝos folio aŭ floro[9]

**buso** = aŭtobuso[Y]

**buŝo**⋆ truo en kapo de homo aŭ besto, per kiu ĝi manĝas[3]



**butero**⋆ graso el lakto[5]

**butiko** vendejo[8]

**butono**⋆ ornamaĵo por fermi veston; malgranda klavo[6]



**bv.** bonvolu[X]

# C

**cedi** (*ntr*) ne kontraŭstari; transdoni posedaĵon aŭ rajton al alia persono[8]

**celi** havi volon realigi, atingi[X]

**celo**⋆ tio, kion oni celas[4]

**cemento** ĉefa substanco por kunigi brikojn kaj do fari murojn kaj domojn[8]

**cent**⋆ 100[1]; **ducent** 200; **tricent kvar** 304

**centimetro** mezur-unuo de longo, kiu estas centono de metro (0,01 metro)[9]

**centralo** ĉefa nodo en iu ajn reto (telefon-centralo ktp)[9]

**centro** la mezo de cirklo, aĵo aŭ loko[7]

**cepo** kreskaĵo, kies bulbo estas uzata kiel legomo (*Allium cepa*)[9]



**cerbo** organo en la kapo, per kiu vi pensas[8]



**ceremonio** formo de agado dum oficiala solena festo[X]

**certa**⋆ eco de io, pri kio tute ne estas dubo[3]

**cervo** besto kies viro havas grandajn kornojn (*Cervus*)[9]



**cetera**⋆ ĉiu restanta, ĉiu alia; ĉiu, kiun oni ankoraŭ ne menciis[5]

**ci** ununombra vi (malofte uzata) (kiel ci fartas?)[X]

**cifero**⋆ aro da signo por nombroj (1 2 3 4 5 6 7 8 9 0)[6]

**cigaredo** tabako volvita en papero por fumado[7]



**cigaro** tabako volvita en tabak-folio por fumado[9]



**cigno** granda, ĝenerale blanka naĝbirdo kun longa kolo (*Cygnus*)[9]



**cikado** insekto kiu muzikas (*Cicada* kaj aliaj)[9]



**cikatro** signo de vundo post resaniĝo[9]

**ciklo** vico de fenomenoj, kiu ripetiĝas en sama ordo[7]

**cikonio** granda birdo kun longaj kruroj (*Ciconia*)[9]



**cinamo** ŝelo de cinamujo, uzata kiel spico (*Cinnamomum*)[9]



**cindro** griza restaĵo de brulado[9]

**cirkelo** ilo por desegni cirkloj[9]

**cirklo** ebena ronda kurbo[9]



**cirkonstanco** situacio de afero kunligita al alia afero, kiu okazas[8]

**cirkulero** sciiga letero sendita al pluraj personoj[9]

**cirkuli** (*ntr*) rond-ire moviĝi[9]

**cirkvito** aro de vojoj, tra kiu trafluas elektro[9]

**ciro** pasto por briligi kaj protekti ŝuojn el ledo[9]

**citi** (*tr*) ripeti vortojn aŭ tekston de iu alia; mencii[8]

**citrono** frukto de citronujo, ov-forma kun hele flava ŝelo (*Citrus limon*)[7]



**civila** ulo, kiu estas nemilitista, nereligiista kaj nepolitikista[9]

**civilizi** (*tr*) morale, intelekte kaj socie mildigi[8]

**civito** aro de ŝtatanoj kun politikaj rajtoj el la tuta ŝtato[9]

# Ĉ

**ĉ.** ĉirkaŭ (proksimume)[X]

**ĉagreni** (*tr*) kaŭzi malplezuron al iu[8]

**ĉambro**⋆ aparta ejo de domo, disigita per muro, kun pordo al ekstero aŭ/kaj al alia ĉambro[2]

**ĉapelo**⋆ kap-vesto kun ĉirkaŭrando; la signo "ˆ" sur literoj kiel ĉ[4]



**ĉapitro**⋆ ĉiu parto de libro, kun aparta titolo aŭ/kaj numero[6]

**ĉapo** senranda kap-vesto[7]



**ĉar**⋆ vorteto por klarigi ion: "pro tio, ke" (mi ridas, ĉar vi grimacas)[1]

**ĉarma** plaĉa kaj loga[7]

**ĉaro** malnova veturilo tirata de besto por batalo; ŝarĝ-veturilo[9]



**ĉarumo** eta ĉaro kun unu rado, kiu estas puŝata de homo (ĉar/um/o)[9]

**ĉasi**⋆ (*tr*) postkuri beston por ĝin kapti[6]

**ĉe**⋆ prep. esprimanta proksimecon (sidi ĉe la fenestro)[1]

**ĉeesti** (*x*) esti en iu loko, kiam io okazas (ĉe/est/i)[9]

**ĉef-**⋆ vortparto por diri ke io estas la plej grava aŭ alt-ranga (ĉefurbo, ĉefministro ktp)[0]

**ĉefa** la plej grava[X]

**ĉeko** papero, kiu rajtigas iun ricevi monon el la banko[8]



**ĉelo** ĉambreto por unu persono; ero de vivanta korpo[9]

**ĉemizo**⋆ maldika vesto por la supra parto de la korpo[6]



**ĉeno** ligilo el kunligitaj ringoj[8]



**ĉerizo** bongusta ruĝa frukto el ĉerizujo (*Prunus avium*, *Prunus cerasus*)[8]



**ĉerko** kesto, en kiu oni metas mortinton[9]



**ĉerpi** (*tr*) preni likvaĵon el iu loko; elpreni, eltiri[8]

**ĉesi**⋆ (*ntr*) ne esti plu, ne agi plu, interrompiĝi[5]

**ĉevalo**⋆ besto kvarpieda uzata kiel tir- kaj rajd-besto (*Equus caballus*)[3]



**ĉi**⋆ vorteto esprimanta proksimecon[1]

**ĉia**⋆ de ĉiu speco, de ĉiu kvalito[1]

**ĉial** pro ĉia kaŭzo[9]

**ĉiam**⋆ en ĉiu tempo[1]

**ĉie**⋆ en ĉiu loko[1]

**ĉiel**⋆ laŭ ĉia maniero[6]

**ĉielo**⋆ spaco super ni, kie estas la steloj[3]

**ĉies** de ĉiu; kiu apartenas al ĉiu[9]

**ĉifi** (*tr*) malorde kunpremi aŭ faldi[9]

**ĉifono** eluzita ŝtofo aŭ vestaĵo[7]

**ĉio**⋆ ĉiuj aferoj; la tuto[1]

**ĉiom** la tuta kvanto[9]

**ĉirkaŭ**⋆ prep. signifanta "en ĉiuj flankoj de"; proksimume[1]

**ĉiu**⋆ sen escepto[1]

**-ĉj-** vortparto esprimanta karecon (por viro) (patro = paĉjo; Petro = Peĉjo)[9]

**ĉokolado** dolĉa manĝaĵo el kakao kaj sukero[7]



**ĉu**⋆ vorteto por enkonduki demandon: ĉu vi komprenas? ĉu li venos?[1]

# D

**d-ro** doktoro[X]

**D.V.D.** lum-disko[Y]

**da**⋆ prep. uzata por mezuro (glaso da vino, 60 paĝoj da teksto)[1]

**daktilo** frukto de daktilujo (*Phoenix*)[9]



**danci**⋆ (*ntr*) movi sin, siajn brakojn kaj gambojn laŭ muzikaĵo[6]

**dando** viro, kies ĉefa zorgo estas vesti laŭ modo[9]

**danĝero**⋆ ebleco de malbono, de malfeliĉo[5]

**danki**⋆ (*x*) (iun aŭ al iu) montri sin feliĉa pri io[3]

**dato** preciza tempo: 2007/09/23[7]

**datumo** informo en formo traktebla per komputilo[Y]

**daŭri** (*ntr*) ade esti, ne ĉesi[7]

**daŭro**⋆ tempo dum kiu io okazas[4]

**de**⋆ prep. esprimanta posedon, devenon, kaŭzon kaj komencan punkton en la tempo aŭ spaco (dentoj de leono; de la patro mi ricevis libron; li paliĝis de timo; de hodiaŭ ĝis morgaŭ)[1]

**debeto** ŝuldo de kliento ĉe komercisto[9]

**decembro**⋆ la lasta monato de la jaro[5]

**deci** (*ntr*) agi laŭ la ĝeneralaj kutimoj, moroj[9]

**decidi**⋆ (*tr*) difini kion fari; fiksi sian opinion aŭ volon[5]

**dediĉi** (*tr*) tute fordoni al; diri, ke oni kreis ion por iu[8]

**defendi**⋆ (*tr*) protekti kontraŭ atako[6]

**deficito** sumo, kiu mankas por ke la enspezoj egalu la elspezojn[8]

**degeli** (*ntr*) malglaciiĝi, malfrostiĝi, fluidiĝi[8]

**deĵori** (*ntr*) plenumi sian servon laŭ difinita tempo[9]

**dek**⋆ 10[1]

**deklami** bele legi poeziaĵon[X]

**deklaracio** publika esprimo de opinio, precipe de iu organizaĵo[X]

**deklari** (*tr*) oficiale, publike aŭ formale sciigi[8]

**deklivo** surfaco ne horizontala, tamen ne vertikala[7]

**dekoracio** ornamaĵo de ĉambro aŭ loko[8]

**dekstra**⋆ flanko (en Esperanto vi legas de la maldekstra al la dekstra flanko)[3]

**delegi** (*tr*) sendi iun kiel reprezentanton[8]

**delikata**⋆ facile rompebla; milde impresanta niajn sentumojn[6]

**deliri** (*ntr*) esti malsana, tiel ke oni diras, vidas aŭ aŭdas malrealajn aferojn[9]

**demandi**⋆ peti informon[2] ⓑ↓




**densa**⋆ tia, ke ĝiaj eroj tre proksimas unu al alia[6]

**dento**⋆ malmolaĵo en nia buŝo[4] ⓑ→



**denunci** (*tr*) sciigi policon pri krimo[9]

**dependi** (*ntr*) esti subigita sub ies volo aŭ povo (de/pend/i)[8]

**deponi** (*tr*) lasi ion ĉe iu por dumtempa gardado; meti monon en bankon laŭ kondiĉoj[9]

**deputi** (*tr*) elekti kaj sendi iun kiel reprezentanton al parlamento[9]

**des** vorteto uzata antaŭ pli aŭ malpli responde al **ju** por montri rilaton (ju pli oni posedas, des pli oni avidas)[7]

**desegni**⋆ (*tr*) fari bildon per krajono[6]
**deserto** postmanĝaĵo, ofte dolĉa[8]
**destini** (*tr*) decidi celon[8]
**detalo** malgranda parto de io[8]
**deteni** (*tr*) teni malproksima; malhelpi, malpermesi (de/ten/i)[9]
**determini** (*tr*) precize difini ion antaŭe ne difinita aŭ ne konata[9]
**detrui** (*tr*) nuligi, malkonstrui[7]
**devi**⋆ (*tr*) ne povi ne fari[2]
**devontigi** (*tr*) ligi iun per promeso, ke tiu nepre faros (dev/ont/ig/i)[9]
**dezerto** regiono, kie preskaŭ ne estas akvo, kreskaĵo aŭ loĝanto[7]



**deziri**⋆ (*tr*) voli havi aŭ fari ion[2]
**diablo** supernatura estaĵo, estro de la malbonaj spiritoj[8]



**dialogo** interparolado[9]
**dianto** herbo kun belaj floroj (*Dianthus*)[9]



**dieto** manĝomaniero difinita de kuracisto[9]
**difekti** (*tr*) malbonigi[7]
**diferenci**⋆ (*ntr*) esti malsama[6]
**difini** (*tr*) precize klarigi, priskribi la signifon de vorto, ideo ktp[7]
**digesti** (*tr*) prilabori manĝaĵon en stomako, por ke ĝi iru al la sango[9]
**dika**⋆ granda laŭ la dimensio diko, granda laŭ volumeno[4] (**b**) pĝ 07
**dikti** (*tr*) diri ion, por ke iu alia skribu ĝin[9]
**diligenta** laborema, efika kaj rapida en sia laboro[7]
**dimanĉo**⋆ la unua tago de la semajno, inter sabato kaj lundo[5]
**dimensio** jen konataj dimensioj: longo, larĝo, alto . . .[9]
**dio**⋆ supernatura estaĵo, estro de la bonaj spiritoj[4]
**direkto**⋆ vojo laŭ rekta linio[4]
**direktoro** estro de laborejo[7]
**diri**⋆ konigi sian penson per vortoj[2]
**dis-**⋆ vortparto esprimanta malkuniĝon al pluraj direktoj (**dis**doni, **dis**tranĉi)[0]
**disko** plata, ronda aĵo[8] (b)▾
**diskreta** konservanta sekreton[X]



**diskuti** (*ntr*) interŝanĝi malsamajn ideojn[7]
**disponi** (*x*) havi ion por laŭvola uzado[9]
**disputi** (*ntr*) malamike diskuti[8]
**distanco** longo inter du punktoj[7]
**distingi** (*tr*) rimarki diferencon inter aferoj[8]
**distri** (*tr*) amuzi; deturni la atenton[7]
**distribui** (*tr*) disdoni, disporti[8]
**diveni** (*tr*) malkovri hazarde[7]
**diversa**⋆ malsamspeca (mal/sam/spec/a)[4]
**dividi** (*tr*) disigi, partigi; $(8/2 = 4)$[7]
**do**⋆ vorteto esprimanta konkludon (mi bone manĝis, do mi satas)[1]
**dogano** imposto kiam varo eniras ŝtaton[9]
**doktoro**⋆ la plej alta titolo en universitato[6]

**dokumento** atesto, kiun registaro postulas (stir-atesto, identig-atesto ktp)[9]
**dolĉa**⋆ kun gusto kiel sukero[3]
**doloro**⋆ tre malagrabla korpa sento[4]

**domaĝi** (*tr*) deziri ŝpari, ne elspezi, ne difekti ion[7]
**domaĝo** perdo aŭ difekto, kiun oni ne volus suferi[7]
**domo**⋆ loĝejo[3] ⓑ→

**donaco**⋆ io senpage donita por plezuro[5]
**doni**⋆ (*tr*) havigi al iu[2]
**dorloti** (*tr*) (iun) fari ĉion, kion tiu petas aŭ volas[9]
**dormi**⋆ (*ntr*) kuŝi senage[3]
(**v**) sonĝi, lito
**dorno** pikilo de kreskaĵo aŭ alia aĵo[9] ⓑ→

**dorso**⋆ malantaŭa parto de la homa korpo, aŭ supra parto de la besta korpo[5]

**doto** havaĵo por geedziĝo[9]
**dramo** teatraĵo; tre emociiga okazaĵo[8]
**drapo** teksaĵo el lano[8]
**drato** metala fadeno[7] ⓑ→

**dresi** (*tr*) instrui beston[9]
**drinki** tro multe trinki alkoholaĵon[X]
**drogo** dependiga stimula aŭ malstimula substanco (alkoholo estas drogo)[X]
**droni** (*ntr*) nevole subakviĝi[7]
**du**⋆ 2[1]
**dubi**⋆ (*x*) ne esti certa pri io; ne scii, ĉu io estas vera aŭ ne[4]
**dum**⋆ prep. por diri "en la sama tempo" (dum la parolado li dormis); por indiki daŭron (ŝi dormis dum ok horoj)[1]
**dungi** (*tr*) kontrakti kun laboristo[8]

**duŝo** ŝprucigo de akvo sur korpon[8] ⓑ→


# E

**-e**⋆ finaĵo por adverboj (amik**e**, rapid**e**, varm**e**)[0]
**ebena**⋆ kun ĉiuj punktoj en sama nivelo, sen altaĵoj aŭ malaltaĵoj[6]
**-ebl-**⋆ vortparto esprimanta, ke io povas esti farata (manĝ**ebl**a = oni povas manĝi tiun; vid**ebl**a = oni povas vidi tiun)[0]
**ebria** konfuzita de alkoholo[8]
**-ec-**⋆ vortparto esprimanta kvaliton aŭ staton (sol**ec**o, mol**ec**o)[0]
**eĉ**⋆ vorteto por diri: "ne nur io, sed krom tio" (mi konkuris kaj eĉ venkis), "surprize ankaŭ" (eĉ sur la suno troviĝas makuloj)[1]
**eduki**⋆ (*tr*) instrui por la vivo[6]
**edzo**⋆ viro laŭleĝe ligita al virino[3]
**efektiva**⋆ kiu reale ekzistas, ne nur ŝajna[5]
**efekto** forta impreso[9]
**efiki**⋆ (*ntr*) havi realan rezulton[5]
**-eg-**⋆ vortparto esprimanta tre altan gradon de grandeco aŭ forteco (granda domo = dom**eg**o; forte pluvi = pluv**eg**i)[0]
**egala**⋆ tute sama[5]

**egoisto** persono kiu ame zorgas nur pri si mem (ego/ist/o)[9]

**eĥo** ripetiĝo de sono pro reflekto[9]



**-ej-**⋆ vortparto esprimanta lokon (loko por dormi = dorm**ej**o; loko por loĝi = loĝ**ej**o)[0]

**ek-**⋆ vortparto esprimanta subitan komencon (**ek**ridi, **ek**vidi ...)[0]

**ekipi** (*tr*) havigi al iu/io ĉiujn necesajn ilojn[9]

**eklezio** religia organizaĵo[9]

**ekonomio** scienco pri produktado kaj disdividado de la riĉaĵoj[8]

**ekrano** ebena surfaco uzata por vidigi bildojn[9]



**eks**- vortparto esprimanta, ke oni forlasis profesion, staton (**eks**prezidanto, **eks**oficisto)[9]

**eksciti** (*tr*) kaŭzi agon jen laŭ morala jen laŭ fizika vidpunkto[7]

**ekskursi** (*ntr*) fari longan plezuran aŭ esploran promenadon aŭ vojaĝon[7]

**ekspedi** (*tr*) sendi al difinita adreso[9]

**eksperimento** metoda provo por kontroli aŭ pruvi ion[8]

**eksplodi** (*ntr*) subite, forte diskrevi[8]

**ekspluati** (*tr*) uzadi ion, kaj valorigi ĝin por sia profito; tro profiti el ies laboro, kun maljusta pago[9]

**eksporti** (*tr*) vendi varojn al alia lando por revendado[9]

**ekspozicio** publika prezentado de diversaj produktoj de industrio aŭ de arto[9]

**ekster**⋆ prep. esprimanta malinternon (mi staras ekster la domo)[1]

**ekstermi** (*tr*) neniigi, plene pereigi[X]

**ekstrema** en la fino, en la plej malproksima; ĉe la plej alta grado [8]

**ekvatoro** imagita linio, kiu disdividas la teron en nordo kaj sudo[9] (**b**) pĝ 97

**ekvilibro** stato, kiam io estas senmova malgraŭ fortoj, ĉar la fortoj nuligas unu la alian[8]

**ekz.** ekzemple; ekzemplero(j)[X]

**ekzakta** science ĝusta[9]

**ekzameni** (*tr*) detale esplori; provi per demandoj la sciojn de kandidato[7]

**ekzekuti** (*tr*) leĝe mortigi krimulon[9]

**ekzemplero** unu el pluraj aŭ multaj samaj (ekzemplero de libro, revuo, disko ...)[X]

**ekzemplo**⋆ io, kion oni imitu; praktiko[4]

**ekzerci** (*tr*) lertigi per praktiko[7]

**ekzisti**⋆ (*ntr*) esti en nuntempo kaj realo[5]

**el**⋆ prep. esprimanta: movon eksteren (veni el nordo); antaŭan staton (veki el dormo); kaŭzon de sento aŭ ideo; devenon (doni al iu el sia pano); materialon (plekti kronon el floroj)[1]

**elasta** kun kapablo ŝanĝi sian formon per prema aŭ tira forto,

tamen reveni al sia normala formo kiam la forto ĉesas[9]

**eldoni** (*tr*) publikigi kaj vendigi ian ajn verkon (el/don/i)[9]

**elefanto** la plej granda surtera mamulo vivanta en Afriko (*Loxodonta*) kaj Azio (*Elephas*)[8]



**eleganta** bonguste vestita[8]

**elekti**⋆ (*tr*) preni unu el du aŭ el multaj[4]

**elektro** formo de energio, kies vojoj estas dratoj[7]

**elektroniko** branĉo de fiziko, kiu studas cirkviton; teĥniko pri kreado de cirkvito[9]

**elemento** baza parto aŭ substanco de tutaĵo[9]

**elturniĝi** (*ntr*) eliri el malfacila situacio per sia lerto (el/turn/iĝ/i)[8]

-**em**-⋆ vortparto esprimanta inklinon (labor**em**a, manĝ**em**a)[0]

**emajlo** malmola vitrosimila kovraĵo (natura kovraĵo de dento, ornama kovraĵo de ungo, protekta kovraĵo de poto ktp)[9]

**embaraso** malfacila situacio; ĝeno al la movoj[7]

**emerito** (ofte maljuna) laboristo, kiu ne plu laboras kaj ricevas pension[9]

**eminenta** supera pro sia rango, merito aŭ scio[8]

**emocio** kortuŝo[8]

**en**⋆ prep. por diri "interne de" pri loko, tempo kaj situacio (ŝi estas en la lernejo)[1]

-**end**-⋆ vortparto esprimanta, ke tion oni devas fari (leg**end**a, diskut**end**a)[0]

**energio** fonto de forto[7]

**enigmo** malklara afero; malfacila proponata demando por diveno[8]

**enketi** (*x*) esplori opinion, okazaĵon per demando al iu[9]

**entrepreni** (*tr*) komenci gravan taskon; gvidi komercejon aŭ industrion[8]

**entuziasmo** arda deziro kaj emo ion fari[X]

**enui** (*ntr*) malplezuri pro seninteresо aŭ manko de okupo[7]

**envii** (*x*) deziri havi tion, kion alia posedas[8]

**epidemio** malsano samtempe atakanta multajn personojn en unu loko[9]

**epoko** grava momento en la historio[7]

-**er**-⋆ vortparto por indiki "peco de" (sabl**er**o, neĝ**er**o)[0]

**erari**⋆ (*ntr*) malbone fari, malĝuste fari; malĝuste opinii (vi eraris, +2-7 estas -5)[4]

**escepti** (*tr*) intence preterlasi; apartigi kaj ne konsideri[8]

**esenco** tio, kio konsistigas la propran naturon de io[8]

**eskapi** (*x*) sukcese eviti per forkuro[9]

**Esperantisto** tiu, kiu parolas Esperanton[8]

**Esperanto** lingvo proponata kiel internacia, per kiu ĉi libro estas skribita[8]

**esperi**⋆ (*x*) kredi, ke tio, kion oni deziras, realiĝos[4]

**esplori** (*tr*) atente rigardi por ekkoni ion nekonatan aŭ kaŝitan[7]

**esprimi** (*tr*) montri ion de si mem per vortoj, gestoj aŭ iu ajn rimedo[7]

**establi** (*tr*) fondi kaj aranĝi organizaĵon[9]

**esti**⋆ (*ntr*) ekzisti, troviĝi, stati[2]

**estigi** (*tr*) fari, ke io estu, kaŭzi, formi, produkti (est/ig/i)[9]

**estimi**⋆ (*tr*) alte taksi ies moralan aŭ spiritan valoron[5]

**estingi**⋆ (*tr*) ĉesigi bruladon; ĉesigi lumadon[6]

**estro**⋆ homo kiu gvidas, regas (ur**bestro**, ŝip**estro**)[0]

-**et**-⋆ vortparto esprimanta tre malaltan gradon de grandeco aŭ forteco (dom**et**o, urb**et**o) [0]

**etaĝo** samnivela parto de domo[7]

**etapo** vojo inter du haltoj[9]

**etato** tabelo de la nomoj kaj salajroj de oficistoj[9]

**etendi** (*tr*) malvolvi, plilongigi al iu direkto[7]

**eterna** havanta nek komenciĝon nek finiĝon; havanta neniun finon[7]

**etikedo** karteto[X] (**b**) prezo

**etiketo** regularo de bona konduto[X]

**etoso** komuna sento, pro estado en iu grupo aŭ pro la ĉirkaŭaĵo[X]

**Eŭropo** mondoparto norde de Afriko[9] (**b**) pĝ 98

**evento** sufiĉe grava okazaĵo[9]

**evidenta** tiel klara kaj senduba ke ĝi ne bezonas pruvon[7]

**eviti**⋆ (*tr*) peni ne renkonti iun; peni ne esti trafita de io[6]

**evolui** (*ntr*) iom post iom disvolviĝi, kreski[7]

**ezoko** manĝebla riverfiŝo (*Esox*)[8]



# F

**fabelo** fantazia rakonto ofte kun herooj[9]



**fabo** semo manĝata kiel legomo (*Vicia faba*)[9]

**fabriko** ejo, kie oni pogrande produktas komercaĵon[8]



**facila**⋆ senpene, simple farebla[2]

**faco** ebena flanko de aĵo (kubo havas ses facojn) [9]



**fadeno**⋆ longa kaj maldika aĵo, ĝenerale uzata por fari teksaĵojn[6]

**fago** arbo kun triangulaj nuksoj (*Fagus*)[9]



**fajenco** tero, per kiu oni faras potojn; tiaj potoj[9]

**fajfi** (*x*) blovi tra lipoj, beko aŭ speciala ilo por fari akrajn sonojn[7]

**fajro**⋆ fenomeno, kiu produktas lumon kaj varmon[4]



**fako**⋆ aparta branĉo de scienco, arto, komerco ktp[6]

**fakto**⋆ tio, kio efektive okazis aŭ okazas[6]
**falĉi** (*tr*) detranĉi herbon kaj grenon per kurba tranĉilo kun longa tenilo (falĉilo)[9]
**faldi** (*tr*) duoble aŭ pluroble fleksi tukon, paperon kaj ĝenerale ion ajn maldikan[7]
**fali**⋆ (*ntr*) malleviĝi, iri de supre malsupren pro la propra pezo[3]
**falsa**⋆ malvera, falsita[6]
**falsi**⋆ (*tr*) trompe ŝanĝi; trompe imiti la ŝajnon de io[6]
**fama**⋆ tre konata[6]
**familiara** kvazaŭ el la familio mem; intima[9]
**familio**⋆ aro formata de la patro, patrino kaj infanoj[3]

**fandi** (*tr*) likvigi per varmo[7]
**fanfaroni** (*x*) fieri pri io, kion oni ne mem faris; tro laŭdi sin[8]
**fantazio** krea imagpovo[9]
**farbo** likvaĵo por kolorigi[8] ⓑ→

**fari**⋆ (*tr*) estigi; okazigi; doni ian econ; agi[2]
**farmi** (*tr*) lue preni teron aŭ bienon por ĝin kulturi[7]
**farti** (*ntr*) esti en bona aŭ malbona stato, rilate al la sano[7]
**faruno** muelita greno aŭ radiko[7]
**fasado** fronto de konstruaĵo, kie estas la ĉefa enirejo[9]
**fasko** aro de longaj kaj maldikaj aĵoj, kiam kunligitaj[7]

**fasono** maniero fari veston[9]
**fasti** (*ntr*) dum longa tempo vole ne manĝi[9]
**faŭko** buŝkavo de sovaĝa besto; iu ajn timiga malfermaĵo[8]
**favora** helpanta; prezentanta bonajn kondiĉojn[7]
**fazeolo** semo manĝata kiel legomo (*Phaseolus*)[9]

**febro** altiĝo de la korpa temperaturo de homo[8]


**februaro**⋆ dua monato de la jaro[5]
**feĉo** iu ajn substanco, kiu foje aperas en fundo de botelo kun likvaĵo; la plej malbona parto de io[9]
**federacio** unuiĝo de ŝtatoj aŭ societoj[9]
**fekaĵo** restaĵo de digestitaj nutraĵoj, eligita tra la anuso[X]
**feki** (*ntr*) eligi fekaĵon[X]
**feliĉa**⋆ ĝoje kontenta[2]
**felo** kruda besta haŭto kun haroj[8]
**felto** ŝtofo ne teksita[9]
**femuro** parto de gambo, de genuo ĝis kokso[X]
**fendi** (*tr*) fari fendon[8]
**fendo** mallarĝa kaj longa truo (tio aperas en muroj de malnovaj domoj)[8]
**fenestro**⋆ aperturo en muro de domo por eniro de lumo kaj aero[3]

**fenomeno** natura okazaĵo; eksterordinara afero[9]

**feo** fabela estaĵo havanta supernaturajn povojn[9]

**ferio** libera tago, kiam laboro ne estas devigata[7]

**fermi**⋆ (*tr*) malebligi eniron aŭ eliron; ĉesigi[3]

**fero**⋆ malmola metalo (*Fe*)[4]

**fervora** pasie diligenta[8]

**festeni** (*ntr*) feste manĝi[8]

**festi**⋆ (*x*) fari agrablajn aferojn pro io[4]

**fi-** vortparto esprimanta malestimon kaj abomenon[9]

**fi** ekkrio esprimanta malestimon (fi, kiel abomene!)[9]

**fianĉo** viro, kiu edziĝos baldaŭ[7]

**fibro** fadenforma parto de besta karno aŭ de kreskaĵo[X]

**fidela**⋆ kiu ne perfidas; ĉiam agas kiel amiko[6]

**fidi** (*x*) plenkredi je la kapablo, servo aŭ helpo de iu; plenkredi je la efiko de io[7]

**fiera**⋆ tre kontenta pri si kaj pri siaj faroj[6]

**figo** dolĉa mola frukto de figujo (*Ficus*)[9]



**figuro** videbla ekstera formo de estaĵo aŭ objekto[7]

**fikcio** kreaĵo de la fantazio[9]

**fiksa**⋆ nemovebla, senŝanĝa[5]

**fiksi**⋆ (*tr*) firme senmovigi per ligo, gluo, najlo aŭ io simila[5]

**filmo** rakonto rakontita per bildoj, kiujn oni vidas en ekrano, kies serio ŝajnigas movon de la personoj kaj aĵoj en la rakonto[7]



**filo**⋆ virseksa ido[3]

**filozofo** sciencisto pri la estado[X]

**financo** monaj rimedoj[8]

**fingro**⋆ movebla elstara parto de mano aŭ piedo[3]



**fini**⋆ (*tr*) ĉesi fari; komplete fari[2]

**firma**⋆ sekure fiksita; malfacile ŝanĝebla[6]

**fiŝo**⋆ besto, kiu vivas en akvo[4] (b)→



**fiziko** scienco pri movo, forto, elektro, varmo, lumo ktp[8]

**flago**⋆ kolorita tuko (ĉiu lando havas sian flagon)[6]



**flagri** (*ntr*) nekonstante treme brili[9]

**flamo** hela brilo de gaso en brulo[7]

**flanko**⋆ dekstra aŭ maldekstra parto de iu[2]

**flari** (*tr*) senti odorojn per la nazo[8]

**flati** (*x*) provi plaĉi al iu per troaj laŭdoj[9]

**flava**⋆ kun koloro simila al tiu de oro[5] (**b**) pĝ 100

**flegi**⋆ (*tr*) prizorgi malsanulon; prizorgi ion[6]

**fleksi** (*tr*) kurbigi[8]

**fliki** (*tr*) ripari truon per speciala surmeto de io (fliki veston: kudri pecon de tuko sur truo)[9]

**flirti** (*ntr*) flugeti; moviĝi tien kaj reen en la aero; amindumi[8]

**floro**⋆ kolora parto de kreskaĵo[4] (**v**) printempo



**floso** kunligitaj arbaj trunkoj sur rivero, uzata kiel veturilo[7]

**flugi**⋆ (*ntr*) sin movi en la aero (birdo flugas, aviadilo flugas)[3]

**flui**⋆ (*ntr*) moviĝi (verbo por likvaĵoj kaj gasoj)[5]

**fluido** fluaĵo (likvaĵoj aŭ gasoj)[9]

**flustri** (*tr*) mallaŭte paroli (por ke ne ĉiuj aŭdu)[9]

**foiro** granda komerca kunveno[8]

**fojno** sekigita herbo[7]

**fojo**⋆ ĉiu el la okazoj, kiam io fariĝas[2]



**foko** mara mambesto (*Phoca*)[X] (b)→



**folio**⋆ verda parto de kreskaĵo, per kiu ĝi kaptas sunan lumon[5]

**fondi** (*tr*) krei, starigi organizaĵon[8]

**fonografo** malnova aparato por registri kaj aŭdigi sonojn[8]



**fontano** ornamaĵo, el kie akvo ŝprucas[9] (b)→

**fonto**⋆ origino, deveno; loko, kie akvo eliras el la tero[5]

**for**⋆ vorteto esprimanta malaperon, malproksimecon, neniiĝon (**for**pasi, iru **for**!)[1]

**foresti** (*ntr*) esti malproksima, ne ĉeesti (for/est/i)[9]

**forgesi**⋆ (*x*) ne plu memori pri; ne atenti pri[4]

**forĝi** (*tr*) prilabori metalon per fajro kaj martelo; pene formi[7]



**forko**⋆ manĝilo kun pikiloj[6] (b)→



**formiko** insekto, kiu vivas sub la tero (*Formica*)[9]

**formo**⋆ ekstera aspekto[2]

**formulo** speciala skribformo en scienco ($O_2$, e = m $c^2$)[9]



**forno**⋆ fajrujo en domo, per kiu oni kuiras, bakas aŭ hejtas[6]

**forta**⋆ kapabla produkti grandajn efikojn materiajn aŭ moralajn[2] (**b**) pĝ 07

**fortika** malfacile rompebla, difektebla, venkebla[7]

**fosi**⋆ (*tr*) fari kavaĵon en la grundo per demeto de tero[6]



**foso**⋆ kavaĵo en la grundo[6]



**fosto** alta, granda peco de ligno aŭ alia materialo, vertikale starigita por subteni ion[8]



**fotelo** komforta seĝo kun apogilo por la brakoj (brakseĝo)[9]

**foti** fotografi[X]

**foto** fotografaĵo[X]

**fotografi** (*tr*) fari bildon per la lumo[7]



**frago** ruĝa, bongusta frukto de fragujo, ofte uzata en deserto (*Fragaria*)[8]

**frakasi** (*tr*) perforte disrompi[8]



**frako** vira vesto kun du mallarĝaj postaj baskoj[9] (b)→



**frambo** ruĝa manĝebla frukto de frambujo (*Rubus idaeus*)[8]

**frandi** manĝi por plezuro, ne pro malsato[7]

**frapi**⋆ (*tr*) tuŝegi per mano aŭ per io alia[4]

**frato**⋆ vira ido de samaj gepatroj, rilate al alia ido[3]

**fraŭlo**⋆ viro, kiu ankoraŭ ne edziĝis[3]

**frazo** kunaĵo de vortoj prezentanta kompletan sencon[9]

**fremda**⋆ de alia loko; nekonata[4]

**freneza** mense malsana[7]

**freŝa**⋆ ne malnova, ĵusa[5]

**fripono** malhonesta ulo; trompisto[9]

**friti** (*tr*) kuiri en varmega oleo[8]

**frizi** (*tr*) beligi la hararon per kombado, tondado ktp[8]

**fromaĝo**⋆ manĝaĵo el lakto, iuj estas molaj aliaj malmolaj[6]



**fronto** antaŭa parto de io[9]

**frosto** forta malvarmo[7]

**froti** (*tr*) tien kaj reen premŝovi ion sur io (ŝi frotas la manojn pro la frosto)[7]

**frua**⋆ okazanta antaŭ la normala tempo[3]

**frukto**⋆ manĝebla parto de kreskaĵo, kiu enhavas semojn[3] (**b**) banano, oranĝo, frago

**frunto**⋆ superokula parto de la vizaĝo[6]

**fuĝi** ($x$) forkuri por sin savi de danĝero[9]

**fulgo** nigraĵo el fumo de fajro, ekzemple en fumtubo[8]

**fulmo** elektra malŝargo inter nuboj aŭ inter nuboj kaj tero[7]

**fumi**⋆ (*ntr*) ellasi fumon; (*tr*) ĝui tabakon (fumi cigaredon)[6]



**fumo**⋆ kvazaŭ nebulo el brulanta aĵo[6]

**fundamento** bazo de konstruaĵo; bazo[8]

**fundo**⋆ fina parto de io, plej malproksima de la rigardanto[5]

**funebro** malĝoja sento pro ies morto[8]

**funelo** ilo por faciligi verŝadon de likvaĵo en botelon[9] b→



**fungo** estaĵo, kiu kreskas en putraĵo (*Fungi*)[9]

**funkcio** (de iu) aparta fako, ofico; (de io) aparta servo[8]

**funto** mezuro por maso ĉe iuj landoj, ĉirkaŭ 453,6 g en Usono[8]

**furaĝo** ĉiu rikoltita herbo por nutro de brutoj[9]

**furioza** senbride kolera[9]

**furzi** (*ntr*) lasi eliri intestajn gasojn el la anuso, kutime kun malagrabla odoro[X]

**fuŝi** (*tr*) malbone fari ion; difekti[9]

**futbalo** fama ludo kun 22 uloj en du grupoj de 11 uloj, en kiu ili devas pied-bati unu pilkon[Y]

# G

**gaja**⋆ (iu) bonhumora stato; (io) kun povo igi iun gaja[4]

**gajni**⋆ (*tr*) akiri aŭ ricevi ion bonan[4]

**galo** amara likvaĵo el hepato[9]

**galoŝo** piedvesto, kiu protektas ŝuojn de malseko[9]



**gambo** tuto de la suba membro de homo[Y] ⓑ→



**ganto** vestaĵo por la mano[8]



**garaĝo** konstruaĵo por aŭtoj, kie oni ŝirmas aŭ riparas ilin[8]

**garantii** (*x*) certigi, ke io okazos sub risko de puno aŭ pago, se tio finfine ne okazos; preni respondecon[8]

**garbo** fasko da falĉita greno[9]

**gardi**⋆ (*tr*) atenti, zorgi por eviti danĝeron[5]

**garni** (*tr*) aldoni ion por ŝirmi (garni muron per pikilo), kompletigi celon (garni fenestron per vitraĵo) aŭ ornami[9]

**gaso**⋆ ne solida, ne likva, kiel aero[6]

**gasto**⋆ vizitanto, kiu senpage restas dum iuj tagoj en hejmo de alia[6]

**gazeto**⋆ perioda presaĵo kun novaĵo[4]

**ge-**⋆ vortparto esprimanta kuneston de ambaŭ seksoj (**ge**patroj, **ge**filoj)[0]

**gelateno** solida sed mola substanco, uzata en kuirejo[9]

**generacio** tuto de preskaŭ samaĝaj homoj[9]

**generalo** la plej alta rango de militistoj[9]

**genio** tre ege inteligenta ulo[8]

**gento** popolo samdevena; popolo havanta difinitajn historiajn kaj kulturajn tradiciojn[9]



**genuo**⋆ antaŭa parto de artiko en kruro[5] ⓑ→

**geografio** scienco, kiu studas la aspekton de la diversaj regionoj de la tero[9]

**ges-roj** gesinjoroj[X]

**gesti** (*ntr*) fari movojn per la korpo por esprimi ion, ĉefe per la manoj[8]

**giĉeto** loko por vendo de biletoj[X]

**giganto** grandegulo[X]

**girlando** ornamaĵo el floroj kaj folioj en formo de cirklo[9]

**glacio**⋆ akvo solidigita per malvarmo[5]

**gladi** (*tr*) glatigi per varmega ilo (vestojn ktp)[8]



**glaso**⋆ trinkujo, ĝenerale vitra[4] (**b**) oranĝo

**glata** tre ebena; facile okazanta[7]

**glavo** armilo, kiu konsistas je longa klingo kaj tenilo[9]



**gliti**⋆ (*ntr*) facile surŝoviĝi sur glata aŭ grasa supraĵo; perdi la starecon pro la grundo (eble ĉar estas akvo sur ĝi)[6]

**globo** aĵo kun formo simila al formo de nia planedo Tero[7] (b)▾

**gloro** famobrilo; ega admiro (sen laboro nenia gloro)[8]



**gluo** sekiĝema likvaĵo uzata por firme ligi du aĵojn[7]



**gluti** (*tr*) meti ion tra la gorĝo[8]

**gobio** malgranda riverfiŝo (*Gobio*)[9]



**golfo** parto de maro[8] (**b**) pĝ 97

**gorĝo** truo ene de la kolo[7]

**gracia** kun bela formo; plaĉa pro movoj[7]

**grado** ĉiu el la egalaj dividoj de skalo; mezuro de kvalito, forto[7]

**grajno** ĉiu frukto de greno (en spiko)[8]

**gramatiko** reguloj de iu lingvo[9]

**gramo** mezur-unuo de maso (1 pomo estas ĉirkaŭ 100g)[9]

**granda**⋆ superanta la ordinarajn dimensiojn[2] (**b**) pĝ 07

**grandioza** admire granda[9]

**graso**⋆ substanco en la korpo de bestoj, ĉefe en la dikaj; simila substanco el aliaj devenoj[6]

**grati** (*tr*) froti malforte kaj supraĵe per akra aĵo (grati per ungoj la haŭton)[9]

**gratuli** (*tr*) bondeziri pro iu okazaĵo[8]

**grava**⋆ kun granda influo; kun grandaj sekvoj[2]

**graveda** portanta idon en sia ventro[9] (b)▸



**grego** brutaro[9]

**greno**⋆ herbo, kies semoj estas muelitaj por fari farunon (aveno, maizo, tritiko, rizo ktp)[5]

**grimaci** (*ntr*) fari strangajn movojn per la vizaĝaj muskoloj[9]

**grimpi** (*ntr*) per piedoj kaj manoj supreniri muron, arbon aŭ ion similan[7]

**grinci** (*ntr*) akre brui pro frotado de malmolaj aĵoj[9]

**gripo** malsano, kiam venas kapdoloro, lacego, febro kaj kataro[9]

**griza**⋆ kun koloro de cindro (inter blanka kaj nigra)[5] (**b**) pĝ 100

**groto** truego, stranga kaverno[9]

**grumbli** (*ntr*) elbuŝigi malklarajn vortojn pro malkontento[9]

**grundo** tero laŭ kvalito por kulturo, laŭ firmeco por konstruo aŭ alia uzado[7]

**gruo** migra birdo kun longaj, maldikaj kruroj kaj kolo (*Grus*)[9]



**grupo**⋆ aro de samaj aĵoj[5]

**gudro** nigra glua substanco el karbo[9]

**gumo** glua suko el iaj arboj[9]

**gusto** eco de aĵoj, kiun oni sentas per lango[7]

**gustumi** (*tr*) esplori guston; ĝui guston (gust/um/i)[9]

**guto**⋆ globeto el likvaĵo; akvero[6]



**gvardio** gardistaro[9]

**gvidi**⋆ (*tr*) montri la vojon ĝustan; sciigi[6]

# Ĝ

**ĝardeno**⋆ loko, ĝenerale apud domo, kun utilaj aŭ ornamaj kreskaĵoj[4]

**ĝemelo** iu ajn el du, aŭ pli ol du, idoj naskitaj samtempe el sama ventro[9]



**ĝemi** (*ntr*) aŭdigi neparolajn voĉsonojn pro doloro[7]

**ĝendarmo** polica soldato[9]

**ĝenerala**⋆ neaparta[6]

**ĝeni**⋆ (*x*) maloportuni al iu[6]

**ĝentila**⋆ afabla[6]

**ĝermo** io tute ne simila al besto aŭ kreskaĵo, kio fariĝos besto aŭ kreskaĵo[9]

**ĝi**⋆ vorteto por montri ideon, beston, kreskaĵon ... (por montri homon, kiam oni ne konas la sekson) (mi havas hundon, ĝi estas amika)[1]

**ĝibo** dorsa elstaraĵo de iuj bestoj; dorsa elstaraĵo de homo pro malsano[9]



**ĝirafo** altega besto kun longaj kruroj kaj kolo (*Giraffa*)[X]



**ĝis**⋆ prep. esprimanta atingon, kiam ne estas transpaso aŭ preterpaso (*tempo*: mi laboros ĝis la dua horo; *spaco*: ni promenos ĝis la rivero; *mezuro*: 2$ por manĝo ĝis 500 gramoj; *okazaĵo*: mi dormis ĝis la tondro)[1]

**ĝoji**⋆ (*ntr*) senti vivan plezuron en la animo[2]

**ĝui** (*tr*) senti egan plezuron pro la posedo de io[7]

**ĝusta**⋆ tute ĉe la vero, regulo aŭ celo[4]

# H

**ha!**⋆ vorteto esprimanta surprizon, doloron aŭ, ĝenerale, ian emocion[1]

**hajlo** pluvo de glaciiĝintaj gutoj[8]



**haki** (*tr*) frapi por tranĉe dispartigi per akra ilo[7]



**halo** malfermita granda ejo kun tegmento; ĉambrego[9]

**halti**⋆ (*ntr*) ĉesi agi, iri, moviĝi ktp[3]

**hangaro** konstruaĵo por aviadiloj, kie ili estas ŝirmitaj[9]

**haringo** marfiŝo vivanta en norda Atlantiko kaj amase kaptata (*Clupea harengus*)[9]



**harmonio** agrablaj samtempaj sonoj; interakordo inter pluraj homoj[9]

**haro**⋆ kvazaŭ fadeno sur la haŭto de mamuloj, ĉefe en la kapo[3]



**haŭto**⋆ kovraĵo de homa aŭ besta korpo[6]

**haveno** loko en bordo de rivero aŭ maro, kie ŝipoj povas sekure halti[7]

**flug-haveno** loko, kie la aviadiloj haltas kaj el kie ili flugas[X]

**havi**⋆ (*tr*) porti; posedi; esti en interrilato[2]

**havigi** (*tr*) doni; liveri (hav/ig/i)[9]

**hazardo** okazanta sen plano, intenco aŭ volo[9]

**he!** ekkrio por alvoki atenton[8]

**heĝo** barilo konsistanta el vivantaj arbetoj[9]

**hejmo**⋆ familia domo[3]

**hejti**⋆ (*tr*) varmigi ĉambron aŭ loĝejon per hejtilo[6]

**hektaro** mezur-unuo por surfaco egala al 10.000 $m^2$[9]

**hela**⋆ tre luma; kun koloro pli proksima de blanko ol de nigro[4]

**heliko** parenco de limako, kun spirala ŝelo[X]



**helikoptero** flugaparato pli movokapabla ol aviadilo[9]



**helpi**⋆ (*x*) faciligi ies agadon; esti utila por[2]

**hepato** granda organo, kiu suferas kiam oni ade tro trinkas alkoholon[9]

**herbo**⋆ kreskaĵo kun maldika trunko neligna[5]



**heredi** (*tr*) laŭleĝe ricevi ion de iu, kiu mortis[8]

**heroldo** antaŭanoncanto[9]

**heroo** ĉefa rolulo en historio[8]

**heziti** (*ntr*) pro dubo ŝanceliĝi, halti; ne scii certe, ĉu fari ion, aŭ ne[7]

**hieraŭ**⋆ en la ĵus antaŭa tago, unu tagon antaŭ la nuna[1]

**higieno** scienco pri la rimedoj por konservi la sanon[9]

**himno** kantaĵo kaj ĉefe ties teksto por honori ion[9]

**hirundo** birdo kun longaj flugiloj (*Hirundo*)[7]



**historio**⋆ tuto aŭ parto de la okazaĵoj, kiujn travivis la homaro tra la tempo; scienco, kiu studas tion[4]

**ho!**⋆ ekkrio esprimanta surprizon, indignon, doloron[1]

**hodiaŭ**⋆ en la nuna tago[1]

**hoko** kroĉilo, kaptilo[8] ⓑ

**homo**⋆ la sola animalo rezonkapabla (*Homo sapiens*)[2]



**honesta**⋆ verema, kiu ne trompas[6]

**honoro**⋆ granda respekto kaj estimo[6]

**honti**⋆ (*x*) senti sin malagrabla pro farado de malbonaĵo[6]

**hordeo** greno uzata por nutri bestojn aŭ por fari bieron (*Hordeum*)[9]



**horizontalo** direkto de ebenaĵo, kie libera pilko ne kuras[9]

**horizonto** linio, kie finiĝas nia vidkapablo, kaj kie la tero ŝajnas kuniĝi kun la ĉielo[9]

**horloĝo**⋆ aparato por mezuri la tempon kaj montri la horojn[5]



**horo**⋆ mezur-unuo por tempo (1 tago estas 24 horoj)[3]
**hospitalo** kuracejo (kruco indikas hospitalon, vidu sube la bildon)[8] ⓑ▾



**hotelo** domo, kie la vojaĝantoj povas loĝi kontraŭ pago[7] ⓑ▴
**hufo** ungego de diversaj mamuloj, kiu formas piedbazon[8]



**humana** propra de homoj; posedanta la noblajn kvalitojn de la homo[9]
**humida** iom malseka[8]
**humila** malfiera; montranta malfierecon[7]
**humoro** animstato[7]
**hundo**⋆ dombesto, kun diversaj aspektoj, uzata por gardado kaj ĉasado[4]



# Ĥ

**ĥemio** scienco pri la konsisto de la aĵoj kaj la fenomenoj ĉe kiuj ŝanĝiĝas ilia interna strukturo[8]
**ĥoro** grupo da homoj, unusone aŭ plurvoĉe kantantaj[9]

# I

**-i**⋆ finaĵo por verbo[0]
**i.a.** inter aliaj; interalie[X]
**ia**⋆ kun nedifinita aŭ nekonata kvalito/speco[1]
**iafoje** de tempo al tempo, en iuj okazoj (ia/foj/e)[9]
**ial**⋆ pro ia kaŭzo[6]
**iam**⋆ en ia tute ne difinita tempo[1]
**-id-**⋆ vortparto por indiki ĝeneralan ideon de naskiteco; por indiki ĵus naskiton (ĉeval**id**o)[0]
**ido** iu ajn besto aŭ homo, kiu ĵus naskiĝis[X]
**idealo** la plej alta perfekteco neatingebla; nobla celo[8]
**identa** tute sama[8]
**ideo**⋆ penso[4]
**ie**⋆ en iu loko[1]
**iel**⋆ laŭ ia maniero[6]
**ies**⋆ de iu[6]
**-ig-**⋆ [0] (**v**idu la 12an paĝon)
**ignori** (*tr*) ne voli scii; intence ne atenti[9]
**-iĝ-**⋆ [0] (**v**idu la 12an paĝon)
**ikso** la litero x, X[X]
**-il-**⋆ vortparto por indiki instrumenton, aparaton aŭ rimedon (hak**il**o, kurac**il**o)[0]
**ili**⋆ persona pronomo de la 3a persono en plurnombro, por ĉiuj genroj: por tiuj (aliaj ol mi aŭ vi), pri kiuj temas la parolo[1]
**ilustri** (*tr*) ornami tekston per bildoj aŭ desegnaĵoj rilataj al ĝi[8]

**iluzio** eraro, pro kio oni rigardas ion malrealan kiel realan[X]

**imagi**⋆ (*tr*) kvazaŭ vidi, sed per pensoj[6]

**imiti**⋆ (*tr*) agi same, kiel alia persono; fari objekton tute similan al alia objekto[6]

**imperio** granda plurnacia regno[8]

**impeti** (*ntr*) forte kaj vive sin ĵeti antaŭen[9]

**impliki** (*tr*) malfaciligi aŭ malhelpi la movojn de iu aŭ io per volvado de fadeno; malfaciligi ies agadon kiel ajn[9]

**impona** granda kaj admirinda[X]

**importi** (*tr*) venigi komercaĵojn aŭ aliajn aĵojn el eksterlando[8]

**imposto** deviga pago al la ĝeneralaj bezonoj de ŝtato, urbo ktp[8]

**impreso** influo farita sur la sentumoj, la koro aŭ la spirito[8]

**impulso** ekpuŝo de fizika forto[9]

**imuna** ŝirmita kontraŭ malsano[9]

-**in**-⋆ vortparto por indiki la sekson, kiu naskas idon (bov**in**o)[0]

**inciti** (*tr*) eksciti ies koleron[9]

-**ind**-⋆ vortparto por indiki meriton je io (leg**ind**a libro estas libro, kiu meritas legadon)[0]

**indiferenta** (io) prezentanta nenion por prefero, por intereso; (iu) havanta neniun preferon, neniun intereson pri iu aŭ io[8]

**indigni** (*ntr*) senti kaj ekmontri koleron kaj malestimon pro maljustaĵo[9]

**indiĝeno** landano, kiu devenas de la praloĝantoj de la lando[X]

**indiki** (*tr*) doni bezonatan informon[9]

**individuo** unu aparta el multaj similaj (homo, besto aŭ kreskaĵo)[9]

**indulgi** (*x*) malsevere trakti ies kulpon aŭ pekon[9]

**industrio**⋆ aparta agado per kiu oni produktas riĉaĵojn el krudaj materioj[6]

**infano**⋆ homo, kiu ankoraŭ kreskos[2] (b)→



**infekti** (*tr*) transdoni al iu ĝermojn de malsano[9]

**infero** loĝejo de diablo[9]

**inflamo** malbona stato de iu organo de la korpo, kiam ĝi malsane varmiĝas, ŝvelas, ruĝiĝas ...[X]

**influi** (*x*) morale aŭ materie efiki al iu aŭ io[8]

**informi**⋆ (*x*) sciigi, konigi[6]

-**ing**-⋆ vortparto signanta objekton, en kiun unu alia objekto aŭ membro estas parte enigita kaj fiksita (glav**ing**o, ov**ing**o)[0]

**inĝeniero** homo, kiu per helpo de sciencaj metodoj kondukas kaj direktas teĥnikajn laborojn[8]

**iniciati** (*tr*) esti la unua, kiu proponas aŭ faras ion[9]

**injekti** (*tr*) enŝprucigi per speciala ilo likvaĵon aŭ gason en ion[9]



**inklina** kvazaŭ de sia animo puŝata al io[8]

**inko**⋆ kolora likvaĵo, per kiu oni skribas[5]

**insekto**⋆ malgranda besto kun ses piedoj kaj ofte kun flugiloj[5] (**b**)

formiko, moskito, muŝo

**insidi** (*x*) sekrete prepari trompon aŭ malutilon[9]

**insigno** aĵo uzata por signi portanton, pri rango, aneco ktp [9]



**insisti** (*ntr*) denove prezenti sian opinion aŭ postulon, pro malsukceso en la antaŭa(j) provo(j)[8]

**inspekti** (*tr*) kontroli la funkciadon de io aŭ la agadon de iu[X]

**inspektoro** inspektisto[9]

**inspiri** (*tr*) malrekte igi iun alian pensi pri io, plani ion, fari ion[9]

**instali** (*tr*) meti ion ien kaj fari ĉion necesan, por ke ĝi bone funkciu[8]

**instanco** grado de juĝa povo[9]

**instigi** (*tr*) rekte igi iun alian fari ion[8]

**instinkto** bazo por agado, kiam temas pri nevolaj aŭ nelernitaj agoj[7]

**institucio** daŭra publika aŭ privata organizaĵo[X]

**instituto** alta lernejo[X]

**instrui**⋆ (*x*) transdoni al iu sciencajn konojn aŭ utilajn sciojn[5]

**instrumento** ilo el fabriko (fabrikita)[8]

**insulo**⋆ terparto, ĉiuflanke ĉirkaŭata de akvo[6] (**b**) pĝ 97

**insulti** (*tr*) ofendi per vortoj[8]

-**int**-⋆ vortparto por diri, ke la ago finiĝis, rilate al kiu agas: manĝ**int**o estas tiu, kiu manĝis[0] (**b**) pĝ 09

**intelekto** kapablo pensi, kompreni[8]

**inteligenta** facile komprenanta kaj vigle pensanta[8]

**intenci**⋆ (*tr*) konscie kaj klare ekvoli fari ion iam; laŭvole fari ion[5]

**intensa** funkcianta energie, vigle[X]

**inter**⋆ prep. montranta pozicion (B estas inter A kaj C)[1]




**interesi**⋆ (*tr*) tenadi ies atenton[3]

**intereso**⋆ eco de tio, kio interesas; tio, kio interesas[3]

**interna**⋆ estanta en io[4]

**interpelacii** (*tr*) oficiale demandi ministron pri lia regado[9]

**interpreti** (*tr*) malkaŝi sencon de io; aŭdi iun kaj samtempe voĉe traduki la parolon al alia lingvo por helpi aliulojn[9]

**intervjui** (*tr*) demandadi iun por koni ĝin (por laboro aŭ ĉar temas pri fama homo[X]

**intesto** kanalo post stomako por digesto[9]

**intima** nepublika; en rilato tre amika, konfida, senĝena[9]

**inundi** (*tr*) akcidente subakvigi[9]

**invalido** iu, kiu ne plu kapablas plenumi sian laboron[9]

**inventi** (*tr*) krei, elpensi ion novan[9]

**inversa** estanta en mala, kontraŭa pozicio aŭ direkto rilate al alia[X]

**inviti**⋆ (*tr*) peti iun, ke ĝi ien venu; peti sen devigo[5]

**io**⋆ nedifinita afero[1]

**iom**⋆ nedifinita kvanto, grado[1]

**ipsilono** la litero y, Y[X]

**iri**⋆ (*ntr*) moviĝi de iu loko al alia[2]

**ironio** moka dirmaniero[9]

**-is**⋆ finaĵo por verboj, kiam temas pri la pasinta tempo (vi leg**is**)[0] (**b**) pĝ 09

**-ism-**⋆ vortparto esprimanta kutiman agmanieron (kristan**ism**o, alkohol**ism**o)[0]

**-ist-**⋆ vortparto esprimanta profesion, okupon (ŝtel**ist**o, verk**ist**o)[0]

**-it-**⋆ vortparto por diri, ke la ago finiĝis, rilate al kiu ricevas agon: vidito estas tiu, kiun oni vidis[0] (**b**) pĝ 09

**iu**⋆ nedefinita individuo aŭ aĵo[1]

**izoli** (*tr*) apartigi de la aliaj, tiel ke ne estu kontakto aŭ rilato[9]

# J

**-j**⋆ finaĵo esprimanta pli ol unu (bela**j** domo**j**)[0]

**ja**⋆ vorteto por plifortigi, sendubigi asertion[1]



**jako**⋆ vira vestaĵo[6] (b)→

**jam**⋆ vorteto por diri "tuj depost tiam", "tuj ekde tiam", "antaŭ nun", "antaŭ tiam"[1]

**januaro**⋆ la unua monato de la jaro[5]

**jaro**⋆ 12 monatoj; 365 aŭ 366 tagoj[2]

**je**⋆ pre. uzata en pluraj situacioj (je la tria (horo); je la lasta fojo; preni iun per la mano, je la kolo; la kanalo havas longon je 10 kilometroj)[1]

**jen**⋆ vorteto uzata por anonci ion, pri kio oni atentigas (jen kion mi faros)[1]

**jes**⋆ vorteto uzata por montri konsenton, aprobon, permeson (Ĉu mi povas? Jes, vi povas)[1]

**jubileo** festo por la 100a, 50a aŭ 25a datreveno[9]

**ju** [8] (**v**) des

**jugo** lignaĵo ĉe kolo de bovoj, por ilin jungi[9]

**juĝi**⋆ (*tr*) laŭleĝe decidi ĉu iu estas kulpa aŭ ne; taksi ion[5]

**juki** (*tr*) inciti ies haŭton, tiel ke oni volos sin grati[9]

**julio**⋆ la sepa monato de la jaro[5]

**juna**⋆ pli aĝa ol infano, malpli aĝa ol plenkreskulo[2]

**jungi** (*tr*) ligi tirbeston al ĉaro aŭ alia tirota aĵo[9]

**junio**⋆ la sesa monato de la jaro[5]

**jupo** virina vesto, kiu kovras la krurojn[7] (b)→



**juro** aro da leĝoj[8]

**justa**⋆ respektanta egale la rajtojn de aliaj homoj[4]

**juvelo** tre multekosta ornamaĵo (oro, arĝento, valora ŝtono...)[8]

# Ĵ

**ĵaluza** tro protekti ion pro timo perdi[8]

**ĵaŭdo**⋆ tago de la semajno inter merkredo kaj vendredo[5]

**ĵeti**⋆ (*tr*) formovi de si ion tra la aero en alian lokon[3]

**ĵuri** (*tr*) aserti aŭ promesi kaj garantii per io sankta[8]

**ĵurnalo** gazeto[8] ⓑ→



**ĵus**⋆ ĝuste antaŭ nun; ĝuste antaŭ tiam[1]

# K

**k.a.** kaj aliaj[X]

**K.D.** lum-disko[X]

**k.s.** kaj similaj; kaj simile[X]

**k.t.p.** kaj tiel plu[X]

**kabano** simpla dometo ofte el ligno[9]

**kabineto** ĉambro por iu intelekta laboro; ministraro[8]

**kaĉo** manĝaĵo el faruno kaj lakto aŭ akvo; io konfuza[9]

**kadavro** korpo de mortinto[X]

**kadro** io, kio ĉirkaŭas pentraĵon, spegulon, fenestron ktp[7]




**kaduka** io, kio baldaŭ falos, baldaŭ estos en ruino[9]

**kafo**⋆ semgrajnoj de kafujo (*Coffea*); nigra trinkaĵo el tiuj semgrajnoj[5]



**kaĝo** portebla aŭ fiksa malliberejo por besto aŭ homo[9]



**kahelo** rektangula kaj plata aĵo foje kun desegnaĵo, kiu estas uzata por kovri surfacon en domo kaj aliaj lokoj, ĉe naĝejo ili ĝenerale estas bluaj[9]

**kaj**⋆ vorteto por diri "plie, aldone" (akvo kaj vino estas trinkaĵoj)[1]

**kajero**⋆ paperfolioj kunligitaj kvazaŭ aŭ kiel libro, oni mane skribas en ĝi[6]



**kajo** teraso aŭ alta trotuaro por facila aliro kaj eliro al/el ŝipo aŭ trajno[8]

**kajuto** ĉambreto por veturigisto ĉe veturilo[9]

**kakao** frukto de kakaujo, el kiu oni faras ĉokoladon (*Theobroma*)[9]



**kakto** kreskaĵo sen folioj, kun pikiloj, kiu tenas akvon (*Cactaceae*)[9]



**kaldrono** granda ujo por kuiri[9] ⓑ↓



**kalendaro** folio montranta ĉiujn tagojn de monato(j) plej ofte dum unu jaro[8]

**kalkano** malantaŭa parto de la homa piedo[8]

**kalkanumo** parto de la ŝuo, kiu protektas la kalkanon (kalkan/um/o)[9]

**kalkuli**⋆ (*tr*) operacii (2 + 3, 4 x 5 ...); determini kvanton[4]

**kalo** loko, kie la haŭto fariĝas malmola pro frotado, tio okazas ĉefe en mano aŭ piedo[9]

**kalsono** subvesto uzata sub pantalono[8] vira kaj ina kalsonetoj:



**kalumnii** (*tr*) misfamigi iun per mensogaj akuzoj[9]

**kamarado** kunvivanto; samokupulo[7]

**kameleono** besto, kiu povas ŝanĝi la koloron de sia haŭto, kuzo de la lacertoj (*Chamaeleonidae*)[Y]

**kamelo** besto kun ĝibo(j), uzata en dezerto (*Camelus*)[9]



**kameno*** fajrujo en domo, kiu havas fumtubon[6]



**kamero** malluma ĉambreto; simila parto de fotografilo[X]

**kamiono** aŭto por pezaj ŝarĝoj kun 4, 6 aŭ pli da radoj[8]



**kampo*** terpeco, ebena aŭ preskaŭ ebena, por kreskigo de kreskaĵo aŭ bredado de bestoj[2]

**kanalo** konstruita akvovojo, uzata por transportado per ŝipoj; simila konstruo, uzata kiel kondukilo de pura aŭ malpura akvo[9]

**kancero** grava malsano (malnormala multobliĝo de ĉeloj)[X]

**kandelo** lumigilo, kiu brulas malrapide[8] ⓑ→



**kandidato** homo, kiu sin proponas por ofico, posteno aŭ titolo[9]

**kanguruo** la plej fama besto el Aŭstralio, ĝi moviĝas per saltoj (*Macropodidae*)[X]



**kankro** rivera manĝebla dekpieda besto (*Astacidae*)[9]

**kanti*** muziki per sia voĉo[3]

**kanzono** versaĵo, plejofte gaja, sprita aŭ moka, kun egalaj partoj kreita por kantado[8]

**kapabla*** povanta plene fari ion (kiu kapablas fari ion, tiu estas lerta pri tio)[5]

**kapitalo** tuto de mono kaj aĵoj, kiuj povas venigi monon, posedata de iu[8]

**kapo*** parto de la korpo ligita al ĝi per la kolo, kie estas cerbo, buŝo, nazo ktp[2]



**kaprica** aganta laŭ subita, neantaŭvidebla kaj senkiala volo[8]

**kapro*** besto kvarpieda (*Capra*)[6] ⓑ→



**kapti*** (*tr*) subite preni, ekpreni ion per rapida movo[4]

**kara*** amata, alte ŝatata[4]

**karafo** larĝbaza botelo por servado de trinkaĵo dum manĝo[9]

**karaktero** aro de ecoj mensaj, kiuj konsistigas personecon de homo[7]

**karbo*** malmola nigraĵo, kiun oni ekhavas el ligno, uzata por hejti[6]

**karesi** (*tr*) delikate tuŝeti[8]

**karnavalo** popola festo ĉefe en sudo de Ameriko kaj Eŭropo[9]

**karno** mola aĵo sub haŭto de animaloj, en homo kaj iuj bestoj ĝi estas ĉirkaŭ la ostoj; mola aĵo sub ŝelo de frukto[9]

**karoto** manĝebla radiko de kreskaĵo, kiu estas rekomendita por la okuloj (*Daucus carota*)[7]



**karpo** fiŝo vivanta en malrapida rivero aŭ lago (*Cyprinus carpio*)[9]



**karto**⋆ eta folio el kartono aŭ plasto por diversaj celoj[5] ⓑ→




**kartono** dika papero[9]

**kaserolo** kuirpoto kun tenilo[7] ⓑ→



**kaskedo** ĉapo kun antaŭa elstaraĵo[9] (**b**) pĝ 100

**kaso** monkesto; monaj rimedoj[8]

**kastelo** luksa kaj sekura domego[8] ⓑ→



**kaŝi**⋆ (*tr*) malmontri, ne vidigi, ne sciigi[4]

**kaŝtano** frukto simila al nukso el kaŝtanarbo (*Castanea*)[9]

**katalogo** listo de aĵoj vendataj aŭ tenataj en iu loko[9]

**kataro** fluo de glueca likvaĵo pro inflamo de naza aŭ alia membrano[7]

**kategorio** grupo de similaj aĵoj aŭ ideoj[9]

**kateno** ĉeno por malliberigi homon aŭ beston[8]



**kato**⋆ kvarpieda besto, kiu vivas ĉe homo (*Felis silvestris*)[4]



**kaŭĉuko** elasta gumo[7]

**kaŭri** (*ntr*) sidi sur la kalkanoj[X]

**kaŭzo**⋆ tio, pro kio io okazas; tio, pro kio io estas aŭ iĝas tia, kiel ĝi estas[4]

**kaverno** profunda subtera kavo[9]

**kavo** malplenaĵo en solida aĵo[7]

**kazo** ĉiu el la diversaj formoj de nomo (aŭ nomvorto) laŭ sia rolo en lingvo (kato, katon)[9]

**ke**⋆ vorteto por pluraj celoj (mi diris, ke ...; mi estas furioza, ke ...)[1]

**kejlo** ilo el ligno aŭ metalo por perforte ŝtopi truon aŭ rigide kunfiksi du partopecojn[9]

**kelka**⋆ iom da; malmulte da[2]

**kelnero** iu, kiu alportas trinkaĵojn kaj manĝaĵojn en restoracio[7]

**kelo**⋆ subtera ĉambro en domo por restigi vinon, karbon ktp[6]

**kemio** = ĥemio[8]

**kerno** malmola interna parto de frukto kun karno; ĉefa parto de io[9]

**kesto**⋆ ujo el ligno, metalo aŭ alia materialo[6]

**kia**⋆ demandovorto pri kvalito (kia estas la rivero? larĝa); samspeca (..., kia ...)[1]

**kial**⋆ demandovorto pri kaŭzo (kial vi ploras? ĉar mia kapo doloras)[1]

**kiam**⋆ demandovorto pri tempo (kiam vi vojaĝos? je la sekva merkredo); samtempe (..., kiam ...)[1]

**kie**⋆ demandovorto pri loko (kie estas via loĝejo? en Rio); samloke (..., kie ...)[1]

**kiel**⋆ demandovorto pri maniero (kiel vi manĝas? rapide); simile, sammaniere (..., kiel ...)[1]

**kies**⋆ demandovorto pri posedo (kies libro estas tiu? de Mario)[1]

**kilogramo**⋆ mil gramoj (mezur-unuo por maso)[6]

**kilometro** mil metroj (mezur-unuo por longo)[8]

**kino** belarto fari filmon; kinejo[8]

**kio**⋆ demandovorto pri io tute nekonata (kio estas tio?)[1]

**kiom**⋆ demandovorto pri kvanto (kiom da akvo? du litroj); samkvante (..., kiom ...)[1]

**kioma** demandovorto pri vicnombro (je kioma horo? je la 20a horo) (kiom/a)[9]

**kirurgio** arto kuraci per riparo en la malsana parto de la korpo, kio ofte devigas tranĉon por trafi tiun parton[9]

**kirurgo** kuracisto, kiu faras kirurgion[9]

**kisi**⋆ (*tr*) tuŝi per la lipoj por esprimi amon aŭ respekton[6]

**kitelo** longa bluzo por laboro[8]

**kiu**⋆ demandovorto pri iu parte konata (sur kiu paĝo mi legis tion? [oni scias, ke temas pri iu paĝo]); sama afero (..., kiu ...)[1]

**klara**⋆ tra kiu oni povas bone vidi; facile komprenebla[2]

**klasika** laŭ la tradiciaj reguloj kaj sekve modela, imitinda[9]

**klaso**⋆ aro de aĵoj kunigitaj laŭ rango, kvalito aŭ naturo: a) parto de popolo havanta samajn ekonomiajn kondiĉojn b) lernantoj, kiuj sekvas iun gradon de studkurso c) ŝtupo de la vegetala aŭ animala regno ktp[5]

**klavo** tabuleto, kiun oni premas por funkciigi muzikan instrumenton, komputilon aŭ alian aparaton[X] (**b**) komputilo

**klera** havanta grandan scion, kaj pro ĝi kapabla juĝi klare[7]

**kliento** kutima aĉetanto de varo aŭ servo ĉe iu[8]

**klimato** tuto de la veteraj kondiĉoj de iu regiono[9]

**klingo** akra parto de iu tranĉilo[7]



**klini**⋆ (*tr*) fleksi malsupren aŭ flanken[5]

**kliniko** hospitalo, aŭ parto de hospitalo, kiu nur laboras pri malsanoj rilate al iu afero[9]

**klopodi** (*ntr*) provi fari la necesajn agojn por sukcesi pri io, kion oni celas[9]

**klubo** eta societo[9]

**knabo**⋆ vira infano; juna vira homo[3] (b)→



**knedi** (*tr*) miksi plurajn substancojn per fortaj movoj, por fari kukon aŭ ion alian; per premoj kun la manoj doni formon al io[8]

**koketa** per elegantaj vestoj kaj logaj manieroj tiri ies atenton, ĉefe de uloj de alia sekso[9]

**koko**⋆ birdo bredata pro la viando kaj ovoj (*Gallus*)[5]



**kokono** la ripoza stato de insekto, inter raŭpo kaj plenforma insekto[X]

**kokoso** frukto de kokosarbo kun manĝebla nukso, kies kavo



entenas dolĉan sukon (*Cocos*)[9]
**kokso** parto de la korpo, kie estas la supra artiko de la femuro[X]
**kolegio** mezgrada lernejo (sub universitato, kiu estas en altgrada nivelo)[9]
**kolektiva** farita aŭ posedata de pluraj personoj[9]
**kolekto**⋆ aro de multaj samaj aŭ similaj aĵoj[4]
**koleri**⋆ (*x*) senti fortan agiton de la animo kontraŭ iu pro malkontento[4]
**kolizii** (*ntr*) movi unu kontraŭ alia ĝis forta interbatiĝo[9]
**kolo**⋆ parto de la korpo kuniganta la kapon kun la cetero[4]
**kolombo** birdo antaŭe uzita de la poŝto (*Columba*)[9]

**kolonelo** militista estro, kiu rangas sub generalo[9]
**kolonio** lando, administrata kaj ekspluatata de ŝtato ekster siaj landlimoj[X]
**kolono** vertikala peco por subteni kaj foje samtempe ornami konstruaĵon[8]

**koloro**⋆ impresa por la okuloj[3] (**b**) pĝ 100
**kolumno** vertikala dividaĵo en gazeto, revuo aŭ libro, kiel en ĉi tiu libro[9]
**kolumo** parto de vesto ĉirkaŭ la kolo (kol/um/o)[8]

**komandi** (*x*) estri aron da militistoj[8]
**kombi**⋆ ordigi la harojn per speciala ilo[6]

**kombini** (*tr*) kunmeti plurajn apartajn aferojn por iu celo: kombini literojn, kartojn, planon, projekton[9]
**komedio** ridiga teatraĵo[9]
**komenci**⋆ (*tr*) fari la unuan parton de afero aŭ de ago; ekfari[2]
**komerci**⋆ (*ntr*) (profesie) aĉeti varon por revendi ĝin[4]
**komforta**⋆ havanta rimedojn, kiuj faciligas la laboron; ne laciga[6]
**komika** ridiga, amuza[8]
**komisaro** tiu, kiu estas komisiita de ŝtato aŭ privata organizo[9]
**komisii** (*tr*) transdoni plenumon de ago aŭ laboro[8]
**komisiono** aro de komisaroj kun sama tasko[8]
**komitato** grupo de personoj, kiuj sin proponis, kaj estis elektitaj por fari iujn taskojn[7]
**komo** skribsigno “,”[8]
**kompakta** densa, forte kunigita[X]
**kompanio** komerca aŭ industria societo[9]
**kompari**⋆ (*tr*) kontroli du aŭ pliajn aferojn por scii pri kio ili similas kaj pri kio ili malsimilas[6]
**kompati**⋆ (*x*) esti malfeliĉa pro ies malfeliĉo, kaj do deziri helpi tiun[5]
**kompensi** (*tr*) doni aŭ fari ion por ripari perdon, elspezon aŭ malprofiton[9]
**kompetenta** tute kapabla[9]
**komplemento** io, kio faras ion alian kompleta[9]

**kompleta** tute senmanka, al kiu mankas nenio[8]

**komplezi** (*tr*) fari ion por plaĉi al iu[8]

**kompliki** (*tr*) malsimpligi[9]

**komplimento** ĝentilaj vortoj pri ies meritoj[X]

**komponi** (*tr*) altnivele verki, ĉefe muzikaĵon[9]

**kompreni**⋆ (*tr*) kapti aŭ koni signifon, funkciadon, intencojn ktp de io[2]

**kompromiti** (*tr*) endanĝerigi (meti en danĝeron)[9]

**komputi** (*tr*) solvi matematikan problemon aŭ prilabori datumon[X]



**komputilo** ilo por komputi kaj aliaj taskoj (komput/il/o)[X]

**komuna**⋆ samtempe uzata de pluraj; rilata al la plejmulto de la homoj[4]

**komuniki** (*tr*) sciigi (gravan) informon al alia homo, ofte en maniero pli-malpli solena aŭ oficiala[7]

**komunumo** grupo de homoj, kiuj vivas kune kaj kune zorgas pri siaj komunaj problemoj; administra regiono, kies centro estas urbo aŭ vilaĝo (komun/um/o)[9]

**koncentri** (*tr*) dense kunigi; direkti al unu sola punkto sian atenton[9]

**koncepto** ĝenerala ideo[9]

**koncerni** (*tr*) iel rilati al; aparte tuŝi[7]

**koncerto** muzika prezentado[8]

**kondamni** (*tr*) juĝe deklari, ke iu estas kulpa, kaj difini la punon[8]

**kondiĉo**⋆ tio, kio estas necesa por ke io okazu aŭ por ke interkonsento estu valida[6]

**konduki**⋆ (*tr*) irigi iun kun si al iu loko[4]

**konduti**⋆ (*ntr*) agi iamaniere en siaj rilatoj kun aliaj homoj[6]

**konferenco** kunsido de kompetentuloj, kiuj debatas kaj interkonsiliĝas pri gravaj aferoj en difinita kampo[8]

**konfesi**⋆ (*tr*) malkaŝi informon, kiu povus aŭ devus resti kaŝita[6]

**konfidenco** sciigo, kiun oni konfidas al iu, kaj kiun tiu devas teni en sekreto[9]

**konfidi** (*tr*) transdoni taskon kun plena fido; sciigi kun plena fido[8]

**konfirmi** (*tr*) (ion) igi pli certa la verecon de io, kion oni eble jam sciis, sed pri kio oni dubis; (iun) forigi dubojn pri io[8]

**konfiti** (*tr*) prepari fruktojn en densa sukera likvaĵo, kiu ilin penetras kaj konservas[8]

**konfuzi** (*tr*) malordigi; malcertigi; maldistingi[8]

**kongreso** granda kunveno por diskuti iun temon[7]

**koni**⋆ (*tr*) havi ideon pri iu aŭ io, scipovi distingi iun aŭ ion[2]

**konjekti** (*tr*) elmeti opinion aŭ konkludon nur sur bazo de supozoj[8]

**konkeri** (*tr*) militakiri iun lokon kaj ekregi tie[X]

**konkludi** (*tr*) per rezono konstati sekvon el faktoj[8]

**konkordo** kora aŭ morala akordo; harmonio de sentoj kaj opinioj inter pluraj personoj[9]

**konkreta** io tuŝebla, aŭdebla, videbla, flarebla aŭ gustumebla[X]

**konkuri** (*x*) peni por superi alian[8]

**konkurso** antaŭaranĝita konkuro, kun reguloj, juĝantoj kaj premioj[9]

**konscienco** konscio, kiun havas la homo pri la morala bono kaj malbono[8]

**konscii**⋆ (*x*) scii mem pri siaj sentoj, pensoj kaj agoj[6]

**konsekvenco** tio, kio tute certe okazos sekve de alia okazaĵo[9]

**konsenti**⋆ (*x*) samopinii pri io; akcepti fari ion[4]

**konservi**⋆ (*tr*) zorgi, ke io ne difektiĝu aŭ ne perdiĝu; ne lasi ion perei[5]

**konsideri** (*tr*) atente ekzameni objekton aŭ ideon laŭ ĉiuj ĝiaj detaloj[7]

**konsili**⋆ (*tr*) indiki al iu kion fari[3]

**konsisti**⋆ (*ntr*) havi kiel erojn; havi kiel ĉefan parton (unu minuto konsistas el sesdek sekundoj)[6]

**konsoli** (*tr*) malpliigi malĝojon de iu per parolo[7]

**konstanta**⋆ eco de io, kio ne ĉesas esti la sama; senŝanĝa, senĉesa, ĉiamdaŭra[6]

**konstati** (*tr*) rimarki, ke io estas fakto[7]

**konstitucio** aro de bazaj leĝoj de lando[9]

**konstrui**⋆ (*tr*) krei domon kun unu aŭ pluraj etaĝoj, ponton aŭ ion tian[3]

**konsulo** reprezentanto de iu lando en fremda lando[9]

**konsulti** (*tr*) demandi fakulon aŭ rigardi fakan libron por ekscii ion pri io[X]

**konsumi** (*tr*) iom post iom foruzi, detrui[9]

**kontakto** intertuŝo de du objektoj aŭ personoj; interrilato[X]

**kontanta** tuj pagata per mono, ne ekzemple per ĉeko aŭ kreditkarto[9]

**kontenta**⋆ deziranta nenion alian ol tio, kion oni havas[4]

**kontesti** (*tr*) en diskuto rifuzi aserton aŭ postulon[9]

**konto** komerca skriba kalkulo pri ŝuldoj aŭ havoj de aparta persono[X]

**kontrakti** (*x*) fari laŭleĝan skribitan interŝanĝon de promeso[8]

**kontraŭ**⋆ prep. uzata por montri: ion antaŭ io alia (sidi kontraŭ iu ĉe la sama tablo); ion je interŝanĝo (doni grenon kontraŭ armiloj); iu, al kiu estas direktata ago aŭ sento (agi kontraŭ iu)[1]

**kontroli** (*tr*) ekzameni ion por scii ĉu ĝi estas laŭregule aŭ konvene farita[8]

**konvalo** kreskaĵo kun bonodoraj floretoj (*Convallaria*)[9]

**konvena**⋆ (io) taŭga; (iu) aganta laŭ la situacio; deca[6]

**konversacii** (*ntr*) interparoli[9]

**konvinki** (*tr*) fari per pruvoj aŭ rezonoj, ke iu akceptu ion kiel veran aŭ pravan[8]

**kopio** nova aĵo egala al la originalo, kreita por esti egala[8]

**korbo**⋆ portebla ujo el io plektita[5]

**kordo** fadeno el bestaj intestoj aŭ el metalo por fari sonon[8]



**korekti** (*tr*) ĝustigi; forigi erarojn, difektojn de iu aŭ io[9]

**korespondi**⋆ (*ntr*) rilati al iu per interŝanĝo de leteroj[6]

**koridoro** ĉambro uzata nur por atingi aliajn ĉambrojn; irejo[9]



**korko** ŝtopilo el ŝelo de speciala kverko[8]

**korniko** griza (*Corvus corone cornix*) aŭ nigra korvo (*Corvus corone corone*)[9]



**korno**⋆ malmola elstaraĵo sur la kapo de iuj bestoj[6]



**koro**⋆ organo, kiu movas la sangon; (figure) la domo de la amo[2]



**korpo**⋆ fizika parto de besto aŭ homo[4]

**korto**⋆ sentegmenta spaco ĉirkaŭ domo[3]

**korvo** pli malpli nigra birdo (*Corvus*)[9]



**kosmo** ĉio ekster la planedo Tero[9]

**kosti**⋆ (*tr*) esti akirebla nur je difinita prezo aŭ nur kontraŭ iu peno[3]

**kostumo** maniero sin vesti; vesto propra al iu nacio, klaso, tempo, ofico ktp[9]

**kotizo** la sumo, kiun ĉiu membro pagas al societo[X]

**koto** ege malpura akvo (miksita kun tero), kiu fluas sur vojo[8]

**kotono** blankaj haroj, kiuj kovras la grajnojn de kotonarbo, el kiuj oni fabrikas ŝtofon (*Gossypium*)[7]



**koverto**⋆ papera saketo, en kiun oni metas leteron kaj sur kiun oni skribas la adreson[5]



**kovri**⋆ (*tr*) malvidigi per surmeto de io[4]

**kraĉi** (*tr*) elĵeti likvaĵon aŭ alian aĵon el la buŝo[9]

**krado** aro da interligitaj stangoj (kiel barilo aŭ por surmeti ion)[8]

**krajono**⋆ ilo uzata por skribi aŭ desegni[5]



**kranio** ostoj de la kapo[9]



**krano** aparato je fino de tubo kun fermilo[8]

**kravato**⋆ tuko uzata de viro kiel vestaĵo, kun nodo antaŭ la kolo[6]

**kredi**⋆ (*x*) opinii, ke io estas vera; opinii, ke iu diras veron[2]

**kredito** sumo, kiun oni povas pruntepreni de banko aŭ aĉeti de komercisto por repagi en sekva(j) monato(j)[9]

**krei**⋆ (*tr*) fari ion novan (la homo krei la bombon)[5]

**kremo** grasa parto el la lakto, kiu flosas[7]

**krepusko** nehela lumo post subiro aŭ antaŭ leviĝo de la suno[8]
**kreski**⋆ (*ntr*) pligrandiĝi[3]
**kresto** karneca kreskaĵo sur la kapo de virkoko; elstaraĵo sur la kapo de iuj birdoj[9]
**kreto** substanco $CaCO_3$; stangeto el tiu substanco uzata por skribi sur murtabulon, ĉefe en lernejoj[8]



**krevi** (*ntr*) subite rompiĝi; fendiĝi pro malvarmo aŭ sekeco[7]
**krii**⋆ (*ntr*) tre laŭte diri aŭ voĉi[3]
**krimo**⋆ forte puninda ago (mortigo kaj aliaj)[6]
**kripla** kun brako, kruro aŭ io alia mankanta aŭ ne funkcianta[8]
**kristalo** tre pura senkolora vitro; kreskanta ŝtono kvazaŭ vitro[9]



**kritiki** (*tr*) mallaŭdi; ekzameni la kvalitojn kaj mankojn de scienca, literatura aŭ belarta verko[8]
**krizo** grava danĝera momento en iu afero[8]
**kroĉi** (*tr*) kapti kaj fiksteni per hoko[7]
**krokodilo** granda kvarpieda danĝera rampulo, vivanta en riveroj (*Crocodylus*)[9]



**krom**⋆ prep. por diri "plie al", "aldone al"; (en nea frazo) por montri escepton[1]

luksa krono:



**krono** ornamaĵo por la kapo: luksa por reĝo, el kreskaĵo kun floroj por venkinto ktp[8]
**kruco**⋆ bildo aŭ aĵo kun formo tia:[5]



**kruĉo** vazo el diversaj substancoj, kun larĝa ventro, tenilo kaj verŝilo, destinita por enteni fluaĵon[8]



**kruda** tia, kia la naturo ĝin produktis; ege malĝentila[7]
**kruela** (iu) inklina suferigi; (io) suferiga[8]
**kruro**⋆ parto de la gambo, ekde genuo ĝis piedo; tuto de la suba membro de besto (**b**); simila parto de meblo (kruro de tablo)[5]



**krusto** ekstera malmolaĵo, kiel ŝelo (de pano, kuko, vundo ...)[8]
**kruta** ege dekliva[8]
**kubo** aĵo kun ses facoj[9] ⓑ→



**kubuto** artiko de la brako[8] ⓑ→
**kudri** kunligi per fadeno aŭ ŝnureto[7]



**kuglo** eta metala peco, kiun pafilo elĵetas[8]



**kuiri**⋆ pretigi manĝaĵon per varmo[4]
**kuko**⋆ dolĉa bakaĵo (estas miloj da receptoj por ili)[5]



**kukolo** birdo, kiu demetas siajn ovojn en nestojn de aliaj birdoj (*Cuculus*)[8]



**kukumo** kreskaĵo aŭ ĝia bero manĝata



kiel legomo (*Cucumis sativus*)[9]

**kukurbo** frukto de kreskaĵo (*Cucurbita*)[9] jen unu el ĝiaj formoj:



**kulero**⋆ manĝilo[5] ⓑ↓



**kulmino** la plej alta punkto aŭ stato[Y]

**kulo** insekto, kies inoj suĉas sangon (*Culex*)[X]

**kulpa**⋆ tiu, kiu faris ion punindan[5]

**kulto** religia okazaĵo ordinare ĉeeste de pluraj personoj[9]

**kulturi**⋆ prilabori la teron; flegi kreskaĵon aŭ bredi beston[6]

**kulturo**⋆ prilaborado de tero; flegado pri kreskaĵo aŭ bredado; evoluo de homo pri arto, lingvo kaj similaĵoj[6]

**kun**⋆ prep. por montri akompanon (vivi, manĝi kun iu; paroli, ludi kun iu; agi kun kolero; kafo kun sukero)[1]

**kuniklo** besto simila al leporo, fama pro rapido (*Lepus cuniculus*)[9]



**kupono** bileto por malordinara rajto pri io[9]

**kupro** metalo ĉefe uzata por elektraj kondukiloj (*Cu*)[8]

**kuraci**⋆ prizorgi malsanulon kaj provi resanigi ĝin[5]

**kuraĝa**⋆ konservanta memregadon antaŭ danĝero aŭ malfacilaĵo[3]

**kurbo** linio, ĉefe kiam malrekta kiel ĉe litero S[7]

**kurento** fluo de elektro[9]

**kuri**⋆ tre rapide iri[3]

**kurioza** stranga pro malofteco; rimarkinda[7]

**kurso** serio da lecionoj pri scienco, arto aŭ metio[7]



**kurteno** tuko ĉe fenestro[8] ⓑ↑

**kurzo** la rilato de monvaloroj[X]

**kuseno** sako plenigita per molaĵo por apogi kapon aŭ alian parton de la korpo[9]



**kuŝi**⋆ esti en horizontala pozicio (homoj kuŝas por dormi)[4]

**kutimo**⋆ (iu) emo fari ion, pro ofta ripetado de tio; simila agmaniero ĉe popolo pro kulturo[4]

**kuvo**⋆ granda ujo[6] ⓑ→



**kuzo**⋆ filo de onklo aŭ onklino[5]

**kvadrato** io kun same longaj kvar flankoj, kaj ortaj anguloj[7]



**kvalito** eco; speciala kapablo[7]

**kvankam**⋆ vorto por diri, ke io okazas, kiam oni ne devus kredi je tio (la suno forte brilas, kvankam falas pluvo; mi vidas nenion, kvankam ĉio estas luma)[1]

**kvanto** tiom, kiom estas[7]

**kvar**⋆ 4[1]

**kvarangulo** figuro kun kvar rektaj linioj ⓑ→ (kvar/angul/o)[X]



**kvartalo** parto de urbo[8]

**kvazaŭ**⋆ vorto por diri "ne vere tio, sed simile al tio", "ne vere tia, sed tute simila", "ne vere tiel, sed tute simile" (ŝi kuŝas, kvazaŭ mortinta)[1]

**kverko** arbo, kies ligno estas uzata por fari meblojn kaj konstrui (*Quercus*)[8]

**kvieta**⋆ tute trankvila[6]

**kvin**⋆ 5[1]

**kvitanco** atesto pri ricevo de pago, letero aŭ pakaĵo[X]

# L

**la**⋆ (**la glaso** estas plena: ne iu ajn glaso, sed jam konata, jam menciita glaso; **la birdoj** havas flugilojn: ĉiu birdo havas flugilojn)[1]

**laboratorio** laborejo por sciencaj esploroj kaj eksperimentoj[9]

**labori**⋆ (*ntr*) korpe aŭ mense peni por produkti aĵon aŭ plenumi taskon[2]

**laca**⋆ senforta stato, kiam korpo postulas ripozon[4]

**lacerto** malgranda rampulo (*Lacerta*)[9]



**laĉo** ŝnureto por fermi ŝuon aŭ veston[9]

**lado** plato el iu ajn metalo[9]

**lago**⋆ granda kvanto da akvo, ĉiuflanke limigita de tero[5] (**b**) pĝ 97

**lako** fluaĵo uzata kiel farbo, tamen travidebla kaj brila, uzata por protekti surfacon[9]

**lakto**⋆ blanka trinkaĵo el mamo por idoj[4]



**lama** kripla je piedo aŭ kruro, tial malfacile paŝas, tamen paŝas[7]

**lameno** mallarĝa kaj maldika plato[8]

**lampo**⋆ daŭra lumigilo[6] (b)→



**lando**⋆ komuna vorto por ŝtato; unuiĝo de ŝtatoj (Brazilo estas lando)[2]

**lango**⋆ movebla organo en la buŝo, uzata por gustumi kaj paroli[5]



**lano** molaj haroj de ŝafo uzata por fari ŝtofon[7]

**lanterno** fiksa aŭ portebla aĵo, kun kandelo aŭ alia lumilo ŝirmita per vitraĵo kontraŭ vento aŭ pluvo[9]



**lapo** frukto de herbo (*Arctium*)[9] (b)→



**lardo** porka graso, foje kun iom da porka viando[9]

**larĝa**⋆ granda laŭ la dimensio larĝo[4] (**b**) pĝ 07

**larmo** guto de likvaĵo el okulo[7] (b)→



**larvo** insekto, kies formo ankoraŭ ŝanĝiĝos (tiam estos kruroj kaj flugiloj)[9]



**lasi**⋆ (*tr*) ne plu teni; restigi sur iu loko aŭ en iu stato; ne malhelpi[3]

**lasta**⋆ estanta post ĉiuj aliaj (en tempo, spaco aŭ rango)[2]

**latino** malnova lingvo de rom/anoj[Y]

**latitudo** kiom norde aŭ sude[9] (**b**) pĝ 100

**latuno** kupro kaj zinko miksitaj[9]

**laŭ**⋆ prep. montranta sekvatan linion (laŭ la fluo de la rivero), obeatan aferon (laŭ la ordono de mia estro; laŭ plano)[1]

**laŭbo** artefarita plafono el kreskaĵo en ĝardeno[9]

**laŭdi** (*tr*) esprimi aproban, favoran opinion pri kvalitoj de io aŭ iu[7]

**laŭta** forte aŭdebla[7]

**lavango** neĝamasego rulfalanta de monto[X]

**lavi**⋆ (*tr*) purigi per akvo aŭ alia fluaĵo[4]

**leciono**⋆ pli-malpli horo da instruado[6]

**ledo** prilaborita haŭto de besto, uzota por fari ŝuon, vestaĵon ktp[7]

**legi**⋆ (*tr*) kompreni skribaĵon[2]

**legomo**⋆ manĝebla kreskaĵo (kiu ne estas frukto aŭ spico): beto, karoto, terpomo ktp[6]

**leĝo**⋆ regulo por ĉiu homo en ŝtato[5]

**lekcio** leciono en formo de prelego en universitato[9]

**leki** (*tr*) ŝovi la langon sur ion[8]

**leono** granda besto, tre danĝera, tial nomata reĝo de la bestoj (*Panther leo*)[7]



**leporo** ne tre granda besto kun longaj oreloj (*Lepus*)[7]



**lerni**⋆ (*tr*) akiri scion pri scienco, arto, metio aŭ io alia[2]

**lerta**⋆ kapabla facile, laŭcele kaj rapide fari ion[5]

**lesivo** likvaĵo preparita por forte lavi ion[9]

**letero**⋆ skribaĵo, kiun oni sendas per la poŝto al iu[3]



**leŭtenanto** malaltranga oficiro[9]

**levi**⋆ (*tr*) movi de malsupre supren; starigi ion, kio kuŝis[2]

**li**⋆ vorteto por montri viran ulon (mi vidis knabon, li estas alta)[1]

**libera**⋆ ne ĝenata de materia aŭ morala baro, de fremda volo aŭ io tia[2]

**libro**⋆ presita teksto en pluraj paĝoj[3] (b)→



**licenco** ŝtata aŭ juĝa permeso por fari ion[9]

**liceo** mezgrada lernejo[9]

**lifto** aparato por vertikale porti homojn kaj aĵojn de unu al alia etaĝo[8]



**ligi**⋆ (*tr*) fiksi per ŝnuro, ĉeno aŭ simila afero; kunigi plurajn aferojn[4]

**ligno**⋆ malmola substanco el arbo[4] (b)→



**ligo**⋆ tio, kio ligas[4]

**likva** povanta flui kiel akvo[9]

**lilio** kreskaĵo kun bonodoraj floroj (*Lilium*)[9]



**limako** ege malrapida besto, kiu rampas (*Limax*)[9]



**limo**⋆ kie aŭ kiam io finiĝas, kaj io alia komenciĝas[5]

**lingvo**⋆ sistemo da vortoj uzata de iu nacio aŭ gento; ĉio servanta por esprimi pensojn aŭ sentojn[3]

**linio**⋆ figuro kiel tiu de fadeno kun unu sola dimensio[4]

**lino** herbo, el kiu oni havas oleon kaj vestojn (*Linum*)[9]



**lipo**⋆ parto de buŝo, kiu kovras la dentojn[6]



**listo** vico da vortoj, nomoj ...[8]

**literaturo** tuto da verkoj (libroj) de iu kulturo, nacio, epoko aŭ pri iu temo[8]

**litero**⋆ signo por sono de iu lingvo (a, b, c, ĉ ...)[6]



**lito**⋆ meblo por dormado[3] ⓑ▲

**litro** mezuro por enhavo (suko de 10 oranĝoj egalas al ĉirkaŭ 1 litro)[7]

**liveri** (*tr*) transdoni aĉetitajn varojn al tiu, kiu aĉetis; havigi[9]

**logi** (*tr*) peni altiri (venigi) al si per plaĉaj rimedoj[7]

**logiko** fako pri leĝoj de rezonado[9]

**loĝi**⋆ (*x*) daŭre restadi en loko (en domo, urbo)[2]

**lojala** plene fidela[9]

**loko**⋆ tie, kie io aŭ iu estas; spaco por io aŭ iu[2]

**lokomotivo** maŝino, kiu tiras vagonojn[9] ⓑ→



**longa**⋆ granda laŭ la dimensio longo[2] (**b**) pĝ 07

**longitudo** kiom oriente aŭ okcidente[9] (**b**) pĝ 97

**loti** (*ntr*) konsulti la sorton pri elekto, decido aŭ disdono (oni lotos pri aŭto inter la ĉeestantoj)[X]

**loto** ago loti; lotaĵo[9]

**lotuso** herbo (*Lotus*); akvokreskaĵo (*Nymphaea lotus*)[9]



**lubriki** (*tr*) meti substancon por faciligi la glitadon[9]

**ludi**⋆ (*x*) sin amuzi, sin distri, fari plezuran aferon, sed kiu ne estu laboro; sonigi muzikilon; sin prezenti en teatraĵo[4]

**lui** pagi por uzi ion dum iom da tempo[7]

**luko** eta aperturo en tegmento aŭ plafono por eniro de lumo[9]

**lukso** havado aŭ uzado de multekostaj, foje nur ornamaj, aĵoj[7]

**lukti** (*ntr*) batali kontraŭ iu nur per sia korpo (manoj, brakoj, kruroj ktp) pro kolero aŭ en sporto; peni kontraŭ malfacilaĵo[9]

**luli** (*tr*) moveti bebon aŭ etan infanon por ĝin dormigi[9]

**lumi**⋆ (*ntr*) eligi radiojn, kiuj ebligas vidadon (la suno forte lumas)[3]

**lunĉi** (*tr*) ete manĝi, ĝenerale inter la tagmanĝo kaj la vespermanĝo[Y]

**lundo**⋆ la dua tago de la semajno, la unua labor-tago de la semajno, post dimanĉo kaj antaŭ mardo[5]

**luno**⋆ kvazaŭ eta planedo, kiu moviĝas ĉirkaŭ la Tero; simila aĵo, kiu moviĝas ĉirkaŭ alia planedo[5]



**lupo** sovaĝa besto praulo de la hundoj (*Canis lupus*)[8]



# M

**maĉi** (*tr*) diserigi per la dentoj[8]

**magazeno** loko en butiko por restigi varojn, kien la klientoj ne iras; luksa butiko; granda butiko[7]

**magio** arto pri supernaturaj rimedoj[X] (**v**) sorĉi

**maizo** alta herbo, kies flavaj grajnoj estas manĝeblaj, aŭ ĝiaj grajnoj (*Zea mays*)[9]



**majesta** kaŭzanta admiron kaj respekton pro sia aspekto aŭ konduto[9]

**majo**⋆ la kvina monato de la jaro[5]

**majstro** alte kvalita fakulo[7]

**maksimumo** la plej granda atingebla kvanto aŭ grado (supera limo)[9]

**makulo** punkto aŭ eta regiono kun alia koloro, pro malpuraĵo, difekto aŭ ornamo; eraro[7]



**mal-**⋆ vortparto por la kontraŭo (alta, **mal**alta)[0]

**maleolo** osta elstaraĵo en ambaŭ flankoj inter piedo kaj kruro[9] ⓑ→



**malgraŭ** (prep.) = kvankam; malgraŭ tio, ke = kvankam (ni naĝis malgraŭ la malvarmo)[7]

**malica** (iu) konscie aganta por fari malutilon kaj malfeliĉon al la aliaj; (io) farata kun deziro malutili al iu[9]

**malvarmumo** malforta malsano, kiu venas pro restado en malvarma loko, kiam oni ne uzas dikajn vestaĵojn (mal/varm/um/o)[8]

**malvo** kreskaĵo kun ete ruĝaj floroj (*Malva*)[9]



**mamo** parto de la korpo ĉe homo kaj iuj bestoj, per kiu la inoj povas nutri siajn idojn per lakto[8]



**mandato** rajtigo reprezenti personon aŭ organizaĵon[8]

**manĝi**⋆ (*tr*) sin nutri per buŝo[3]

**maniero**⋆ rimedo, procedo, metodo uzata por fari ion; tiel, kiel io okazas[5]

**maniko** parto de vesto, kiu kovras la brakon (ĉemizoj kun mallongaj kaj longaj manikoj)[7]



**manipuli** (*tr*) uzi, funkciigi ilon aŭ aparaton per la manoj; laŭcele kaj laŭvole uzi ion[9]

**manki**⋆ (*ntr*) tute malesti, foresti aŭ ne esti en sufiĉa kvanto aŭ grado laŭ la bezono[3]

**mano**⋆ ekstremaĵo de la brako, kun kvin fingroj[2]



**manovri** (*ntr*) per pluraj ŝanĝoj de direkto meti aŭton, ŝipon ... en necesan pozicion[9]

**mantelo** vasta longa senmanika supervesto[7]

**mapo** desegno de la surfaco de la tero, aŭ nur parto, ĝi povas mon-

tri limojn de lando, riverojn, montojn ktp[8] (**b**) pĝ 98

**marĉo** regiono kun multe da senflua akvo je neprofunda nivelo, kie la tero nur malofte estas seka[8]

**mardo**⋆ la tria tago de la semajno[5]

**marko**⋆ speciala signo sur io kaj servanta por rekonigi tion[4] GNU kaj aliaj markoj:

indymedia debian

**marmelado** kaĉo el frukto kaj sukero[9]

**maro**⋆ iel aparta parto de la oceano[3] (**b**) pĝ 97

**marŝi**⋆ (*ntr*) paŝi[5]

**martelo** batilo, speciale iu simila al tiu de la bildo[7]



**marto**⋆ la tria monato de la jaro[5]

**maso** kiomo de materio de iu aĵo, kies unuo estas gramo aŭ kilogramo; nedifinita kvanto da materio, konsiderata kiel tutaĵo[9]

**masoni** (*tr*) konstrui per ŝtonoj aŭ brikoj kaj cemento por kunigi ilin[7]

**masto** fosto sur barko aŭ ŝipo, por pendigi la velojn[8]



**mastro**⋆ estro[5]

**mastrumi** zorgi pri ĉio, kio koncernas ion (mastr/um/i)[8]

**maŝino**⋆ aparato por fari ion, produkti ion[6]

**maŝo** truo en reto[X]

**matematiko** scienco pri nombroj, figuroj (kiaj cirklo kaj triangulo) ktp[9]

**mateno**⋆ la unua duono de la tago (de la sunleviĝo ĝis la tagmezo)[3]

**materialo** ĉio materia, kio estas necesa por iu ago[7]

**materio** ĉio, el kio estas kreita la aĵoj[9]

**mato** maldelikata tapiŝo[9]

**matraco** mola aŭ iomete mola parto de la lito, sur kio oni kuŝas[7]



**matura**⋆ atinginta sian plenan kreskadon, kapablon aŭ taŭgecon (matura frukto: preta por manĝado)[6]

**meblo**⋆ movebla objekto, plej ofte farita el ligno por praktika uzo en loĝejo (lito, tablo, seĝo ...)[6]



**medalo** metala disketo surhavanta bildon aŭ surskribojn, ordinare ĝi estas memoraĵo aŭ honorigilo[X]

**medicino** scienco pri sano kaj malsano, aplikata al kuracado[9]

**medikamento** substanco por kuraci[8]

**medio** la ĉirkaŭaĵo, en kiu io troviĝas; la natura aŭ socia ĉirkaŭaĵo de iu[X]

**Mediteraneo** maro inter Eŭropo kaj Afriko[9] (**b**) pĝ 97

**mediti** (*x*) longe pensi[8]

**meĥaniko** branĉo de fiziko, kio studas fortojn kaj movojn; arto konstrui maŝinojn[8]

**meĥanismo** tuto de la pecoj de maŝino aŭ aparato; aro da rimedoj, per kiu plenumiĝas iu ago aŭ funkcio[8]

**mekaniko** = meĥaniko[8]

**mekanismo** = meĥanismo[8]

**melki** (*tr*) ekhavi per premado laktον el mamoj de besto[8]

**melono** granda globforma frukto kun sukplena dolĉa karno el samnoma kreskaĵo (*Cucumis melo*) (melona ŝelo plejofte estas flava aŭ verdeta)[9]



**mem**⋆ ne alia, la sama; nur per si, sen helpo de iu alia[1]

**membrano** interna haŭto de la korpo[X]

**membro** ĉiu el la moveblaj pecoj de la korpo; ano de klubo, societo, familio ktp[7]

**memori**⋆ (*x*) konservi aŭ denove prezenti al si penson pri io ajn[3]

**mencii** (*tr*) en parolo aŭ teksto informi iun pri aparta afero, kiu iom rilatas al la temo[9]

**mendi**⋆ (*tr*) peti servon aŭ varon[6]

**menso** tiu elemento en besto aŭ homo, kiu prilaboras informojn kaj determinas konduton[9]

**mensogi**⋆ (*x*) intence diri malveraĵon[6] fama mensoganto:



**mentono** parto de la vizaĝo sub la buŝo[7]



**menuo** listo proponata por elekto de pladoj ĉe restoracio[9]



**meriti**⋆ (*tr*) havi rajton je rekompenco aŭ puno pro sia konduto, ago aŭ eco[6]

**merkato** stato de aĉetpovo kaj aĉetemo pri iu komercaĵo aŭ borsa valoro (neniam merkato estu uzata kiel foiro aŭ vendoplaco)[X]

**merkredo**⋆ la kvara tago de la semajno[5]

**mesaĝo** sciigo; informo sendata de iu persono al alia(j)[X]

**metalo**⋆ materio kun iuj komunaj ecoj: fero, kupro, arĝento ktp[6]

**metalurgio** industrio pri fabrikado kaj prilaborado de metaloj[9]

**meti**⋆ (*tr*) transigi en difinitan lokon aŭ staton[2]

**metio** manlabora profesio[7]

**metodo** pripensita maniero procedi por atingi difinitan celon[8]

**metro** mezurunuo por longo, kiu egalas al 100 centimetroj (alto de homo estas ĉirkaŭ 1,7 metroj)[7]

**metroo** urba fervojo por amasa rapida transportado de pasaĝeroj[Y]

**mezo**⋆ io egaldistanca de du ekstremoj, de du limoj, en spaco aŭ tempo (genuo estas preskaŭ en la mezo de kruro)[4]

**mezuri**⋆ (*tr*) taksi kaj difini grandecon, kvanton, gradon de io[4]

**mi**⋆ vorteto por indiki la parolanton[1]

**mielo** dolĉa likvaĵo, kiun abelo produktas el floroj[9]



**mieno**⋆ aspekto de la vizaĝo, kiu montras penson aŭ emocion[6]

**migri** (*ntr*) iri loĝi en alian lokon (iuj birdoj migras pro la sezono)[8]

**miksi**⋆ (*tr*) meti kune du aŭ pli aferojn tiel, ke oni ne povas plu ilin facile distingi[6]

**mil**⋆ 1.000; trimil: 3.000; mil tri 1003[1]

**milda** malakre impresanta la sentumojn[7]

**miliardo** 1.000.000.000, tio estas mil milionoj[8]

**milimetro** mezurunuo por longo, kiu egalas al 0,1 centimetro[8]

**miliono**⋆ 1.000.000, tio estas mil miloj[6]

**militi**⋆ (*ntr*) per multaj soldatoj kaj armiloj batali kontraŭ alia lando aŭ partio[2]

**minaci**⋆ (*x*) montri al iu per paroloj aŭ gestoj, ke oni intencas fari al li malbonaĵon[6]

**mineralo** substanco, kiu estas nek el besto nek el kreskaĵo[9]

**minimumo** la plej malgranda atingebla kvanto aŭ grado (malsupera limo)[9]

**ministerio** ministro kaj aro da laborantoj ĉe tiu ministro kune kun la rimedoj kaj povoj, kiujn ili havas por zorgi pri iliaj taskoj[9]

**ministro** ano de ŝtata registaro, kiu estras unu el la specialaj administraj fakoj de la ŝtataj aferoj[9]

**mino** entera aŭ subtera loko, el kiu oni elfosas metalojn kaj mineralojn[8]



**minus** vorteto, kiu indikas maladicion (3 - 2 = 1 tri minus du estas unu)[8]

**minuto**⋆ mezurunuo por tempo (1 minuto estas 60 sekundoj; ludo de futbalo estas 90-minuta)[4]

**miri**⋆ (*x*) senti impreson de surprizo pro io eksterordinara[3]

**mirinda** tia, ke tio meritas miron[9]

**mirtelo** sovaĝa malalta arbo kun blue nigraj, manĝeblaj beroj (*Vaccinium myrtillus*)[9]



**mis-**⋆ vortparto por indiki agon laŭ maniero malbona, erara, malĝusta (**mis**kompreni: malguste kompreni)[0]

**mistero** fakto, afero, kiu ne povas esti klarigata[8]

**mistifiki** (*tr*) trompi[9]

**mizero** daŭra granda malriĉeco aŭ malfeliĉo, inda je kompato[7]

**modelo** objekto farita por esti imitata[8]

**modera** nek troa nek maltroa, ne ekstrema[8]

**moderna** apartenanta al la nuna epoko; plej nova[8]

**modesta** kaŝanta aŭ ne alte taksanta siajn meritojn[8]

**modifi** (*tr*) parte ŝanĝi ion[9]

**modo** nedaŭra, kaprica kutimo, moro aŭ maniero, ĉefe pri vestado[7]

**moki**⋆ (*tr*) malŝate, ofende igi iun aŭ ion ridinda[5]

**mola**⋆ ne kontraŭstaranta al premo[5]

**momento*** tre mallonga nedifinita daŭro de tempo[4]

**monato*** 30 aŭ 31 tagoj (unu jaro estas dek du monatoj)[4]

**mondo*** planedo Tero; ia parto de la geografia mondo aŭ de la socio, rigardata kiel tuto[2]

**mono*** pagilo laŭleĝe fabrikita[3]



**monstro** vivaĵo kun nenormala formo kaj strukturo[9]

**monto*** amaso da roko kaj tero, kiu altiĝas super la nivelo de la ĉirkaŭanta grundo[3]



**montri*** (*tr*) vidigi; indiki datumon; sciigi informon[2]

**monumento** grava konstruaĵo, ofte memoriga pri iu aŭ io[9]

**moralo** tuto de la reguloj montrantaj al la homo ĝiajn devojn en socia aŭ privata konduto[9]

**mordi** premi per dentoj, kio povas aŭ ne tranĉi/ŝiri[7]

**morgaŭ*** en la sekva tago[1]

**moro** ĝenerala vivmaniero kaj kutima konduto de iu popolo aŭ persono[7]

**morti*** (*ntr*) ĉesi vivi; ne plu esti aŭ funkcii[2]

**moskito** pikanta insekto (kulo kaj aliaj), kiu flugas[8]



**motoro** maŝino por transformi ian energion (precipe elektran aŭ ĥemian) en movan energion[8]

**movi*** (*tr*) transloki ion[2]

**mueli** (*tr*) erigi ion (etaj eroj) per ia ilo[7]

**muĝi** (*ntr*) bleki kiel bovo[9] ⓑ▾

**multa*** vorto por indiki grandan nedifinitan kvanton el tuto[2]




**multipliki** (*tr*) obligi nombron (2 x 4 = 8 du oble kvar estas ok)[9]

**munti** (*tr*) fikse kunmeti la diversajn partojn de maŝino sur la ĝustajn lokojn[8]

**murmuri** (*tr*) mallaŭte paroli[7]

**muro*** vertikala surfaco, kiu dividas ejon en domo[3]

**musko** kreskaĵo dense kreskantaj sur malsekaj ŝtonoj, arboj ktp (*Musci*)[9]

**muskolo** karnaĵo servanta por movi la diversajn partojn de la korpo[8]



**muso** malgranda besto (*Mus*)[8]



**muŝo*** malgranda duflugila insekto (*Musca*)[6]



**muta** ne posedanta la parolkapablon; ne povanta aŭ ne volanta dum momento paroli[7]

**muzelo** naza kaj buŝa elstara parto de la kapo de iuj bestoj[9] ⓑ▸



**muzeo** ejo por konstanta elmontrado pri belartoj, sciencoj aŭ aliaj temoj[9]

**muziko*** belarto pri aranĝo de sonoj agrablaj por homa aŭdo[5]

# N

**-n**⋆ vortparto por indiki: ricevon de ago (muso manĝas fromaĝon); direkton (mi falas en truon); vortparto, kiu anstataŭigas prepozicion: ŝi dormis ok horojn (= ŝi dormis dum ok horoj)[0]

**n-ro** numero[X]

**nacio**⋆ popolo difinita laŭ kulturo (lingvo, kutimoj ktp) ofte en sama lando[2]

**nadlo** pinglo-forma parto de aparato por indiki ion[8]

**naĝi**⋆ sin movi sur aŭ en akvo per sia korpo (brakoj, kruroj aŭ naĝiloj)[6]

**naiva** sensperte malkaŝema kaj kredema kiel infano[8]

**najbaro**⋆ tiu, kiu loĝas aŭ troviĝas proksime de alia persono[6]

**najlo** pinta metala bastoneto fiksita per martelo[7]



**najtingalo** birdo, rimarkinda pro sia bela kanto (*Luscinia*)[9]

**naski**⋆ (*tr*) produkti idon; estigi, okazigi[3]

**naturo**⋆ ĉio, kio ne estas farita de homo aŭ maŝino[4]

**naŭ**⋆ 9[1]

**naŭzi** (*x*) kaŭzi vomemon[8]

**nazo**⋆ parto de korpo, per kiu oni rimarkas odorojn[4]



**ne**⋆ vorteto por indiki malkonsenton, malaprobon, malpermeson (ĉu mi povas? ne!)[1]

**nebulo** akva vaporo en aero, kiu malhelpas vidadon[7]

**necesa**⋆ estanta nepre bezonata, ne povanta esti malhavata aŭ ne uzata[3]

**necesejo** loko destinita por feki kaj pisi (neces/ej/o)[X]

**neglekti** (*tr*) malzorgi, neatenti[9]

**neĝo**⋆ kristaliĝinta akva vaporo el ĉielo[4]



**nek**⋆ vorteto por diri "ankaŭ ne", "kaj ne"[1]

**nenia**⋆ de neniu kvalito/speco[1]

**nenial** pro neniu kaŭzo[9]

**neniam**⋆ en neniu tempo[1]

**nenie**⋆ en neniu loko[1]

**neniel** laŭ nenia maniero[9]

**nenies** de neniu[8]

**nenio**⋆ neniu afero[1]

**neniom** neniu kvanto, grado[8]

**neniu**⋆ eĉ ne unu homo, besto aŭ afero[1]

**nepo**⋆ filo de la filo aŭ de la filino[6]

**nepra**⋆ tute neevitebla, tute deviga[6]

**nervo** fadenforma teksaĵo en la korpo de homo aŭ besto por kurentoj el kaj al la cerbo[8]

**nervoza** malpacienca[9]

**nesto** eta korbo de iuj birdoj por siaj ovoj[7]



**neto** klara skribaĵo ne plu ŝanĝebla, ĉar la teksto jam ricevis ĉiujn korektojn[8]

**neŭtrala** senpartia[X]

**nevo**⋆ filo de la frato aŭ de la fratino[6]

**ni**⋆ vorteto por montri la parolanton kaj aliajn (mi kaj vi; mi kaj ĝi; mi kaj ŝi; mi kaj li; mi kaj ili; mi kaj ili kaj vi...)[1]

**nigra**⋆ kun koloro kia de tiu plumo[3]



**nilono** materialo kreita de homo, interalie uzata kiel ŝtofo en vestoj[9]

**nivelo** horizontala ebeno; grado de io kompare al alia afero[8]



**-nj-** vortparto esprimanta karecon (por ino) (patrino = panjo; Gabrieli = Ganjo)[9]

**nobla** havanta altajn moralajn kvalitojn[8]

**nodo** streĉa interplektaĵo[8]



**nokto**⋆ parto de la tago, kiam ne estas suna lumo[4]

**nombro**⋆ matematikaĵo esprimanta grandon aŭ mezuron (3; 4,5; 7/8; 0,09; 1001 ...)[4]

**nomo**⋆ vorto per kiu oni aparte signas iun aŭ ion (Maria, Jozefo, Karlo, Brazilo ...)[2]

**nordo**⋆ unu el la kvar geografiaj ĉefpunktoj[6] (**b**) pĝ 97

**normala** ordinara kaj laŭregula[8]

**noto**⋆ mallonga enskribo memoriga; skriba signo por muzika tono[6]

**nova**⋆ antaŭe ne ekzistanta aŭ ne konata; ankoraŭ ne uzata aŭ malmulte uzata[2] (**b**) pĝ 07

**novembro**⋆ la dek unua monato de la jaro[5]

**nu**⋆ vorteto servanta por kuraĝigi aŭ atentigi pri io sekvanta (nu, ni saltu)[1]

**nubo**⋆ amaso da densaj akvovaporoj, el ĝi falas pluvo[4]



**nuda** (homo) nevestita; (io) neprovizita de la ordinaraj kovraĵoj[7]

**nuko** malantaŭa parto de kolo[9] (b)→



**nukso** frukto kun dika malmola ŝelo[9]

**nul**⋆ 0[4]

**numero**⋆ nombro montranta la vicon de iu objekto inter aliaj[5]

**nun**⋆ vorteto por diri "en ĉi-momento", "en ĉi-epoko"[1]

**nur**⋆ vorteto por diri "ne pli ol" (la forno estas nur varmeta, tio estas, ne sufiĉe aŭ ne plu varma), "ne alie ol" (li povas paroli nur Esperante)[1]

**nutri** (*tr*) doni al vivulo manĝaĵon[7]

# O

**-o**⋆ finaĵo por substantivoj (pan**o**, kap**o**, hund**o**)[0]

**obei**⋆ (*x*) fari tion, kion iu ordonas; ne fari tion, kion iu malpermesas[6]

**objekto**⋆ io ajn, kion oni konas, aŭ provas koni (konkreta aŭ abstrakta); tio, kion atingas la ago de la subjekto[5]

**-obl-**⋆ vortparto por indiki ĝustan pligrandiĝon aŭ maldividon (du**o**-**bl**o: du foje pli granda (laŭ grando aŭ kvanto); tri**obl**a: tia, ke ĝia grando/grado aŭ kvanto iĝis tri foje pli granda)[0]

**oblikva** kliniĝanta for de la vertikala direkto, pozicio[9]

**observi** (*tr*) rigardi ion ade, kun daŭra atento; trafe obei[8]

**obstaklo** malhelpo, baro[9]

**obstina** firme restanta ĉe sia propra opinio aŭ volo eĉ dum malfacilaj situacioj[9]

**oceano** la tuta kuno de sala akvo, kiu apartigas la mondopartojn[9] (**b**) pĝ 98 (**v**) Atlantiko, Pacifiko

**odori** ($x$) eligi nevideble etajn aĵojn, kapablajn impresi flarsenton[7]

**ofendi** (*tr*) kolerigi per malrespekto al ies sentoj aŭ honoroj[9]

**oferi** (*tr*) donaci al dio(j)[8]

**oferti** (*tr*) proponi al iu varon aŭ servon aĉetotan[7]

**oficiala** deklarita de rajta aŭtoritato[8]

**oficiro** ĝenerala vorto por militistaj estroj el pluraj rangoj[9]

**ofico**⋆ okupo, profesio[5]

**ofta**⋆ okazanta aŭ trovebla multe da fojoj[2]

**ok**⋆ 8[1]

**okazi**⋆ (*ntr*) estiĝi, fariĝi en iu loko aŭ momento[2]

**okcidento**⋆ unu el la kvar geografiaj ĉefpunktoj, kie la suno subiras[6] (**b**) pĝ 97

**oktobro**⋆ la deka monato de la jaro[5]

**okulo**⋆ parto de la korpo, per kiu oni vidas[3]



**okupi**⋆ (*tr*) resti, sin troviĝi en iu loko; teni en posedo iun lokon aŭ tempon[3]

**ol**⋆ vorteto por kompari (tiu libro estas pli dika ol tiu alia; Karina estas pli alta ol Natalia)[1]

**oleo**⋆ grasa fluaĵo el besta, kreskaĵa aŭ ŝtona origino, uzata por kuiri, en industrio ktp[6]



**olivo** frukto el olivarbo, kiu donas bonegan oleon (*Olea europea*)[8]



**ombrelo** portebla ŝirmilo kontraŭ pluvo aŭ suno[8]



**ombro**⋆ senluma aŭ malhela loko, pro lumbaro (jen bildo de arbo kaj ĝia ombro)[5]



**-on-**⋆ vortparto por indiki ĝustan malpligrandiĝon aŭ dividon (du**on**o: du foje malpli granda aŭ unu el du egalaj partoj post divido en du)[0]

**ondo**⋆ akvomaso, kiu leviĝas kaj refalas ĉe supraĵo de maro[6]



**oni**⋆ nedifinita pronomo, signifanta "la homoj", "multaj aŭ kelkaj personoj" (oni kredas, ke ...)[1]

**onklo**⋆ frato de patro aŭ patrino[4]

**-ont-**⋆ vortparto por diri, ke la ago tuj okazos, rilate al kiu agos:

manĝonto estas tiu, kiu baldaŭ manĝos[0] (**b**) pĝ 09

-**op**- vortparto por indiki grupon (du**op**o: du aĵoj kune; kvin**op**e ili sin ĵetis sur min)[9]

**operacii** (*tr*) fari kirurgion; fari kalkulon[8]

**opero** muzika teatraĵo[9]

**opinii*** (*tr*) pensi ion pri io aŭ iu; pensi pri io, kia ĝi estas[4]

**oponi** (*ntr*) kontraŭstari[9]

**oportuna** facile uzebla; faciliganta sukceson[7]

**opozicii** (*x*) politike oponi[9]

**oranĝo** globforma kaj dolĉa frukto de oranĝujo (*Citrus aurantium*)[7]



**oratoro** homo, kiu bone parolas al publiko[9]

**ordinara*** ne speciala; ĉiutaga[5]

**ordo*** regula aranĝo de aferoj (a, b, c, ĉ ... estas en ordo; z, k, ĵ, l ne estas en ordo)[4]

**ordoni*** (*tr*) estre esprimi al iu sian volon, ke tiu faru ion[4]

**orelo*** ekstera parto de aŭdorgano, per kiu oni aŭdas[4]



**orfo** knabo aŭ knabino, kies patro aŭ patrino mortis[8]

**organismo** tutaĵo de organoj, kiuj kune formas vivan estaĵon[X]

**organizi*** (*tr*) starigi ion, kunordigante ĝiajn partojn por plenumi difinitan funkcion[6]

**organo** parto de homo, besto aŭ kreskaĵo kun speciala funkcio (la speciala funkcio de koro estas movi la sangon)[7]

**orienti** (*tr*) konstrui ion tiel, ke ĝia antaŭo estas direktita al oriento; diri kie iu estas, kaj laŭ kiu direkto ĝi iru[9]

**oriento*** unu el la kvar geografiaj ĉefpunktoj, kie la suno leviĝas[6] (**b**) pĝ 97

**originalo** aĵo el kiu oni kopias ion; aĵo uzata kiel modelo[8]

**origino** loko aŭ grupo da uloj, en kiu naskiĝis homo, familio aŭ popolo; kaŭzo, pro kiu komenciĝas io[7]

**orkestro** granda muzikgrupo ludanta diversajn muzikilojn[9]

**ornami** (*tr*) plibeligi[7]

**oro*** valora metalo (*Au*)[6]

**orto** angulo je 90°[8]

**ortografio** maniero korekte skribi la vortojn de iu lingvo[9]

-**os*** finaĵo por verboj, kiam temas pri la tempo post nun (morgaŭ mi vizit**os** vin)[0] (**b**) pĝ 09

**oscedi** (*ntr*) malfermi la buŝon pro dormemo, enuo aŭ laciĝo[8]

**osto*** malmola parto de la homa aŭ besta korpo[6]



-**ot**-* vortparto por diri, ke la ago tuj okazos, rilate al kiu ricevos la agon: manĝota pomo estas pomo, kiun oni tuj manĝos[0] (**b**) pĝ 09

**ovalo** ebena kurbo simila al tiu de la bildo; io ovoforma[9]



**ovo**⋆ globoforma aĵo, kiu fariĝos ido[5]



# P

**pacienca**⋆ havanta kapablon trankvile (longe) atendi[6]

**Pacifiko** parto de la oceano[9] (**b**) pĝ 98

**paco**⋆ stato de lando, kiu ne estas en milito; stato de socio, en kiu ne estas perforto[3]

**paĉjo** (pa(tro)/ĉjo) kara vorto por patro[8]

**pafi**⋆ (*tr*) ĵeti aĵon per speciala ilo, kiu ege rapidigas ĝin[6]

**pagi**⋆ (*tr*) doni monon pro ŝuldo aŭ aĉeto[3]



**paĝo**⋆ unu flanko de folio de libro, revuo aŭ ĵurnalo (vi ĝuste legas la 66an paĝon)[5]

**pajlo** seka trunketo de greno[7]

**pako**⋆ aro da aĵoj ŝirmitaj per papero kaj ŝnuro aŭ en sako[5]



**pala** (pri vizaĝo) neruĝa aŭ senkolora; malmulte brila[7]

**palaco** granda luksa domego de reĝo aŭ riĉulo[8]

**palato** la supro de la buŝa kavaĵo[9]

**paliso** fosto[9]

**palmo** arbo el varmaj landoj kun ege grandaj folioj[9]



**palpebro** haŭto, kiu kovras la okulon je ĝia fermo[9]

**palpi** (*tr*) malforte uzi la mano(j)n por senti per la fingroj[9]

**palto** supervesto por malvarma vetero[9]

**paneo** subita malfunkcio de maŝino[9]

**panjo** (pa(trino)/njo) kara vorto por patrino[8]

**pano**⋆ manĝaĵo bakita el faruno[4]



**pantalono**⋆ vesto, kiu kovras de zono ĝis piedoj, aparte ĉiun kruron[6]



**pantoflo** hejma piedvesto mola kaj malpeza[9]

**papago** birdo kun hoka beko, kiu imitas la homan voĉon (*Psittacus*)[9]



**papero**⋆ maldika folio por fari libron aŭ ĵurnalon, por skribi leteron ktp[4] (**b**) pĝ 07

**papilio** insekto, kiu ŝatas florojn kun belaj flugiloj (*Lepidoptera*)[9]



**papo** estro de Rom-katolika religio[9]

**paradizo** ĉiela loko por justaj homoj post morto; loko, kie ĉio estas bona[9]

**paralelo** linio, kiu ĉie tenas saman distancon de alia[9]



**paraŝuto** aparato por salti el ege alta loko, ofte el aviadilo[9]



**pardoni**⋆ (*x*) rezigni puni aŭ venĝi pro suferita ofendo[4]

**parenco**⋆ homo el sama familio (patro, kuzo, onklo ktp); homo havanta saman praulon[6]

**parfumo** agrabla odoro[8]

**parko** loko kun multaj kreskaĵoj en spaco por promeni; loko por restigi aŭton[8]

**parlamento** aro da reprezentantoj de la popolo, kiu kreas leĝojn[9]

**paro**⋆ aro de du samspecaj aĵoj (paro da ŝuoj)[6]

**paroli**⋆ (*x*) esprimi sian penson per vortoj; diri vortojn[2]

**partio** grupo da homoj havantaj samajn politikajn aŭ sociajn opiniojn; unu el du flankoj en disputo[7]

**parto**⋆ ne la tuto, kiu povas esti fakte aparta aŭ nur per vido aŭ penso[3]

**pasaĝero** iu, kiu veturas (per aŭto, ŝipo aŭ aviadilo) tamen ne estas la ŝoforo[9]

**pasero** eta birdo vivanta ĉefe en urboj (*Passer*)[9]

**pasi**⋆ (*ntr*) iri tra aŭ preter iu loko por atingi alian; iom post iom malaperi aŭ ne plu okazi (la pluvo pasis; jam kvin jaroj pasis)[3]

**pasio** ega inklino al io; arda amo[8]

**pasko** ĉiujara festo pro reviviĝo de Kristo; Hebrea festo je la rememoro de liberiĝo el Egiptujo[8]

**pasporto** dokumento por vojaĝi al alia lando[7]

**pasto**⋆ miksaĵo de faruno kun akvo aŭ lakto por fari panon, kukon ktp[6]

**pastro** laboranto en regilio, kiu gvidas la aferojn en preĝejo[7]

**paŝi**⋆ (*ntr*) movi la krurojn por piediri[4]

**paŝti** (*tr*) konduki brutojn sur kampo, por ke ili manĝu herbon[8]

**pato** malprofunda senkovrila kaserolo kun longa tenilo, uzata por friti[8]



**patrioto** iu, kiu amas sian landon[X]

**patro**⋆ viro, kiu igis virinon graveda, estas patro de tiu ido[2]

**patrono** eminenta persono protektanta alian personon aŭ aferon[8]

**paŭzi** (*ntr*) halti momente dum agado[8]

**pavo** birdo kun tre bela kaj granda vosto (*Pavo*)[9]



**peco**⋆ parto ne plu ligita al tuto; parto apartigita pro tranĉo aŭ rompo[3]

**pego** birdo kun forta beko, per kiu ĝi faras truojn en arbo por manĝi insektojn (*Picidae*)[X]



**pejzaĝo** speciala vidaĵo[8]

**peki** (*ntr*) malobservi religian aŭ moralan leĝon[7]

**pekli** (*tr*) meti viandon aŭ legomon en salon por konservi ĝin manĝebla[9]

**peli**⋆ (*tr*) irigi, kurigi antaŭ si; forkurigi[6]

**pelto** preparita felo uzata kiel vesto[8]

**pendi**⋆ (*ntr*) esti alligita per unu ekstremo tiel, ke la cetero estas

libera, ne tuŝante la teron[5]

**pendolo** pezaĵo pendanta de fiksa punkto kaj kun ripeta movo[9]



**penetri** (*x*) eniĝi en ion[8]

**peni**⋆ (*ntr*) ege streĉi siajn fortojn por atingi rezulton[4]

**peniko** aro da haroj kunligitaj ĉe ekstremo de eta bastono, uzata por ŝmiri aŭ pentri[8]



**peniso** ekstera vira organo, per kiu homoj kaj bestoj pisas kaj seksumas[X]

**pensi**⋆ (*x*) havi ideojn[3]

**pensio** ĉiumonata aŭ ĉiujara pago al emerito[9]



**pensiono** domo, kie loĝado, manĝado kaj aliaj servoj estas luataj kiel tutaĵo[X]

**penti** (*x*) senti bedaŭron pro io farita aŭ pro io nefarita[8]

**pentri**⋆ (*tr*) fari bildon per farboj[6]

**per**⋆ prep. por indiki ilon, rimedon aŭ manieron: mi tondas per tondilo; komenci sian paroladon per gratulo[1]

**perdi**⋆ (*tr*) ekmalhavi; malvenki; vane uzi[3]

**perei** (*ntr*) neatendite morti per akcidento aŭ perforto[9]

**perfekta** havanta ĉiujn kvalitojn kaj neniun mankon[8]

**perfidi** (*tr*) agi trompe, kontraŭ ies fido[8]

**periodo** tempo inter du samaj okazaĵoj el ago, kiu ade ripetiĝas[9]

**perlo** brile blanka globeto el maro, uzata kiel juvelo[9]

**permesi**⋆ (*tr*) (iu) konsenti, ke iu libere faru ion; (io) ebligi, ke iu faru ion[3]



**perono** ekstera malalta ŝtuparo antaŭ domo, kiu finiĝas per larĝa ebena supro[9]

**persekuti** (*tr*) persiste postiri por atingi aŭ malamike trakti[7]

**persiko** bongusta frukto de persikujo (*Prunus persica*)[9]



**persisti** (*ntr*) energie daŭrigi, eĉ malgraŭ malhelpoj, tion, kion oni komencis[9]

**persono**⋆ homo kun siaj ecoj[3]

**pesi** (*tr*) mezuri pezon de aĵo (gramo kaj kilogramo estas unuoj de pezo)[7]

**petalo** belkolora folio de floro[X]

**peti**⋆ (*x*) sciigi al iu, ke oni deziras ion de ĝi[2]



**petoli** (*ntr*) sin amuzi per viglaj ludaj movoj, kiel infano; infanece amuzi sin per gaje ŝercaj agoj aŭ paroloj[7]

**petrolo** ĉiu el la diversaj materioj el ter-oleo (lampa oleo, benzino ktp)[8]

**peza**⋆ altirata de tero per granda forto (formiko estas malpeza, elefanto estas peza)[5]

**pia** sincere kaj ame respektoplena al dio kaj religiaĵoj[9]

**piano** muzikilo kun kordoj, kiujn oni ludas per klavaro[9]

**piceo** pingloarbo kun disaj pingloj (*Picea*)[9] (b)→



**pico** plata kaj ronda bakata manĝaĵo kun fromaĝo, tomato ktp[X]

**piedo**⋆ ekstremaĵo de la kruro, kun fingroj[3]



**pigo** birdo el korvo-familio kun longa vosto (*Pica*)[9]

**piki**⋆ (*tr*) pli malpli profunde enigi pinton en ion (dorno pikas)[6]

**pilko**⋆ globoforma ludilo[6]



**pilo** fonto de elektra energio el ĥemia energio[8]

**piloto** kondukisto de aviadilo aŭ ŝipo[9]

**pinĉi** (*tr*) premi inter du fingroj aŭ inter du pecoj[8]

**pinglo**⋆ metala stangeto, pinta ĉe unu ekstremo, kiun oni uzas por pike fiksi paperon aŭ veston[6]




**pino** arbo parenco de abio kaj piceo, uzata kiel ornamaĵo en Krist-nasko (Pinus)[7]

**pinto**⋆ pika ekstremo; ekstremo[6]

**pioĉo** hakfosilo[8] (b)→



**pioniro** homo, kiu komencas novan aferon[9]

**pipo** speciala ilo por fumi[7]



**pipro** sekigita frukto de piprujo, kun pika gusto kaj uzata kiel spico (*Piper*)[9]



**piramido** aĵo kun formo simila al formo de ĉi tiu bildo[X]



**piro** sukoplena frukto de pirujo (*Pyrus communis*)[8]



**pisi** (*ntr*) eligi urinon[X]

**pizo** legomo kun globformaj verdaj semgrajnoj (*Pisum*)[7]

**placo** libera spaco, ĉirkaŭita de domoj, en urbo aŭ vilaĝo[7]

**plaĉi**⋆ (*ntr*) kontentigi iun per sia ĉarmo[5]

**plado** granda telero, kiu alportas manĝaĵon al ĉiuj ĉe tablo; la manĝaĵo en ĝi[7]

**plafono**⋆ surfaco, kiu estas la supra interna parto de ĉambro[5]

**plago** granda longedaŭra malfeliĉiga okazaĵo[9]

**plando** suba parto de la piedo, kiu tuŝas la teron[9]

**plandumo** suba plata parto de ŝuo (pland/um/o)[9]

**planedo** aĵo, kiu moviĝas ĉirkaŭ stelo (Tero estas planedo)[9]



**planko**⋆ malsupra ebeno de ĉambro, sur kiu oni paŝas[4]

**plano** antaŭe pripensita kaj ordigita aranĝo de aferoj por fari[7]

**planti**⋆ (*tr*) meti kreskaĵon en grundon por ke ĝi plu kresku[6]

**planto**⋆ ago planti; kreskaĵo, kiu estis plantita[6]

**plastiko** arto reprodukti la formojn de objektoj[9]

**plasto** moderna substanco uzata por pluraj celoj[9] (b)→



**plata**⋆ prezentanta malgrandan dikecon kompare kun la du aliaj dimensioj (disko estas plata); ebena aŭ preskaŭ ebena[6]

**platano** arbo, kies ŝelo falas ĉiujare (*Platanus*)[9]



**plej**⋆ vorteto esprimanta kvanton aŭ gradon superan al ĉiuj aliaj (la plej granda: ne estas alia pli granda)[1]

**plekti** (*tr*) kunigi plurajn fadenformajn objektojn, multfoje kaj regule interkrucigante ilin[8]

**plena**⋆ tia, ke la tuta spaco estas okupita; kompleta[2]

**plenaĝa** havanta la aĝon, kiu donas ĉiujn rajtojn kaj devigojn (plen/aĝa/a)[9]

**plendi**⋆ (*ntr*) esprimi per vortoj sian doloron; esprimi per vortoj, ke oni estas malkontenta pri io[4]

**plenumi** (*tr*) plene fari tion, kion oni devas (plen/um/i)[8]

**pleto** plato uzata por alporti telerojn, pladojn, glasojn kaj tasojn dum manĝo[8]

**plezuro**⋆ agrabla sento de bonstato[4]

**pli**⋆ vorteto por diri "en grado aŭ kvanto supera je iu alia" (Aa: A estas pli alta ol a)[1]

**pliigi** (*tr*) pligrandigi aŭ plimultigi (pli/ig/i)[9]

**plonĝi** (*ntr*) lerte sin ĵeti en akvon[9]

**plori**⋆ (*ntr*) montri sian doloron per larmoj[4]

**plu**⋆ vorteto montranta la daŭradon kaj neĉesadon de iu stato aŭ ago (plu pluvas...: la pluvo ankoraŭ okazas)[1]

**plugi**⋆ (*tr*) tranĉi la surfacon de la tero per speciala ilo por semi[6]

**plumbo** griza, mola kaj peza metalo (*Pb*)[8]

**plumo**⋆ tio, kio kovras la haŭton de birdoj[4] ⓑ→



**pluraj**⋆ pli ol unu[6]

**pluralo** multenombro (indikita per -j: unu pomo, du pomo**j**, tri pomo**j** ktp)[9]

**plus** vorteto indikanta adicion (1 + 1 = 2, unu plus unu estas du)[8]

**pluvo**⋆ akvo gute falanta de nuboj[4]



**pneŭo** la elasta kovrilo de rado[Y]

**po** prep. signifanta disdividon (la kurso daŭras dum 10 tagoj po 30 minutoj)[9]

**poemo** grandforma poeziaĵo[8]

**poeto** tiu, kiu verkas poeziaĵojn[7]

**poezio** arto esprimiĝi, ofte per versoj, tiel ke la sonoj kaj ritmo vekas emociojn[8]

**polico**⋆ ero de la ŝtato komisiita por prizorgi la publikan ordon kaj sekurecon[6]




**poligloto** homo, kiu scias multajn lingvojn[X]

**politiko** scienco aŭ arto rilata al la regado de ŝtato[7]

**poluro**⋆ surfaca brilo pro frotado[6]

**polvo**⋆ etaj eroj el tero facile levataj de vento; etaj eroj el aliaj sekaj materialoj (malpuraĵo)[6]

**pomo**⋆ frukto de la pomarbo (*Malus*)[6]



**ponto**⋆ konstruaĵo ebliganta trairon de rivero[6]



**popolo**⋆ homoj, kiuj sentas sin samaj; homoj el lando, kiuj ne estas la regantoj[3]

**populara** facile komprenebla por la popolo; konata kaj amata de la popolo[9]

**por**⋆ prep. por indiki: celon (preni plumon por skribi); aĉetobjekton; aĉet- aŭ vend-prezon (aĉeti teon por unu franko); = kvazaŭ (mi prenis la danĝeron por ŝerco)[1]

**porcelano** delikata speco de fajenco[9]

**porcio** kvanto da manĝaĵo donata al ĉiu persono[9]

**pordo**⋆ malfermaĵo en muro de konstruaĵo aŭ en flanko de veturilo por lasi en- kaj el-iron; plato, kiu fermas pordan spacon[3]



**porko**⋆ besto kun mallongaj kruroj hejme bredata pro viando (*Sus*)[5]



**porti**⋆ (*tr*) subteni objekton; preni kun si kaj iri por demeti en alian lokon[2]

**portreto** bildo (desegnaĵo, pentraĵo, fotografaĵo) de aparta persono[9]



**posedi**⋆ (*tr*) havi rajton aŭ eblon uzadi ion; havi je sia dispono[6]

**post**⋆ prep. por indiki tempon pli malfruan ol alia (post sufero venas prospero); malantaŭ (la princo sidiĝis post kolono)[1]

**postaĵo** sid-vangoj (post/aĵ/o)[X]

**posteno** loko okupita per aro da soldatoj por milita celo; ofico[8]

**postuli**⋆ (*tr*) severe peti ion pro sia rajto, aŭtoritato aŭ forto; igi ion nepre necesa[3]

**poŝo**⋆ speco de saketo ĉe vesto[5] ⓑ→



**poŝto**⋆ servo por transporto de leteroj aŭ malgrandaj pakaĵoj[5]

**potenco** kapablo forte efiki[7]

**poto**⋆ vazo por diversaj uzoj: kuirpoto, flor-poto ktp[6]

**povi**⋆ (*ntr*) havi kapablon necesan por fari ion; havi la rajton, la aŭtoritaton necesan por fari ion; havi la permeson, la eblecon por fari ion[2]

**pozicio** loko, sur kiu io restas; rango en socio, entrepreno ktp[8]

**pra-** vortparto por montri longan antaŭtempecon (**pra**arbaro); malproksiman gradon de parenceco (la **pra**avo estas la patro de la avo)[9]

**praktiko**⋆ farado de io per la reguloj de arto aŭ scienco[6]

**pramo** plata ŝipo por transporto de homoj kaj veturiloj ĉe rivero, kie ne estas ponto[X]

**prava**⋆ havanta ĝustan opinion aŭ konduton[4]

**precipa**⋆ plej grava; ĉefa[4]

**preciza**⋆ klare kaj detale determinita[6]

**preferi**⋆ (*tr*) laŭvole elekti ion inter pluraj[5]

**preĝejo** konstruaĵo aŭ loko, en kiu oni preĝas[X]

**preĝi**⋆ (*ntr*) sin turni al dio por peti aŭ danki[6]



**prelegi** (*ntr*) prezenti iun temon[9]

**premi**⋆ (*tr*) fari forton sur ion[3]

**premio**⋆ rekompenco por venkinto de konkurso[6]

**preni**⋆ (*tr*) kapti iun aŭ ion per sia mano aŭ per ilo; havigi al si[2]

**prepari**⋆ (*tr*) fari ĉion necesan, kio ebligas faradon de io alia; pretigi[5]

**prepozicio** (al, da, je, po, pri, sub, tra ...)[X] (**v**) pĝ 11

**presi**⋆ (*tr*) meti inkon sur paperon aŭ alian surfacon per aparato, kiu faras kopion[6]

**preskaŭ**⋆ vorto por diri "ne tute, sed proksimume" (ili estas preskaŭ samaĝaj)[1]

**preskribi** (*tr*) ordoni skribe[9]

**preta**⋆ plene preparita; disponebla por tuja uzo[4]

**preteksto** ŝajna kialo eldirita por kaŝi la veran kialon[8]

**pretendi** (*x*) per volo postuli ion (tio povas okazi eĉ se oni ne rajtas postuli tion, ĉar temas pri volo)[8]

**preter**⋆ prep. por montri lokon aŭ objekton, apud kiu oni pasas[1]

**prezenti**⋆ (*tr*) meti ion antaŭ iu, por ke tiu ĝin prenu, vidu aŭ juĝu; starigi antaŭ ies imago la bildon de iu aŭ io[3]

**prezidi** (*x*) direkti la laboron de kunveno aŭ societo; regi[7]



**prezo**⋆ vendvaloro de objekto[6]

**pri**⋆ prep. por diri "koncerne al", "rilate al" (plori pri iu; kontenta pri io; filmo pri amo)[1]

**principo** fundamenta elemento el kiu io devenas; fundamenta veraĵo[9]

**princo** filo de reĝo[9]

**printempo**⋆ sezono post vintro kaj antaŭ somero (printempo: la sezono de floroj)[4] (**b**) pĝ 13

**privata** tia kiu koncernas nur la personan aŭ familian vivon de individuo[7]

**pro**⋆ prep. por indiki kialon: mi ridas pro lia naiveco[1]

**probabla** havanta grandan aŭ la plej grandan ŝancon por okazi; havanta grandajn aŭ la plej grandajn kialojn por esti vera[8]

**problemo** malfacilaĵo[8]

**procedi** (*ntr*) uzi difinitajn rimedojn por fari ion[8]

**procento** profito produktata de monsumo, kiun oni pruntis aŭ ŝuldas[9]

**proceso** jura studo de okazaĵo por juĝo en tribunalo[8]

**produkto**⋆ vivaĵo aŭ senvivaĵo kreita per natura vojo por komerco kaj konsumado; utila objekto kreita el krudaj materialoj (la fabriko produktas bonan tolon; tolo estas

produkto)[5]

**profesio** ĉiu okupo, per kiu oni akiras vivrimedojn[8]

**profesoro** iu, ĝenerale doktoro, kiu instruas en universitato[9]

**profeto** homo komisiita de dio; antaŭdiristo; religia gvidanto[9]

**profito** utilo de io; mongajno de iu laboro, de entrepreno[8]

**profunda**⋆ (pri puto, rivero ktp) havanta grandan distancon inter la malferma parto kaj la fundo[4]

**programo** laŭtempa listo de prezentotaj aŭ farotaj aferoj, de taskoj (por televido, kongreso ktp)[9]

**progresi**⋆ (*ntr*) antaŭen-iri al supera grado de disvolviĝo; perfektiĝi[6]

**projekto** detala plano proponata al iu[9]

**prokrasti** (*tr*) ne fari nun por fari poste[8]

**proksima**⋆ apartigita per malgranda distanco en spaco aŭ tempo[2]

**proksimume** ne plene trafante la veron aŭ celon (proksim/um/e)[7]

**proleto** homo, kies nuraj vivrimedoj estas vendo de sia laborforto[9]

**promeni**⋆ (*ntr*) iri de loko al loko por plezuro[5]

**promesi**⋆ (*tr*) certigi, ke oni faros aŭ donos[5]

**pronomo** speciala vorto servanta por anstataŭi nomon (mi, vi, li, ŝi, ĝi, ni, ili, tiu, tio, ĉiu...)[9]

**prononci** (*tr*) elparoli[9]

**propagandi** (*tr*) klopodi disvastigi ideon[9]

**proponi** (*tr*) montri ion al iu, por ke tiu uzu ĝin; diri al iu, ke tiu eble faru ion[9]

**propozicio** parto de frazo esprimanta per si mem kompletan sencon[9]

**propra**⋆ de tiu/tio mem (timulo timas eĉ sian propran ombron)[3]

**prosperi** (*ntr*) esti en kontentiga, sukcesa stato[9]

**protekti** (*tr*) defendi, ŝirmi aŭ helpi kontraŭ danĝero[7]

**protesti** (*ntr*) fari deklaron kontraŭ io[7]

**proverbo** popoldiraĵo ("ne gutas mielo el la ĉielo" estas proverbo)[9]

**provi**⋆ (*tr*) uzi/fari ion por scii, ĉu oni povas uzi/fari tion[3]

**provinco** administra aŭ historia subdividaĵo de lando[9]

**provizo** abunda materialo aŭ sufiĉe granda kolekto da objektoj, kiujn oni povas bezoni[8]

**provizora** intertempa, ne por daŭra uzo[X]

**provoki** (*tr*) (iun) instigi al batalo; (ion) kaŭzi[9]

**prozo** parolo aŭ teksto ne aranĝita laŭ verso[8]

**prudenta** kapabla regi siajn agojn por ne erari aŭ meti sin en danĝeron[7]

**pruno** frukto de prunujo kun malmola kerno (*Prunus domesticus*)[9]



**prunto**⋆ dono de io al iu por posta redono[5]

**pruvi** (*tr*) (iu) montri per rezonado aŭ fakto, ke io estas vera; (io) esti la pruvo de[8]

**psikologio** scienco pri konsciaj aŭ nekonsciaj fenomenoj de menso[9]

**publiko**⋆ grupo da uloj: rigardantoj (en teatro, kinejo ktp), klientoj, legantoj ktp[6]

**pudro** kolora kaj odora pulvoro por tualeto[9]



**pugno** fermita mano[7] b→

**pulmo** parto de la korpo, kie sango prenas $O_2$ el la aero, kiun oni spiris[8]



**pulo** eta sangosuĉa insekto, kiu tre bone saltas (*Pulex*)[X]

**pulvo** eksplodema pulvoro[8]

**pulvoro** solida substanco dispecigita en tre malgrandajn erojn[8]

**pumpi** (*tr*) altiri aŭ repuŝi fluaĵon per speciala ilo[8]

**puni**⋆ (*tr*) kaŭzi al iu suferon kompense de ties malbona ago aŭ kulpo[6]

**punkto**⋆ loko, kiu ne havas longon aŭ larĝon (en spaco aŭ tempo); speciala temo; la signo "."[3]

**punto** maldensa teksaĵo (delikata reto, kiu prezentas desegnaĵon)[9]

**pupilo** la parto de la okulo, kie lumo povas eniri[9]



pupilo

**pupo** ludilo en formo de eta homo aŭ besto[8]



**pura**⋆ miksita je neniu fremda elemento; ne makulita de naŭza substanco (polvo, graso, koto, ktp)[3]

**puso** densa flaveta fluaĵo el vundo[9]

**puŝi**⋆ (*tr*) movi per premo aŭ frapo[5]

**puto** truo en tero por tiri akvon[7]

**putri** (*ntr*) malkomponiĝi (pri frukto, manĝaĵo, mortinta besto ...)[8]

# R

**rabato** malaltigo de prezo[9]

**rabi** (*tr*) per forto aŭ minaco (uzi forton) forpreni ies posedaĵon[8]

**racio** kapablo decidi per logika rezonado[9]

**radiatoro** aparato ĉe motoro, kie varmega akvo malvarmiĝas por plu helpi teni temperaturon de motoro[9]

**radiko** subtera parto de arbo aŭ alia kreskaĵo[7]



**radio**⋆ ĉiu aparta rektlinia elsendaĵo el fonto de lumo, varmo, elektro ktp[5]

**rado**⋆ ronda aĵo turniĝanta ĉirkaŭ centra akso[6]



**rafano** manĝebla radiko de herbo (*Raphanus*)[9]



**rajdi** (*x*) iri sidante sur dorso de besto[7] b→



**rajto**⋆ povo fari ion aŭ postuli ion de aliuloj[3]

**rakonti**⋆ (*tr*) parole aŭ skribe konigi okazintaĵon[3]

**rampi** (*ntr*) moviĝi sur grundo per la ventro (serpento rampas, ĉar ĝi ne havas piedojn)[8]

**rando*** ĉirkaŭa ekstrema parto de io[6]

**rango** grado, alteco de ofico[8]



**rano** besto, kiu vivas ĉe akvo (*Rana*)[9] (b)▲

**rapida*** faranta aŭ okazanta dum mallonga tempo (kuniklo estas pli rapida ol testudo)[2] (**b**) pĝ 07

**raporti** (*x*) veni al iu kaj transdoni akiritan informon[8]

**rato** besto simila al muso, sed pli granda ol muso (*Rattus*)[8]



**raŭka** sonanta malklare (raŭka voĉo pro malvarmumo)[9]

**raŭpo** larvo de papilio kaj de kelkaj aliaj flugilaj insektoj[9]



**ravi** (*tr*) veki grandan admiron[8]

**razi** (*tr*) fortranĉi harojn ĉe ties radiko[7]



**re-*** vortparto, kiu indikas denovan venon aŭ ripeton (**re**doni monon; **re**vidi; **re**legi)[0]

**reakcio** kontraŭago[9]

**reala** vere okazinta; vere ekzistanta[9]

**recenzi** (*tr*) fari raporton pri iu verko; doni sian opinion pri iu verko[9]

**recepto** klara kaj instrua skribaĵo pri kiel pretigi ion (manĝaĵon, kuracilon ktp)[8]

**reciproka** sama (de unu al alia, kiel de la alia al tiu unu)[8]

**redakti** (*tr*) direkti publikigon de gazeto, revuo aŭ similaĵo[9]

**redukti** (*tr*) malgrandigi laŭ dimensio aŭ nombro[9]

**reflekso** movo sendependa de volo[Y]

**reflekti** (*tr*) reĵeti lumon, sonon aŭ similaĵon (spegulo reflektas lumon)[9]

**reformi** (*tr*) doni alian pli bonan formon[9]

**regali** (*tr*) bone kaj plezurige trakti iun[8]

**regi*** (*tr*) efektive estri, direkti laŭ sia volo aŭ laŭ sia rajto[3]

**regimento** parto de armeo[9]

**regiono*** parto de lando kun speciala eco (natura aŭ socia)[5]

**registro** libro, en kiu oni notas ciferojn, faktojn ktp[7]

**regno*** vorto por ŝtato en pasintaj jarcentoj[6]

**regulo*** tio, kio estas difinita por gvidi la agadon, konduton ktp[6]

**reĝimo** sistemo de regado en ŝtato aŭ administrado en entrepreno[9]

**reĝo*** dumviva regnestro, kies insigno estas krono[5]

**reklami** (*tr*) laŭdi kaj rekomendi al la publiko komercaĵon[8]

**rekomendi*** (*tr*) forte proponi kun prezento de bonaj ecoj[6]

**rekompenco** io donita aŭ servita al iu pro danko al ricevita servo aŭ bonfaro de tiu[8]

**rekordo** plej supera rezulto en tuta historio de iu sporto[8]

**rekta**$^{\star}$ havanta unu solan direkton; nekurba[5] (1: rekta; 2: kurba)




**rektangulo** figuro kun kvar rektaj lateroj kaj kvar anguloj je $90^{o}$ (rekt/angul/o)[9]



**relativa** dependa, kompara, kondiĉa[9]

**religio**$^{\star}$ kredo kaj praktiko de rilatoj inter la homo kaj la transmondo, supernaturaj estuloj, vivo kaj morto[5]

**relo** longa stango el metalo, sur kiu iras tramo aŭ lokomotivo[7]



**remi** movi boaton mane per remiloj[8]



**rendevuo** interkonsento pri loko kaj horo por renkontiĝo[9]

**renkonti**$^{\star}$ (*tr*) trovi iun dum oni iras kontraŭdirekte al tiu[3]

**reno** organo, kiu purigas la sangon[9]

**rento** perioda profito de prunto, luo aŭ valorpaperoj[9]

**renversi** (*tr*) faligi ion aŭ iun starantan; klini vazon, por ke la enhavo foriru[7]

**reprezenti** (*tr*) anstataŭi iun laŭ komisio[7]

**respekti**$^{\star}$ (*tr*) estimi kaj submetiĝi al iu[6]

**respondi**$^{\star}$ (*x*) doni informon petitan per demando[2]

**respubliko** politika reĝimo, en kiu la reganto estas elektita de la popolo[8]

**resti**$^{\star}$ (*ntr*) ne foriri, ne malaperi, estadi en iu loko; plu esti en sama stato[2]

**restoracio** loko, kie oni manĝas kontraŭ pago[7]

**resumo** mallongigo de io pli longe dirita[9]

**reto**$^{\star}$ plektaĵo kun grandaj interspacoj inter la fadenoj aŭ ŝnuroj[6]



**revi** (*x*) imagi tion, kion oni forte deziras[8]

**revizii** (*tr*) kontroli kaj foje priserĉi homojn, komercaĵojn ktp (dogane, police ktp)[9]

**revolucii** (*ntr*) fari subitan ŝanĝon en politika reĝimo de iu lando[9]

**revuo** perioda, sed ne ĉiutaga presaĵo en formo de broŝuro ĝenerale pri iu aparta fako[8]

**rezervo** io konservita disponebla por posta uzo[8]

**rezigni** (*x*) plene forlasi ian postulon, pretendon aŭ esperon[8]

**rezisti** (*ntr*) malcedi, kontraŭstari[8]

**rezoni** (*ntr*) logike kunmeti ideojn kaj tiri el ili konkludon[9]

**rezulti**$^{\star}$ (*ntr*) sekvi el io (troa kurado rezultas je granda laco)[6]

**ribeli** (*ntr*) rifuzi obei superulon kaj foje peni perforte forigi ĝin[8]

**ribo** malgranda bongusta nigra aŭ ruĝa bero de arbeto (*Ribes*)[9]



**ricevi**$^{\star}$ (*tr*) vole aŭ nevole fariĝi posedanto, profitanto, spertanto (ricevi donacon, leteron, profiton, viziton)[2]

**riĉa**⋆ posedanta multajn havaĵojn, multan monon[2]

**ridi**⋆ (*ntr*) per buŝo kaj sono (ha ha ha) montri subitan gajecon[2]



**rifuĝi** (*ntr*) iri en sendanĝeran lokon for de sia lando aŭ hejma loko[8]

**rifuzi**⋆ (*tr*) malakcepti; ne konsenti[6]

**rigardi**⋆ (*tr*) direkti sian vidon sur; turni la okulojn por vidi[3]

**rigida** malfacile fleksebla; nefleksebla; obstine sama[9]

**rikolti**⋆ (*tr*) preni la fruktojn[6]

**rilati**⋆ (*ntr*) havi inter si ian ajn ligon[6]

**rimarki**⋆ (*tr*) distingi kaj aparte atenti ion aŭ iun[3]

**rimedo**⋆ tio, kio servas por atingi celon[3]

**rimeno** leda bendo uzata por ligi[9]

**rimo** jen rimoj: Joh**ano**, kisu mian m**ano**n; feliĉo vezike sin le**vas** sed baldaŭ falas kaj kre**vas**[9]

**ringo** rondaĵo kun ronda truo; tiu aĵo uzata ĉe la fingro[7]



**ripari**⋆ (*tr*) remeti ion en bonan, uzeblan staton[6]

**ripeti**⋆ (*tr*) fari aŭ diri denove je dua fojo (aŭ je tria, kvara … fojo)[5]

**ripo** unu el pluraj kurbaj ostoj ĉe brusto, kiuj protektas la pulmojn kaj aliajn organojn[8]



**ripozi**⋆ (*ntr*) ne labori dum iom da tempo por repreni plenan forton; senmove kviete kuŝi[4]

**riproĉi**⋆ (*tr*) esprimi al iu mallaŭdon, malkontenton aŭ akuzon pri ties ago aŭ konduto[6]

**riski** (*tr*) provi fari ion malgraŭ la eblo de malsukceso aŭ danĝero[8]

**risorto** elasta lameno aŭ fadeno ĝenerale el metalo (risorta matraco)[X]

**ritmo** regula alterno de fortaj kaj malfortaj tonoj en muzikaĵo[8]

**riveli** (*tr*) malkovri aŭ sciigi ion, kio antaŭe estis nekonata aŭ sekreta[9]

**riverenci** (*ntr*) iom klini sin por saluto[9]

**rivero**⋆ natura fluanta, iom forta, akvaro ĝis alia rivero aŭ ĝis maro[4](**b**) pĝ 97

**rivoluo** movo ĉirkaŭ akso je 360° (kompleta turniĝo)[9]

**rizo** greno, kiu ŝatas marĉon (*Oryza*)[7]

**robo** longa vestaĵo, de kolo ĝis la piedoj aŭ ĝis la genuoj, kun aŭ sen manikoj[8]

**roko** ega ŝtono[7]

**rolo** tasko de unu aktoro en teatra verko[9]

**romano** longa kaj proza literatura verko[9]

**rompi**⋆ (*tr*) dispecigi[4]

**rondo**⋆ io pli-malpli samforma kiel cirklo, kun aŭ sen truo; aparta aro da homoj[4]

**ronki** (*ntr*) brui je spiro dum la dormo[8]

**rosmaro** mambesto de malvarmaj maroj kun du longaj elstarantaj dentoj ĉe la viro (*Odobaenus rosmarus*)[X]

**roso** akvogutoj, kiuj formiĝas dum la nokto sur folioj[9]

**rosti** (*tr*) kuiri manĝaĵon per varmego sur rostostango, en forno aŭ en kaserolo, ne uzante grason nek akvon[8]



**rozo**⋆ bela floro de rozarbo (*Rosa*)[4] ⓑ→

**rubando** ŝtofa bendo uzata kiel ornamaĵo; vindo[9]

**ruĝa**⋆ kun koloro de sango[2] (**b**) pĝ 100

**ruino** restaĵo el renversita aŭ disfalinta konstruaĵo aŭ urbo[9]

**ruli**⋆ (*tr*) movi objekton turnante ĝin ĉirkaŭ ĝi mem (ruli ŝtonon, pilkon)[5]



**rulo**⋆ aĵo kiel tiu de la bildo, ĝenerale uzata por fari ion, foje en maŝino[5]

**rusto** fero difektita de aero (rusto kovras tiun ŝipon)[9]

**ruza** lerte trompa; kapabla elpensi lertajn rimedojn por atingi ion[7]

# S

**s-ino** sinjorino[X]

**s-ro** sinjoro[X]

**sabato**⋆ la tago de la semajno inter vendredo kaj dimanĉo[5]

**sablo** speco de tero, trovata en bordo de maro, en bordo iuj riveroj kaj en aliaj lokoj (en pura sablo nenio kreskas)[7]

**sagaca** tia, kiu akre vidas, klare juĝas, singarde eliras el malfacila situacio[8]



**sago** pinta vergeto, kiun oni pafas; signo por montri ion[9]

**saĝa**⋆ inteligenta kaj sperta[5]



**sako**⋆ mola ujo el tolo, ledo, papero aŭ alia materialo kun malfermaĵo ĉe la supro[5]

**salajro** mono periode pagata al dungito por servado, laboro, ofico[7]

**salato** manĝaĵo el herboj aŭ legomoj; senorda miksaĵo[9]



**saliko** multaj specoj da arboj kaj etaj arboj, kun vergoj flekseblaj uzataj por fari korbon (*Salix*)[9]

**salo**⋆ substanco trovata en la akvo de la maroj, uzata kiel spico (*NaCl*)[6]

**salono** eleganta vizitĉambro en domo; granda kaj bela ĉambro por festoj aŭ kunvenoj[8]



**salti**⋆ (*ntr*) (iu) rapide moviĝi supren kun ambaŭ piedoj super la tero, kaj ree fali; (io) moviĝi de unu al alia loko, ne tuŝante la lokoj inter tiuj[4]

**saluti**⋆ (*tr*) diri ion aŭ signi je alveno aŭ je foriro por montri respekton al iu (bonan tagon)[4]

**sama**⋆ tute simila (A kaj A estas samaj literoj)[2]

**sana**⋆ havanta korpon kaj menson, kiuj bone kaj normale funkcias[4]



**sandviĉo** du pantraĉoj kun io inter ili[9]

**sango**⋆ ruĝa likvaĵo en la korpo de homoj kaj iuj bestoj, kiu estas movita de la koro[4]

**sankta**⋆ (iu) plej senkulpa kaj pura[6]



**sapo**⋆ materialo, kiu helpas lavadon[6]

**sarki** forigi herbaĉojn el kulturata tero[9]

**sata**⋆ malhavanta deziron aŭ neceson manĝi[4]

**satelito** aĵo, kiu rondiras planedon (luno estas natura satelito)[X]

**satiro** proza aŭ versa teksto, kiu moke ridigas kaj kritikas iun aŭ ion[9]

**saŭco** flua spicaĵo por manĝaĵo[8]

**savi**⋆ (*tr*) liberigi iun el grava danĝero[6]

**sceno** aparta parto de teatraĵo; interesa vidata okazaĵo[7]

**scienco**⋆ esplorado kaj studado por klarigi fenomenojn[6]

**scii**⋆ (*tr*) koni certe kaj precize[2]

**sciuro** besto, kiu vivas sur arboj (*Sciurus*)[9]



**scivola** tre deziranta scii[7]

**se**⋆ vorteto por diri "en la okazo ke", "imagante ke", "kondiĉe ke" (se vi havos okazon, ne forgesu al mi skribi)[1]

**sed**⋆ vorteto montranta kontraŭecon, malsamecon aŭ diferencon (mi volis ŝlosi la pordon, sed mi perdis la ŝlosilon)[1]

**segi** (*tr*) tranĉi per speciala ilo kun akraj dentoj[8]



**seĝo**⋆ meblo por sidi[4]



**seka**⋆ enhavanta neniom da akvo aŭ likvaĵo; surhavanta neniom da akvo aŭ likvaĵo[5]

**sekalo** greno por fari panon kaj bieron[9]



**sekci** (*tr*) esplore distranĉi homan aŭ bestan korpon[9]

**sekcio** aparta parto de organizaĵo aŭ societo, ordinare kun propra tasko aŭ loko[9]

**sekretario** homo komisiita por verki kaj skribi leterojn, raportojn ktp[8]

**sekreto**⋆ io, kio restas aŭ devas resti kaŝita[6]

**sekso** tio, kio estas malsama inter viroj kaj inoj[8]



**sekundo** baza mezurunuo de tempo (unu minuto estas 60 sekundoj)[7]

**sekura** estanta en sendanĝera situacio[9]

**sekvi**⋆ (*tr*) veni aŭ iri post iu/io alia[2]

**semajno**⋆ daŭro de sep sinsekvaj tagoj (semajn-fino: sabato kaj dimanĉo)[3]

**seminario** kurso aŭ lecionaro, en kiu la lernantoj prelegas aŭ ekzercas instruadon[X]

**semo**⋆ parto de frukto, kiu povas iĝi nova kreskaĵo[6]



**sen**⋆ prep. esprimanta iel foreston, mankon (sen gutoj malgrandaj maro ne ekzistus; li restis du tagojn sen manĝi)[1]

**senato** plej alta leĝofara anaro aŭ supera ĉambro en parlamento[9]

**senco**⋆ ideo pri tio, kion esprimas vorto aŭ frazo[5]

**sendi**⋆ (*tr*) irigi ien; ordoni aŭ fari, ke iu iru de unu loko al alia; ordoni, ke io estu portata de unu loko al alia[2]

**senso** sentumo (iu kapablo senti: tuŝado, vidado, aŭdado, flarado aŭ gustumado)[8]

**senti**⋆ (*tr*) ricevi impreson, kiu sciigas nin pri la ekzisto kaj la ecoj de la eksteraj objektoj[3]

**sep**⋆ 7[1]

**septembro**⋆ la naŭa monato de la jaro[5]

**serĉi**⋆ (*tr*) peni por trovi[3]

**serena** sennuba kaj senventa; kvieta sen ĉagrenoj[8]

**serio**⋆ vico da samaj aŭ similaj aĵoj en ordo[6]

**serioza**⋆ nerida, neŝerca[5]

**serpento**⋆ senpieda besto ofte venena (*Ophidia*)[6]



**seruro** aparato servanta por fermi pordon aŭ keston per ŝlosilo[7]



**servi**⋆ (*x*) (iu) plenumi difinitan laboron por profito aŭ utilo de iu alia; (io) esti utila por iu aŭ io; (io) esti uzata por io[4]

**ses**⋆ 6[1]

**severa** forte postulema, malmilda[7]

**sezono**⋆ parto de la jaro (somero, aŭtuno, vintro kaj printempo)[6]

**sfero** surfaco de globo[X]

**si**⋆ vorteto por indiki la aganton mem (ŝi lavas sin)[1]

**sidi**⋆ (*ntr*) resti ie, kaj apogi sin per la postaĵo[2] (**v**) seĝo

**sieĝi** (*tr*) ĉirkaŭi por konkeri[X]

**signalo** interkonsentita signo destinita por komuniki ion[8] [b]→



**signifi** (*tr*) havi difinitan sencon aŭ valoron; egalvalori (libere spiri ne signifas vivi)[7]

**signo**⋆ io ajn (streko, bildo, objekto, gesto), kio elvokas en la spiriton ideon pri alia afero (?, r, 8, +, = ...)[6]

**silenti**⋆ (*ntr*) ne paroli; ne brui[4]

**silko** delikata kaj brila fadeno el raŭpo (*Bombyx*); teksaĵo el tiu fadeno[8]

**simila**⋆ havanta iajn ecojn, kiujn ankaŭ alia persono aŭ objekto havas[5]

**simio** besto simila al homo, kun aŭ sen vosto (*Simiae*)[8]



**simpatio** favora inklino al alia persono[8]

**simpla**⋆ facile komprenebla, uzebla, solvebla[3]

**sincera** (iu) esprimanta tion, kion oni opinias aŭ sentas; aganta laŭ siaj opinioj kaj sentoj; (io) malmensoge dirita, farita aŭ sentita[7]

**sindikato** societo por defendi interesojn de la anoj[9]

**sindona** preta ĉiam servi al iu aŭ io (si/n/don/a)[9]

**singarda** atenta por eviti malbonon (si/n/gard/a)[9]

**singularo** ununombro (unu pomo)[9] (**v**) pluralo

**sinjoro**⋆ titolo de ĝentileco por la viroj[2]

**sino** homa brusto kaj ventro[9]

**sinteno** kondut-maniero en certa situacio (si/n/ten/o)[9]

**sistemo** harmonia tuto da interdependaj aĵoj kunordigitaj[8]



**sitelo** rondforma vazo havanta tenilon[8]

**situacio** tuto da kondiĉoj kaj cirkonstancoj, en kiuj iu troviĝas[9]

**situo** maniero laŭ kiu io estas lokita rilate al la ĉirkaŭaj objektoj[9]

**skalo** linio dividita per streketoj por montri la dimensiojn de desegnaĵo rilate al efektiva objekto aŭ gradojn de mezuraparato[7]



**skatolo**⋆ ujo fermebla kaj malfermebla el solida substanco kiaj ligno, kartono, plasto, metalo …[6]

**skeleto** ostaro[X]

**skio** longa kaj plata glitilo, kiun oni aligas al ŝuoj por gliti sur neĝo[9]



**sklavo** homo posedanta nenian socian rajton, kiu estas posedaĵo de alia persono[8]

**skorpio** besto kun venena pikilo je fino de la vosto (*Scorpiones*)[9]

**skrapi**⋆ (*tr*) forigi partetojn el la supraĵo de io per ŝovo de speciala ilo[6]

**skribi**⋆ (*tr*) meti vortojn kaj frazojn sur io por esprimi pensojn, por sciigi al iu[2]



**skui** (*tr*) rapide abrupte kaj ripete ŝanceli[8]

**skulpti** (*tr*) formi figurojn el solida materio, kiel ŝtono, per hakado, trančado aŭ skrapado[7]

**slango** buŝa formo de faka aŭ socia faklingvo[Y]

**sledo** malalta glitveturilo kun du glitiloj[9]

**sobra** modere manĝanta aŭ trinkanta; malebria[8]

**sociala** rilata al la socio; rilata al la komunaj ekonomiaj interesoj, ne al la politikaj[9]

**societo** daŭra kuniĝo de personoj sub komuna regularo por atingi komunan celon, ĉu plezuran, ĉu profitan, ĉu komercan[7]

**socio** kuniĝo de homoj, kiuj vivas sub komunaj leĝoj[7]

**sofo** longa kaj komforta meblo por sidado de pli ol unu persono[9]



**soifi**⋆ (*x*) senti bezonon trinki[6]

**sojlo** ŝtono aŭ lignaĵo kuŝanta malsupre de aperturo de pordo; komenco[8]

**soklo** ŝtona bazo de konstruaĵo[X]
**sola**⋆ neakompanata, ne estanta kun aliaj; unu kaj neniu kroma[3]
**soldato**⋆ militisto, precipe la senranga[6] (b)→



**solena** farata serioze, laŭ specialaj reguloj pro la graveco[9]
**solidara** akceptinta respondecon pri la ŝuldoj aŭ agoj de alia persono[9]
**solido** korpo en firma, malfluida stato[7]
**solvi** (*tr*) miksi kun fluaĵo solidon, gason aŭ alian fluaĵon, tiel ke la rezulto estas fluaĵo; trovi la respondon al demando, la rimedon al malfacilaĵo[7]
**somero**⋆ la plej suna kaj varma sezono[4] (**b**) pĝ 13
**sonĝi** (*ntr*) vidi image dum la dormo[7] (b)→



**soni**⋆ (*ntr*) fari ion, kion oni povas aŭdi (sonis piano; eksonis rapidaj paŝoj)[3]
**sonoro** sono daŭre sonanta post ĉeso de ĝia kaŭzo[7]
**sopiri** (*x*) sufere bedaŭri kaj redeziri ion perditan[8]
**sorbi** (*tr*) entiri likvaĵon en sin[9]
**sorĉi** (*tr*) fari supernaturajn aferojn per helpo de io supernatura; pasie allogi[8]
**sorgo** greno el landoj varmaj (*Sorghum vulgare*)[9]



**sorto**⋆ neevitebla(j) okazaĵo(j) feliĉa(j) aŭ malfeliĉa(j)[6]
**sovaĝa** (homo) ne civilizita; (besto) ne hejmigita; (kreskaĵo) ne kulturita[8]
**spaco** senfinaĵo, en kiu moviĝas ĉiuj objektoj; difinita mezurebla parto de tiu senfinaĵo[7]
**sparko** elektra fajrero[Y]
**spasmo** nevola kuntiriĝo de muskoloj[X]
**speciala**⋆ neĝenerala, nekomuna, aparta, faka[6]
**specimeno** malgranda kvanto de varo por veki scivolon, informi, reklami, ebligi takson[9]
**speco**⋆ aro da estaĵoj, similaj inter si sed diferencaj de aliaj[4]
**spegulo**⋆ glata brila surfaco, kiu reflektas lumon[6]



**spektaklo** atentokapta okazaĵo aŭ prezentaĵo en teatro, sportejo ...[9]
**sperta**⋆ posedanta sciojn kaj lertecon akiritajn per farado[6]
**spezi**⋆ (*tr*) fari (elspezi) aŭ ricevi (enspezi) pagojn[6]
**spico**⋆ substanco, ordinare kreskaĵa, destinita por bongustigi manĝaĵojn[6]
**spiko** aro da floroj aŭ grajnoj laŭlonge de akso (tritiko, maizo, rizo ...)[9]



**spinaco** herbo, kies verdaj folioj estas uzataj kiel legomoj (*Spinacia*)[9]
**spino** sekvaj ostoj de la kokso ĝis la nuko[X]
**spiralo** kurba linio simila al tiu figuro[X]



**spiri**⋆ (*ntr*) enigi kaj eligi aeron en la plumojn tra nazo aŭ buŝo[5]

**spirito**⋆ senmorta homa animo; nevidebla kaj netuŝebla estaĵo[5]

**spiti** (*tr*) montri al iu, ke oni kontraŭas aŭ deziras kontraŭi ĝin por plezuro[9]

**splito** disfenditaĵo aŭ disrompaĵo[9]

**spongo** ilo por helpi purigadon, per kiu oni uzas sapon kaj frotas[9]



**sporto** korpaj ekzercoj aŭ ludoj por plezuro kaj korpa bonstato[8]

**sprita** montranta mensan viglon[8]

**spuro** postsigno (signo de io pasinta aŭ okazinta: piedsigno montras, ke iu paŝis)[9]

**stacio**⋆ haltejo kun servoj, kie publikaj veturiloj haltas dum iom da tempo[4]

**stadio** difinita grado en ia evoluado[9]

**stadiono** sportejo kun loko por ege granda kvanto da rigardantoj[9]

**stalo** loĝejo por brutoj[7]

**stameno** vira organo de floro[9] ⓑ→



**stampo** speco de oficiala identiga marko[8]

**standardo** flago kiel portanto de ideoj militistaj, religiaj, naciaj aŭ partiaj[7]

**stango** ĉiaspeca, multe pli longa ol dika, peco el ligno aŭ metalo (fosto, masto, paliso, ŝtipo; bastono, vergo)[8]

**stano** griza, facile fandebla metalo (*Sn*)[9]

**stari**⋆ (*ntr*) resti vertikale sur la piedoj; resti senmove[2]

**starti** (*tr*) ekkuri, ekfunkcii[9]

**stati** (*ntr*) esti en iu stato[X]

**stato**⋆ maniero de io aŭ iu esti rilate al ĝiaj ĉefaj ecoj[4]

**statuo** skulptaĵo de homo aŭ besto en sama aŭ preskaŭ sama grando de la originalo[9] ⓑ→



**staturo** alteco de homo[9]

**stelo**⋆ luma punkto en la nokta ĉielo; figuro kun kvin aŭ pli da pintoj[5]



**sterko** nutraĵo por la grundo ĝenerale el besta aŭ kreskaĵa deveno[9]

**sterni** (*tr*) larĝigi, ebenigi; kuŝigi, faligi[7]

**stilo** maniero verki, fari artaĵon[8]

**stimuli** (*tr*) plivigligi[X]

**stomako** interna organo, kie okazas digestado[7]

**stranga**⋆ miriga pro malordinareco[6]

**strato**⋆ vojo inter konstruaĵoj en urbo aŭ vilaĝo[4] (**b**) pĝ 07

**streĉi**⋆ (*tr*) tiri ŝnuron aŭ ion similan al du kontraŭaj flankoj, tiel ke ĝi iĝu rigida[6]

**streko** parto de linio sur surfaco (streko: —; ~~speranto~~)[7]

**strigo** nokta rabobirdo ⓑ→ (*Strix*)[9]



**striki** (*ntr*) ĉesigi la laboron por trafi celon, kiel pli alta salajro[8]

**strio** larĝa streko; bendo[8]

**strukturo** maniero, laŭ kiu estas kunaranĝitaj la diversaj partoj de tutaĵo[8]



**struto** la plej granda birdo havanta longajn kolon kaj krurojn, kiu kuras rapide (*Struthio*)[9]

**studento** studanto en supera lernejo[8]

**studi*** (*tr*) science esplori; diligente labori por akiri la posedon de ia scienco[5]

**stulta** malsaĝa[7]

**stumpo** nedifektita restaĵo el fortranĉita membro; mallonga parto restanta el io[8]

**sub*** prep. por indiki pozicion de io rilate al alia, kiu estas pli alte tuŝante aŭ ne (porti ion sub la brako; muso kuras sub la lito)[1]

**subita*** tute rapide kaj surprize okazanta[6]

**subjekto** la aganto; parto de propozicio, kiu indikas tiun, kiu agas aŭ estas en iu stato (en "la patro donis al mi dolĉan pomon" *la patro* estas la subjekto)[9]

**substanco** ĉiu aparta speco de materio[9]

**substantivo** vorto esprimanta personon, estulon, objekton, aferon aŭ ideon [9] (**v**) -o

**subtila** (io) esprimanta aŭ montranta plej delikatajn malsamojn; (iu) kapabla rimarki la plej delikatajn malsamojn; (io) tre delikata[9]

**subtrahi** (*tr*) maladicii (7 - 4 = 3)[9]

**suĉi** (*tr*) eltiri fluaĵon el io per la buŝo[9] (b)



**sudo*** unu el la kvar geografiaj ĉefpunktoj[6] (**b**) pĝ 97

**suferi*** (*x*) senti doloron korpan aŭ mensan; sperti malfeliĉaĵon, malagrablaĵon[4]

**sufiĉa*** estanta en tia kvanto, kia estas bezona[4]

**sufoki** (*tr*) malhelpi la spiradon[8]

**sugesti** (*tr*) prezenti ideon por konsidero; kaŭzi aperon de ideo, pensigi[X]

**sukcesi*** (*ntr*) havi aŭ trafi feliĉan rezulton[5]

**sukero*** dolĉa substanco trovata en mielo, fruktoj kaj iuj kreskaĵoj (pura sukero estas blanka kaj uzata en kuirejo)[4]

**suko** nutra fluaĵo precipe el fruktoj[7]

**sulko** longforma fosaĵo farita per plugilo en la tero; longforma kavaĵo[9]

**sumo*** rezulto de adicio (5 estas la sumo de 3 kaj 2); difinita kvanto da mono[5]



**suno*** tio, ĉirkaŭ kio la tero iras, ĝi kreas tagon pro ĉeesto kaj nokton pro malĉeesto; la sunaj radioj[3]

**super*** prep. por indiki: pozicion de io rilate al alia, kiu estas pli malalte ne tuŝante; pozicion, kies forto, grado aŭ rango estas pli alta ol tiu de alia (saliko staras super la rivero; regi super princoj)[1]

**suplemento** aldonaĵo[9]

**supo**⋆ plejparte likva manĝajo[6]

**supozi** (*tr*) dumtempe akcepti ion kiel veran aŭ eblan, ne posedante pruvojn tute certajn[7]

**supro**⋆ supra parto, plej alta ekstremo de io[4]

**sur**⋆ prep., kiu indikas pozicion kun kontakto de ekstere, kaj precipe de supre (sidi sur seĝo; sur la korto staras koko; li portis sur si la pekon de multaj)[1]

**surda**⋆ kripla, ne aŭdanta aŭ nebone aŭdanta[6]

**surfaco** la ekstera parto de iu korpo[8]

**surprizi** (*tr*) mirigi per sia neatenditeco; alveni, kiam oni ne atendas[7]

**surtuto** longa vesto sur la aliaj[9]

**suspekti** (*tr*) supozi, diveni, sen certa pruvo, ke iu estas kulpa; opinii ion sen certa pruvo[8]

**susuri** (*ntr*) brui malforte (venteto susuras inter la arboj)[9]

**svarmi** (*ntr*) amase sin movi tienreen; esti tre multenombra[X]

**svati** (*tr*) sin proponi aŭ proponi iun al alia persono kiel edzon aŭ edzinon[9]

**sveni** (*ntr*) perdi dum kelkaj momentoj la konscion kaj sinmovon[8]

**svingi** (*tr*) moveti ion rapide kaj ripete; ĉiudirekten rapide skuadi[8]

# Ŝ



**ŝafo**⋆ besto utila pro lano kaj viando (*Ovis*)[5]

**ŝajni**⋆ (*ntr*) ekstere aspekti simile al io alia, tiel, ke povas okazi aŭ efektive okazas interkonfuzo kaj eraro[2]



**ŝakalo** rabobesto simila al hundo (*Canis aureus* kaj aliaj)[9]

**ŝalti** (*tr*) kunigi elektrajn kondukilojn per eta mekanismo por funkcio de iu elektra aparato[X]

**ŝanceli** (*tr*) movi tien kaj reen ion por ĝin faligi aŭ renversi[9]

**ŝanco**⋆ ebleco de sukceso[6]

**ŝanĝi**⋆ (*tr*) anstataŭigi ion per io alia; aliigi la staton de io, transformi ion[3]

**ŝargi** (*tr*) provizi aparaton (meti pafaĵon en ian ajn pafilon ktp)[8]

**ŝarĝo**⋆ pezaĵo portata[6]

**ŝarko** raba marfiŝo tre danĝera (*Carcharinus*)[X]



**ŝati**⋆ (*tr*) alte taksi la valoron aŭ gravecon de io; preferi[5]

**ŝaŭmo** likvaĵo kun multege da etaj vezikoj[9]

**ŝelo** malmola ekstera parto de io interne pli mola[8]



**ŝerci**⋆ (*ntr*) diri aŭ fari ion neserioze, celante amuzi kaj ridigi[6]

**ŝi**⋆ vorteto por montri inan ulon (mi vidis Anan, ŝi estas alta)[1]

**ŝinko** salita aŭ fumaĵita parto de porka kruro[9]



**ŝimo** tre malgrandaj fungoj, ekz. sur pano[X]

**ŝipo**⋆ iom granda veturilo por veturi sur akvo[4]



**ŝiri**⋆ (*tr*) rompi ion, forte tirante[6]

**ŝirmi** (*tr*) kaŝi iun aŭ ion kontraŭ malbonaĵo; protekti[7]

**ŝlimo** kota tero kuŝanta sur fundo de marĉo, lago, rivero aŭ simila akvejo[X]

**ŝlosi**⋆ (*tr*) fermi per seruro[5] ŝlosilo:



**ŝmiri** (*tr*) meti sur ion iom da substanco, kiu algluas[8]

**ŝnuro**⋆ longa plektaĵo el fadenoj[6]



**ŝoforo** profesia kondukisto de aŭto aŭ de alia veturilo[8]

**ŝoveli**⋆ (*tr*) forpreni ian materion per ŝovelilo aŭ per io simila[6] b→



**ŝovi** (*tr*) puŝi ion glitigante ĝin sur supraĵo, sur kiu ĝi kuŝas[8]

**ŝpari** (*tr*) kolekti provizon de io, precipe de mono, danke al modera elspezo aŭ uzo[7]

**ŝpini** (*tr*) fari fadenon per tordado[9]

**ŝpruci** (*ntr*) rapide, salte kaj fortege elflui eksteren[9]

**ŝranko**⋆ alta meblo kun pordo(j) kaj bretoj aŭ hokoj por konservi domajn aĵojn[6]

**ŝraŭbo** ilo el metalo kun pluraj utiloj ofte uzata por fiksi pli firme ol per najlo[8]



**ŝrumpi** (*ntr*) malŝveli, malkreski pro sekeco, maljuneco ...[8]

**ŝtalo** tre malmola metalo el fero ($Fe + C$)[8]

**ŝtato**⋆ organizita socio kun propra teritorio kaj registaro[5]

**ŝteli**⋆ (*tr*) kaŝe forkapti por si posedaĵon de aliulo[5]

**ŝtipo** mallonga dika peco da ligno[9]

**ŝtofo** teksaĵo de aparta speco, por aparta uzo[8]

**ŝtono**⋆ malmola pli malpli granda minerala aĵo[4]



**ŝtopi** (*tr*) fermi truon, plenigante ĝin per ia substanco[7]

**ŝtrumpo**⋆ sakforma ĝisgenua piedvesto trikita[6] (ŝtrumpeto)



**ŝtupo**⋆ ĉiu el sinsekvaj tabuloj aŭ bastonoj uzataj por supreniri aŭ malsupreniri[5] (ŝtuparo b→ )



**ŝuldi** (*tr*) devi pagi iun sumon[7]

**ŝultro** parto de la korpo ĉe la kolo, kiun oni povas uzi por apogi ion[7]

**ŝuo**⋆ piedvesto kun solida plandumo, taŭga por uzo eksterhejma[6]



**ŝuti** (*tr*) elglitigi substancon nefluidan (uzata por multaj apartaj,

iom malgrandaj eroj, kiel seka sablo aŭ greno)[8]

**ŝveli** (*ntr*) plidikiĝi, pligrandiĝi[7]

**ŝvito** likvaĵo sur la haŭto pro laboro, sporto ...[7]



# T

**t.e.** tio estas[X]

**tabako** folioj de kreskaĵo preparitaj por fumado (*Nicotiana*)[7]



**tabelo** aranĝo de informoj laŭ vicoj horizontalaj (linioj) kaj vertikalaj (kolumnoj) por faciligi la legadon[7]

**tablo*** meblo (tabulo kun kruroj) por manĝi, skribi ...[3]



**tabulo*** longa, ne tre dika, plata peco el ligno aŭ el alia materialo[6]

**tago*** daŭro de ĉirkaŭ 12 horoj, de leviĝo ĝis subiro de la suno; periodo dum la Tero (aŭ alia planedo) faras unu kompletan turnon ĉirkaŭ sia akso[2]

**tajli** doni formon al io, disigante pecetojn aŭ erojn el ĝi[8]

**tajloro** homo, kies metio estas fari vestojn[8]

**tajpi** uzi klavojn de maŝino por skribi[9]

**taksi** (*tr*) difini la valoron de iu aŭ io (kiel oni vin taksas, tiel oni vin regalas)[7]

**taksio** privata aŭto kun ŝoforo, uzebla kontraŭ pago[X]

**takto** regula perioda movado en muziko[9]

**talento** aparta kapablo, ĉu donacita de naturo, ĉu akirita per laboro[X]

**talio** parto de la homa korpo[9] (**v**) zono b→



**tamen*** vorto esprimanta ian kontraŭecon (kvankam li estas riĉa, tamen li ne estas feliĉa; mi ne scias la hispanan lingvon, sed per helpo de vortaro mi tamen komprenis vian leteron)[1]

**tani** (*tr*) transformi per taŭgaj procedoj bestan felon en ledon[X]

**tapeto** teksaĵo, papero aŭ io simila, per kiu oni tegas la murojn de ĉambro[9]

**tapiŝo** teksaĵo, foje delikata, por kovri plankon aŭ meblon[7]

**tarifo** difinita prezaro pri komercaĵoj, laboroj, servoj, impostoj[9]

**tasko** ordonita servo farenda en difinita tempo; difinita laboro aŭ servo[7]

**taso*** malgranda trinkujo por trinkado de varmaj trinkaĵoj, precipe kafo aŭ teo[6] b→



**taŭga*** tute bona por iu celo[6]

**tavolo** malgranda kvanto de iu materialo sur la tuta surfaco de alia materialo[X]

**teatro** arto pri verkado kaj aranĝado de rakontoj prezentotaj de aktoroj aŭ pupoj; teatrejo[8]

**tedi** (*tr*) kaŭzi lacecon kaj malagrablecon pro trodaŭro sen ŝan-

ĝoj aŭ okazaĵoj[8]

**tegi** (*tr*) kovri ĉiuflanke, tiel ke la kovraĵo fariĝas parto de la kovrita aĵo[8]



**tegmento**⋆ supera tegaĵo de domo, ordinare el tegoloj[6]

**tegolo** diversforma maldika plato el kuirita tero, uzita por tegmento[9]

**teĥniko** tuto da metodoj de arto, metio aŭ industrio[9]

**tekniko** = teĥniko[9]

**teksi** (*tr*) dense interkrucigi fadenojn por fari ŝtofon[7]

**teksto** skribaĵo (parto de folio(j) aŭ libro, kiun oni povas legi)[9]



**telefono**⋆ aparato por interparolado je distanco[6]

**telegrafo** aparato por transsendi per videblaj aŭ skribitaj signoj sciigojn ĝis granda distanco[7]

**telegramo** sciigo sendita per telegrafo[8]



**telero**⋆ kvazaŭ plata ujo por manĝi[5]



**televidi** rigardi filmojn transsendatajn je grandaj distancoj per ondoj[9]

**temo** tio, pri kio oni parolas, skribas, verkas, pensas[7]

**temperaturo** fizika grando, kiun oni mezuras per termometro[8]

**tempesto** forta pluvo kun fortega vento[8]

**tempo**⋆ fizika grando, kiun oni mezuras per horloĝo[2]

**tendenco** daŭra inklino al io[9]

**tendo** kovraĵo el tolo aŭ felo, starigita sur stangoj, ĝi estas ŝirmilo kontraŭ vento, pluvo, suno[8]



**tenera** elmontranta aman, mildan atenton[9]

**teni**⋆ (*tr*) havi en la mano(j); restigi[2]

**tenti** (*tr*) instigi iun al malpermesita, danĝera, aŭ malbona ago[7]



**teo**⋆ trinkaĵo preparita el folioj de tearbo en varmega akvo (*Camellia sinensis*)[6]

**teorio** rezonado aŭ klarigo, kiam tute ne estas aplikado[8]

**teraso** alta ebena teramaso, por ĝui belan vidaĵon[9]

**tereno** difinita terspaco[8]

**teritorio** parto de tersurfaco posedanta klarajn limojn, ĝi apartenas al iu ŝtato aŭ urbo[9]



**termometro** instrumento por mezuri la gradon de varmo[9]

**terni** (*ntr*) subite rapide kaj brue elspiri tra la nazo, tiel forte ke la kapo kaj iomete la korpo moviĝas[9]

**tero**⋆ la planedo, sur kiu la homoj loĝas; ekstera parto de tiu planedo[2]



**terpomo** manĝebla radiko de terpomujo (*Solanum tuberosum*) (ter/pom/o)[7] (apud estas saketo kun fritita terpomo)


**teruro**⋆ grandega timo[5] ( ⓑ→ vizaĝo de teruro)


**testudo** malrapida besto, kies korpo estas en korneca ŝelo (*Testudo* kaj aliaj)[9]

**tia**⋆ de tiu kvalito; tiuspeca[1]

**tial**⋆ pro tiu kaŭzo[1]

**tiam**⋆ en tiu tempo[1]

**tie**⋆ en tiu loko[1]

**tiel**⋆ en/per tiu maniero; en tiu grado[1]

**ties** de tiu(j); apartenanta al tiu(j)[9]

**tigo** parto de nelignaj kreskaĵo (brancêto)[9]


**tigro** rabobesto, grandega kato kun strioj (*Panther tigris*)[9]


**tikli** (*tr*) kaŭzi ridon per delikataj kaj ripetaj ektuŝoj de iuj partoj de la korpo[9]

**timi**⋆ (*tr*) senti malagrablan senton pro efektiva aŭ imaga danĝero, kiun oni deziras eviti[3]

**tineo** malgranda papilio, kies larvoj manĝas lanon, ŝtofojn kaj peltojn (*Tinea* kaj aliaj)[X]

**tinkturo** fluaĵa substanco por kolorigi teksaĵojn aŭ fadenojn[9]

**tinti** (*ntr*) fari sonon, kiel de du glasoj, kiuj frapas unu kontraŭ la alia[9]

**tio**⋆ tiu afero/aĵo[1]

**tiom**⋆ en tiu kvanto[1]

**tipo** ideala modelo; modela peco laŭ kiu oni fabrikas similajn pecojn; litertipo[8]

**tiri**⋆ (*tr*) movi ion aŭ iun al si, ne ŝanĝante sian lokon; movi ion kun si aŭ post si, irante antaŭen[3]

**titolo** honora nomo montranta rangon, postenon, oficon; surskribo metita sur libro, gazeto, artikolo, ĉapitro[7]

**tiu**⋆ montra pronomo (tiu estas mia amiko; kiu vivos, tiu vidos)[1]

**toleri** (*tr*) ne kontraŭstari al io, kion oni ne aprobas aŭ kio ĝenas aŭ suferigas, kvankam oni kapablas malhelpi ĝin[7]

**tolo**⋆ teksaĵo farita el lino aŭ kotono[6]


**tomato** frukto de tomatujo multe uzata en salatoj (*Lycopersicon*)[9]

**tombo** fosaĵo en tero aŭ ŝtona loko, kien oni metas mortinton[7]


**tondi**⋆ (*tr*) fortranĉi per tondilo aŭ per io simila[5]

**tondro** bruego el ĉielo akompananta fulmon[7]

**tono** pura muzika sono; koloro aŭ voĉo delikate aparta de alia[8]

**tordi** (*tr*) turni teksaĵon aŭ flekseblan objekton per ĝiaj ekstremoj laŭ kontraŭaj direktoj[8]

**torento** rapida fluo de akvo en kruta rivero[9]

**torto** speco de kuko kun kuiritaj fruktoj[9]

**tra**⋆ prep., kiu indikas lokon: en kiu iu movo komenciĝas ĉe unu ekstremo kaj atingas la alian; en kiu pasas iu movo, kiu komenciĝis

antaŭ ĝi kaj daŭras pluen (ĝi saltis tra la fenestro)[1]

**tradicio** transdonado de kutimoj kaj konoj de unu generacio al alia[9]

**traduki** (*tr*) transigi iun tekston aŭ parolon de iu lingvo en alian[7]

**trafi**⋆ (*tr*) atingi per ĵetita aĵo aŭ per sia propra korpo ion celitan; atingi[5] ⓑ→



**trafiko** ago iri kaj veni sur vojoj kaj stratoj[9]

**tragedio** ege malfeliĉa okazaĵo; teatraĵo, kun malĝoja fino[9]

**tragika** tragedia[9]

**trajno** vagonaro (aro da vagono)[8]

**trajto** linio de la vizaĝo; eco de karaktero[8]

**traktato** kontrakto inter ŝtatoj[9]

**trakti** (*tr*) diskuti pri la kondiĉoj de iu afero por finveni al interkonsento; agi, konduti iamaniere al iu aŭ io (trakti afable la gaston)[8]

**traktoro** veturilo kun motoro por kampokulturo[8]

**tramo** eta vagonaro sur urbaj stratoj[9]

**tranĉi**⋆ (*tr*) dividi aĵon en partojn aŭ forigi el ĝi partetojn per akra ilo[4] ⓑ→



**trankvila**⋆ agitata de neniaj zorgoj[3]

**trans**⋆ prep. por indiki lokon je la alia flanko de io; indiki, ke oni pasis sur aŭ super io por atingi tiun lokon (la popoloj loĝantaj trans la maro)[1]

**transitiva** (adjektivo por verbo)[X] (**v**) pĝ 08

**tre**⋆ vorteto por diri "en alta grado, forte" (tre rapide iri)[1]

**trejni** (*tr*) instrui kaj ekzerci por atingi certan kapablon[9]

**tremi**⋆ (*ntr*) esti movata tien kaj reen per etaj sinsekvaj skuoj (tremi pro frosto, pro timo)[6]

**trempi** (*tr*) meti ion en akvon aŭ alian fluaĵon[8]

**treni** (*tr*) pene tiri post si[8]

**trezoro** amaso da multvaloraj objektoj; io tre valora, tre ŝatinda[8]

**tri**⋆ 3[1]

**triangulo** figuro kun tri anguloj kaj tri rektaj linioj (tri/angul/o)[8]



**tribunalo** unu juĝisto aŭ pluraj juĝistoj kune juĝantaj; juĝejo[8]

**triki** (*tr*) fari ŝtofon (similan al reto) plektante fadenojn per vergetoj[9]

**trikoto** trikita teksaĵo aŭ vesto[8]

**trinki**⋆ (*tr*) preni fluaĵon en la buŝon kaj gluti[3] ⓑ→



**tritiko** greno el kies faruno oni bakas blankan panon (*Triticum*)[7]



**triumfo** ĝojego pro granda venko[X]

**tro**⋆ vorteto por diri "pli ol sufiĉe", "pli ol necese", "pli ol konvene"[1]

**trompi**⋆ (*tr*) intence erarigi iun[6]

**trotuaro** parto de vojo destinita por piedirantoj,



apud la vojo destinita por veturiloj[8]

**trovi**⋆ (*tr*) ekvidi ion, kion oni serĉas; ekvidi ion per okazo[6]

**trudi** (*tr*) devigi iun fari ion kontraŭvole[9]

**trumpeto** muzika blovinstrumento, ĝenerale el kupro[9]



**trunko** la ĉefa ligna parto de arbo[8] ⓑ→



**truo**⋆ malplenaĵo, kavo en io[5]

**trupo** grupo de artistoj el sama teatro, dancgrupo ...[9]

**tualeto**⋆ tuto de la objektoj, per kiuj oni sin vestas[6]

**tubero** bulforma ŝvelaĵo sur aŭ en korpo; dika firma ŝvelaĵo de tigo aŭ radiko (terpomo estas tubero)[9]

**tubo** longa, kava ilo por trairo de akvo, aero aŭ alia fluaĵo[7]



**tufo** densa aro da maldikaj kunkreskantaj aĵoj (tufo da haroj, herboj, floroj ...)[9]

**tuj**⋆ vorteto por diri "senprokraste post tiu momento" (mi tuj foriras)[1]

**tuko**⋆ peco da teksaĵo uzata por iu celo (naztuko, litotuko, bantuko)[6]

**tumulto** malorda kaj brua malkvietiĝo de homamaso[9]

**tunelo** subtera vojo tra monto; subakva vojo tra maro[9]

**tuno** mil kilogramoj[9]

**turismo** vojaĝado aŭ ekskursado por plezuro aŭ sporto[9]

**turisto** homo turismanta (vojaĝanta por plezuro aŭ sporto)[9]

**turmenti** (*tr*) suferigi iun per kruelaj korpaj aŭ moralaj suferoj[8]

**turni**⋆ (*tr*) movi ion ĉirkaŭ ĝia akso; ŝanĝi direkton per movo[3]

**turo** tre alta, ne tre vasta konstruaĵo, plej ofte ronda aŭ kvadrata[7]



**tusi**⋆ (*ntr*) subite elspiri, kun sono pro malsano aŭ ĉar io estas en la gorĝo[6]

**tuŝi**⋆ (*tr*) meti la fingrojn aŭ ian parton de la korpo al io aŭ iu; fari ŝanĝojn en io[4]

**tuta**⋆ senmanka; rigardata en sia kompleto[2]

# U

-**u**⋆ finaĵo por verboj, kiam temas pri peto aŭ ordono (ferm**u** la pordon!)[0]

-**uj**-⋆ vortparto por indiki: objekton, kiu entenas tute en si pli malpli grandan kvanton da aliaj objektoj (suker**ujo**); kreskaĵon, kiu donas la frukton montritan per la radiko (pir**ujo**)[0]

-**ul**-⋆ vortparto por indiki vivantan estaĵon, kies grava eco estas esprimita per la radiko (jun**ulo**, mensog**ulo**, riĉ**ulo** ...)[0]

-**um**-⋆ vortparto sen difinita senco (plen**umi**, sap**umi**, brak**umi**, akv**umi**)[0]

**umbiliko** kaveto sur la ventro[X]

**ungo**⋆ malmola parto ĉe la ekstremo de homaj aŭ bestaj fingroj[6]



**uniformo** kostumo, kies formo aŭ koloro estas samaj por ĉiuj anoj el la sama grupo[9]

**unika** sola en sia speco; senkompara, sensimila[9]

**universala** koncernanta ĉiujn; taŭga por ĉiuj[9]

**universitato** altlernejo[9]

**unu**⋆ 1[1]

**urbo**⋆ iom granda aro da domoj, aranĝitaj laŭ pluraj stratoj[3]

**urĝi** (*tr*) vigle plirapidigi; postuli tujan agon; (*ntr*) esti ne prokrastebla[7]

**urino** likvaĵo tirita el la sango per la renoj[X]

**urso** granda besto kun dika hararo sur la tuta korpo (*Ursus*)[8]



**urtiko** pika herbo, kies piko estas kvazaŭ brulo (*Urtica*)[X]

-**us**⋆ finaĵo por verboj, kiam estas kondiĉo, supozo, deziro aŭ temas pri tre ĝentila peto (mi ŝat**us** naĝi tien; ĉu vi leg**us** tion?)[0]

**utero** ina organo, kie ekkreskas la ido[X]

**utila**⋆ bona por uzado; iel oportuna, taŭga[4]

**utopio** neebla revo[X]

**uzi**⋆ (*tr*) preni ion kiel rimedon aŭ ilon; agi per io[3]

# V

**vadi** (*ntr*) paŝi en malprofunda akvo aŭ en mola substanco, koto, neĝo, sablo ...[9]

**vagi** (*ntr*) sencele iri de loko al loko[9]

**vagino** la kanalo ĉe virinoj kaj iuj inaj bestoj, tra kiu la ido naskiĝas[X]

**vagono**⋆ veturilo por pasaĝeroj aŭ varoj[4] (**v**) lokomotivo



**vakcino** substanco por malpermesi akiron de iu malsano, ĝi estas trinkita aŭ injektita[8]

**vaka** neokupita[X]

**vaki** (*ntr*) esti libera por okupo[X]

**vakso** substanco per kiu la abeloj kreas siajn ĉelojn; similaj substancoj uzataj de la homoj por pluraj celoj[9]

**valida** prezentanta la laŭleĝajn kondiĉojn postulatajn[9]

**valizo** portebla ujo por vojaĝoj[7] [b]→



**valo**⋆ malalta vasta tero inter montoj[6]

**valoro**⋆ grado, je kiu iu aŭ io estas ŝatata pro siaj kvalitoj; sumo, je kiu io estas mone taksata[3]

**vana** senutila; ne produktanta efikan rezulton; neefektiva[7]

**vango**⋆ flanka parto de la vizaĝo[6] [b]→



**vanta** (io) ne valoranta atenton aŭ prizorgon, pro sia malgraveco;

(iu) amanta posedi kaj montradi bagatelojn[9]

**vaporo**⋆ akvo kiel gaso[5] ⓑ▸

**varbi** (*tr*) logi iun, por ke ĝi aniĝu al grupo aŭ partio[X]



**varii** (*ntr*) ade ŝanĝiĝi laŭ iu maniero; ŝanĝiĝi laŭ la valoro[8]

**varma**⋆ havanta altan temperaturon (per varmo oni kuiras; per varmo akvo bolas)[3]

**varo** komercaĵo[8]

**varti** (*tr*) gardi kaj zorgi estulon, kiu bezonas helpon pro sia juneco[9]

**vasta**⋆ havanta grandajn dimensiojn[5]

**vato** kotono kombita kaj premita uzata ekzemple por bandaĝo[7]

**vazo** kia ajn ujo destinita por enteni solidon aŭ likvaĵon[7]

**ve!** ekkria vorteto esprimanta plendon pro malfeliĉo[7]

**vegetalo** kreskaĵo el semo aŭ planto[9]

**vegetara** neniam manĝanta viandon aŭ ion alian el besto[9]

**vejno** tubeto per kiu la sango iras tra la korpo[9]

**veki**⋆ (*tr*) ĉesigi ies dormon[4]

**velki** (*ntr*) sensukiĝi; senfortiĝi, kadukiĝi[8]

**velo** granda forta tuko, fiksita ĉe la mastoj por kapti la venton[8]



**veluro** silka, kotona aŭ lana ŝtofo kun molaj mallongaj haroj[9]

**vendi**⋆ (*tr*) fordoni kontraŭ mono[4]

**vendredo**⋆ la tago de la semajno inter ĵaŭdo kaj dimanĉo[5]

**veneno** mortiga substanco, produktita de iuj bestoj aŭ kreita de la homo[8]

**venĝi** (*tr*) pagi malbonon per malbono[9]

**veni**⋆ (*ntr*) moviĝi tien, kie estas la persono, kiu parolas, aŭ al kiu oni parolas; atingi difinitan lokon, kien oni intencis iri[2]

**venki**⋆ (*x*) superi malamikon en batalo, milito; superi konkuranton; transpasi baron[6]

**vento**⋆ pli malpli rapida movado de la aero[3] (**b**) pĝ 07

**ventro** parto de la korpo, en kiu estas la stomako kaj la intestoj[7] (**v**) graveda



**vera**⋆ laŭ la realo; ne trompanta[3]

**verbo** vorto esprimanta agon aŭ staton[8] (**v**) -i, -as, -is, -os, -u, -us

**verda**⋆ kun koloro de folio el viva arbo[4] (**b**) pĝ 100

**vergo** longa, rekta fleksebla branĉeto; mallonga metala stango[8]

**verko**⋆ arta aŭ scienca produkto farita per penso kaj imago (libro, rakonto, poemo, pentraĵo, muzikaĵo, skulptaĵo ...)[5]

**vermo** senpieda besteto (*Helminthes*)[7] ⓑ▸



**verso** unu linio de poeziaĵo[7]

**verŝi** (*tr*) fluigi fluaĵon el ujo[7]

**vertico** punkto, la origino de du rektaj linioj de figuro[9]



**vertikalo** direkto de la muroj de domo, de pendolo, kiu haltis[9]

**verto** supro de kapo[8] [b]→



**veruko** malgranda elkreskaĵo de la haŭto[9]

**vespero**⋆ fino de la luma tago ĉe subiro de la suno[3]

**vesperto** blinda mamulo, kiu flugas (*Chiroptera*)[X]



**vespo** insekto iom simila al abelo, kun venena pikilo (*Vespa*)[9]



**vesto**⋆ ĉio, per kio oni kovras la korpon[3] (**v**) kalsono, pantalono, ĉemizo ...

**veŝto** vesto sen manikoj, portata sub jako[8]

**vetero**⋆ stato de la aero[4] (**v**) pluvo, neĝo, tempesto ...

**veti** (*x*) riski sumon en ludo; interkonsenti pri monsumo, kiun la malpravanto devos pagi al la pravanto[9]

**veturi**⋆ (*ntr*) iri sed per alia rimedo ol per piedoj[2] (**v**) aŭto, aviadilo, biciklo, ŝipo ...

**veziko** globa sako en la korpo; eta globo kun maldika flueca haŭteto, kaj entenanta aeron aŭ gason[9]



**vi**⋆ vorteto por indiki la persono(j)n, al kiu(j) oni parolas[1]

**viadukto** ponto trans tera vojo[9]

**viando**⋆ karno de besto, kiel manĝaĵo[6]

**vibri** (*ntr*) tremi kaj produkti sonon[X]

**vico**⋆ sinsekvo da personoj aŭ objektoj aranĝitaj laŭ unu linio, unu apud aŭ post alia[6]

**vidi**⋆ (*tr*) senti per la okuloj, rimarki la bildojn de objektoj[2]

**vidvo** viro, kies edzino mortis[8]

**vigla**⋆ agema; rapidaga[6]

**viktimo** tiu, al kiu okazis malbonaĵo[9]

**vilaĝo**⋆ malgranda aro da domoj en kamparo, montaro aŭ alia loko for de urbo[4]

**vinagro** acidiĝinta vino[X]

**vindi** (*tr*) ĉirkaŭvolvi per tuko (pro vundo; bebon)[9]

**vino**⋆ alkohola trinkaĵo el vinberoj[5] [b]→



**vintro**⋆ la plej malvarma sezono[4] (**b**) pĝ 13

**violo** malalta kreskaĵo (*Viola*) kun belaj ofte bluaj floretoj[7]

**violono** muzikinstrumento apogita ĉe la kolo, kun kvar kordoj[9]





**vipo** batilo: ŝnuro aŭ rimeno kaj tenilo[9] [b]→

**virga** tiu, kiu ankoraŭ ne havis seksan interrilaton[9]

**viro**⋆ homo aŭ besto, kiu kune kun virino produkas idon[2] (**v**) -in-, graveda, sekso



**virto** konstanta emo fari bonon; ĉiu el la apartaj bonaj inklinoj de la animo[8]

**viruso** la plej simpla estaĵo, eĉ pli simpla ol bakterio, ĝi kaŭzas mal-

sanojn[X] (bildo tuj sube b▾)

**viŝi*** (*tr*) purigi objekton, frotante ĝin per tuko aŭ per simila maniero[6]



**vito** vinberujo[8]

**vitro*** malmola, travidebla, rompebla substanco uzata por fari plurajn aĵojn[4]

**vivi*** (*ntr*) esti inter naskiĝo kaj morto; sin movi, spiri, manĝi ktp[2]

**vizaĝo*** antaŭa parto de la homa kapo[3]

**viziti*** (*tr*) iri por vidi iun hejme; iri por vidi ion[5]

**voĉo*** sono de parolo, kanto aŭ krio[5]

**vojaĝi*** (*ntr*) iri, veturi por atingi malproksiman urbon aŭ landon[3]

**vojo*** strio sur la tero, sur kiu oni iras de unu loko al alia[2]



**voki*** (*tr*) per laŭta voĉo peti iun veni[4]

**voli*** (*tr*) havi deziron aŭ decidon pri io aŭ iu (mi volas naĝi hodiaŭ)[2]

**volonta*** faranta ion kun ĝojo, laŭ sia propra volo[6]

**volumeno** mezuro de la spaco okupata de objekto[9]

**volumo** parto de libro en aparta broŝuro aŭ bindaĵo[9]

**volvi*** (*tr*) plurfoje ĉirkaŭmeti ion fleksеblan ĉirkaŭ io alia[6] b▾

**vomi** (*x*) elĵeti tra la buŝo enhavon de la stomako[9]



**vorto*** la plej malgranda parto de parolo, tio estas, sono aŭ skribita sono kun signifo[2]

**vosto*** posta parto de la korpo de birdoj aŭ aliaj bestoj; pendanta aĵo en la ekstremo de la dorso de iuj bestoj[6]



**vualo** peco de ŝtofo, uzata por kaŝi, kovri ion, precipe la vizaĝon de virinoj[8]

**vulkano** monto, kiu povas elĵeti likvajn ŝtonojn[9]



**vulpo** besto ruĝeta, kuzo de la hundo (*Vulpes*)[8]



**vulturo** granda birdo kun nuda kolo kaj vizaĝo, nutranta sin de putraĵo (*Vultur*)[9]



**vundo*** difekto de la korpo kaŭzita de frapo el kiu fluas sango[6]

# Z

**zebro** kuzo de ĉevalo, ĝi havas blankajn kaj nigrajn striojn (*Equus zebra* kaj aliaj)[X]

**zinko** metalo uzata por kovri tegmentojn (*Zn*)[9]

**zipo** fermilo de vesto aŭ alia ŝtofaĵo[X] b▸



**zono** strio el ŝtofo, ledo ktp por ĉirkaŭigi la talion[7]



**zoo** loko, en kiu oni tenas maloftajn bestojn por studo aŭ por vizito$^{Y}$
**zoologio** scienco pri la bestoj$^{9}$
**zorgi**$^{\star}$ ($x$) pensi pri rimedoj por certigi bonan staton de io; serioze direkti sian atenton kaj aktivecon al bono de iu; maltrankviliĝi pro necerteco aŭ dubeco de io$^{4}$
**zumi** (*ntr*) aŭdigi daŭran, malakran bruon, kiel faras iuj insektoj$^{9}$

# Notoj

sendu viajn komentojn aŭ notojn al vortaro [@] pentuvio [.] com, ili estas utilaj por plibonigo de la venonta eldono.










Latitudo:
1 50° Nordo
2 23,4° Nordo
3 Ekvatoro 0°

Longitudo:
4 0°
5 30° Okcidento
6 60° Okcidento







Monda Mapo
1
1
2
3
4
Pacifiko
Atlantiko
Pacifiko
Aŭstralio
1 Ameriko
2 Afriko
3 Eŭropo
4 Azio




ISBN 978-85-60661-05-3

# RETA VORTARO




http://reta-vortaro.de/

Esperanta vortaro kun tradukoj al diversaj lingvoj




http://www.kurso.com.br/

Multrimeda komputilprogramo
en via lingvo por
Vindozo kaj Linukso